Dua periodo
SEPA JARO
N-ro 2. 1937.

# LITERATURA MONDO

## El la enhavo:



Redakcio kaj administracio: Hungarujo, Budapest, IX., Soroksári-str. 38

## APERAS SESFOJE DUM LA JARO

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# *Novaj prezoj!*

## *Aliaj prezoj en la katalogo estas malvalidaj!*

| | | bind. | broŝ. |
|---|---|---|---|
| **Julio Baghy:** Dancu Marionetoj — — — — | | 0.56 | 0.40 |
| **Julio Baghy:** Viktimoj — — — — — — | | 1.04 | 0.84 |
| **Julio Baghy:** Hura! tolbind. 2.40 — — — | | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Preter la Vivo — — — — | | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Pilgrimo — — — — — — | | Elcerpiĝis | |
| **Julio Baghy:** Sur Sanga Tero — — — — | | 1.70 | 1.32 |
| **Julio Baghy:** Verdaj Donkiĥotoj — — — | | 1.— | 0.70 |
| **K. Kalocsay:** Lingvo, Stilo, Formo — — — | | 0.70 | 0.34 |
| **K. Kalocsay:** Streĉita Kordo — — — — | | 1.06 | 0.80 |
| **K. Kalocsay:** Rimportretoj — — — — — | | 0.44 | 0.27 |
| **K. Kalocsay:** Eterna Bukedo, duontole 2.30 | | 2.— | 1.65 |
| **K. Kalocsay—Madách:** Tragedio de l' Homo | simpla | 1.— | 0.66 |
| | luksa | 1.20 | 0.84 |
| **K. Kalocsay—Goethe:** Romaj Elegioj kaj La Taglibro — — — — — — — — — | | 0.70 | 0.50 |
| **K. Kalocsay—Dante:** Infero — — — — — | | 1.90 | 1.60 |
| **K. Kalocsay—Hekler:** Arthistorio I. — — — | | 2.25 | 2.— |
| **K. Kalocsay—Mussolini:** Vivo de Arnaldo, | luksa | 0.84 | 0.50 |
| | simpla | 0.66 | 0.40 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Parnasa Gvidlibro | | 0.90 | 0.66 |
| **K. Kalocsay—Waringhien:** Plena Gramatiko de Esperanto II-a eldono— — — — | simpla | Sub | |
| | luksa | preso | |
| **K. Kalocsay:** Hungara Antologio — — — | | 2.60 | 2.30 |
| **Bleier—Kökény—Ŝirjaev:** Enciklopedio de Esperanto, vol. I—II., ilustrita — — — — | | 6.80 | 6.— |
| Enciklopedio de Esperanto, en unu volumo, neilustrita — — — — — — — — — | | 4.— | |
| **Asch—Lejzerowicz:** La Sorĉistino el Kastilio — | | 0.90 | 0.66 |
| **Grenkamp—Brzekowski:** Pri l' Moderna Arto | | 0.66 | |
| **J. Forge:** Mr. Tot aĉetas mil okulojn — — | | 1.06 | 0.84 |
| **F. Szilágyi:** Trans la Fabeloceano — — — | | 0.90 | 0.66 |
| **F. Szilágyi:** Poemaro el Hungarlando — — | | | 0.34 |
| **F. Szilágyi:** La Simpla Esperanto — — — | | | 0.34 |
| **F. Szilágyi—Genthon:** La pentroarto en la malnova Hungarujo — — — — — — — | | 3.— | 2.— |
| **Totsche:** De Paĝo al Paĝo — — — — — | | 0.80 | 0.60 |
| **Kalocsay:** Dekdu poetoj — — — — | simpla | 0.84 | 0.50 |
| | luksa | 1.— | 0.60 |
| **Totsche—Karinthy:** Vojaĝo en Faremidon — | | | 0.24 |
| **St. Engholm:** Homoj sur la Tero — — — | | 1.— | 0.72 |
| **St. Engholm:** Infanoj en Torento — — — | | 0.60 | 0.40 |
| **Hans Weinhengst:** Tur Strato 4 — — — — | | 1.— | 0.72 |
| **E. Aisberg:** Fine mi komprenas la radion — | | 1.20 | 0.92 |
| **K. R. C. Sturmer:** El la Notlibro de Praktika Esperantisto — — — — — — — — | | 0.70 | 0.50 |
| **Kikuĉi—Simomura:** Amo de Toojuuroo — — | | | 0.24 |
| **T. Herzl—B. Selzer:** La Juda Ŝtato — — — | | 0.84 | 0.60 |
| **Slonimsky—Grenkamp:** Mia vojaĝo en Sovetio | | 0.72 | 0.50 |
| **Jelušić—Rotkvić:** Cezaro — — — — — — | | 2.05 | 1.80 |
| **Adamson:** Auli — — — — — — — — | | 0.56 | 0.34 |
| **Kamaryt—Ginz:** Ĉeĥoslovaka Antologio — — | | 2.60 | 2.30 |
| **E. Privat:** Interpopola Konduto — — | simpla | 0.86 | 0.60 |
| | luksa | 1.20 | |
| **Jerome—Badash:** Tri Homoj en Boato, | simpla | 1.20 | 0.92 |
| | luksa | 1.50 | |
| **Munthe—Weleminsky:** Romano de San Michele | | 2.12 | 1.80 |
| | luksa | 2.40 | |
| **I. Lejzerowicz:** El la Verda Biblio — — — | | 0.50 | 0.30 |
| **E. Wiesenfeld:** Verkaro de FeZ (Dr. Feliks Zamenhof) — — — — — — — | simpla | 1.60 | 1.32 |
| | luksa | 2.15 | |
| **Biernaczki—Medrkiewicz:** La Verko de Chopin | | | 0.20 |
| **L. E. Thomson:** Multe pli la Amo — — — | | | 0.18 |
| **EMBA:** Maria kaj la Grupo — — | simpla | 0.95 | 0.72 |
| | luksa | 1.30 | |
| **E. Wüster:** Konturoj de la lingvonormigo en la tekniko — — — — — — — — | | 0.85 | 0.60 |

La prezoj estas montrataj en usonaj dolaroj.

Aldonu 10% de sendkostoj.

**RABATO DE 20% AL LA MEMBROJ DE AELA EL LA SUPRAJ PREZOJ!**

La prezoj de la ankoraŭ neaperintaj libroj estos aparte anoncataj.

**Pagojn ni akceptas**

per monbiletoj. bankĉekoj, respondkuponoj, »money order« al Budapest aŭ al niaj reprezentantoj.

**Poŝtmandatojn sendatajn al Budapest ni rifuzas.**

### ABONPREZO DE LINGVO-LIBRO

por unu ekzemplero dum la jaro:

0.80 aŭstrajn ŝilingojn; 4.— belgajn frankojn; 8 penny; 9.— ĉeĥajn kronojn; 0.60 danan kronon; 0.60 estonan markon; 4.— francajn frankojn; 0.60 markon; 0.80 pengö; 4.— lirojn; 8.— dinarojn; 0.80 laton; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 0.40 guldenon; 0.60 norvegan kronon, 1.20 zloton; 4.— eskudojn; 25.— leojn; 0.60 svedan kronon; 0.20 USA-dolaron; 0.80 svisan frankon.

En nemenciitaj landoj 0.20 USA-dolaron aŭ egalvaloron.

**Tri ekzemplerojn ni sendas por la duoblo de la supraj sumoj.**

### ABONPREZO DE LITERATURA MONDO

por tuta jaro, la unua ekzemplero al la sama adreso:

12.50 aŭstrajn ŝilingojn; 65.— belgajn frankojn; 7.— anglajn ŝilingojn; 60.— ĉeĥajn kronojn; 7.— danajn kronojn; 7.— estonajn kronojn; 45.— francajn frankojn; 7.50 germanajn markojn; 10.— pengöjn; 40.— lirojn; 100.— dinarojn; 9.— latojn; (por japanoj specialaj kondiĉoj ĉe JEI); 4.50 guldenojn; 7.— kronojn norvegajn; 15.50 polajn zlotojn; 30.— eskudojn; 300.— leojn; 7.— svedajn kronojn; 9.— svisajn frankojn; 1.80 USA-dolarojn ,

**ĉiun egalvaloron.**

Ĉiu plua ekzemplero al la sama adreso sendata kostas dolarojn 1.40 kaj borsan egalvaloron, sen ia plua favorprezo.

**Unu dolaro usona egalvaloras la 15-an de novembro 1936.**

5.30 aŭstrajn ŝilingojn; 29.40 belgajn frankojn; 4.— anglajn ŝilingojn; 29.— ĉeĥoslovakajn kronojn; 4.50 danajn kronojn; 3.80 estonajn kronojn, 21.50 francajn frankojn; 3.80 germanajn markojn; 5.— pengöjn; 20.— italajn lirojn; 47.— jugoslavajn dinarojn; 5.20 latojn; —.— yenojn (pro monopolo specialajn pagokondiĉojn donas Japana Esperanto Instituto); 7.60 lidojn litovajn; 1.90 nederlandan guldenon, (pagu nur al nia monopola deponejo en Nederlando: Nederlanda Esperanto Centro, Rotterdam, W. Schiedamscheweg 209 b.); 4.— norvegajn kronojn; 5.30 polajn zlotojn; 22.50 portugalajn eskudojn; 140.— rumanajn leojn; 4.— svedajn kronojn; 4.35 svisajn frankojn aŭ borsan egalvaloron en aliaj valutoj.

**Ŝanĝoj de la transkalkulo okazas samtempe kun la borsaj kurzoŝanĝoj.**

# POŜTOFICEJO

**— Rabindranath Tagore —**

Li estas filo de la Oriento, sed lia orientaleco estas mateno de vivo kun senzorgaj ĉarmoj. Tio, kion ni rigardas naiva, sub lia plumo fariĝas enĉarmigita vivproblemo.

El ĉiuj gentoj de Hindujo, bengaloj estas la plej mistikemaj, plej imagpovaj, fluantaj laŭ la vojoj de l' sentoj en plena emocio — tia estas Amal, la spegulo de la bengaloj. La realo degelas en sonĝoj kaj fandiĝas kun la konstruajoj de la imago, kaj tia vizio estas la vivo en bengala vilaĝo. Sed Amal prezentas ne nur malsanan melankolian knabon; li estas la animo de la homaro: li estas Hamleto, Faŭsto, Tadeo, ĉiam serĉanta Dion kaj trovanta ĝin ĉie. La atendata Reĝo estas la Morto; la Fakiro estas la esperoj ĉiam forlogantaj; la vilaĝestro estas la sorto, kaj Madhav estas nia mizera tera korpo...

Sed kial mi babilu, la pura koro sentos ĉion neesprimeblan per vortoj — mi lasas paroli la aŭtoron mem.

*(A. Poŝka).*

## *POŜTOFICEJO*

### Akto I.

*Madhav:* Kia ĝeno! Kiam li ne estis, mi estis senĝena. Mi ne scias, de kie li venis al mia hejmo — nun sen li mia hejmo estos malplena. Kion vi opinias sinjoro kuracisto? Ĉu vi...

*Kuracisto:* Se lia destino vivi — li vivos longan tempon. Sed la medicino estas senpova.

*Madhav:* Ĉu vi diras tion!

*Kuracisto:* La libroj skribas — galo aŭ paralizo, malvarmumo aŭ podagro, ĉiuj devenas simile.

*Madhav:* Lasu viajn librojn — ili timigas min. Diru al mi, kion mi faru?

*Kuracisto* (enflarante tabakon): Gardu lin zorgeme.

*Madhav:* Bona konsilo. Sed kiel mi zorgu?

*Kuracisto:* Mi jam diris al vi — ne lasu lin ekstere.

*Madhav:* Li estas tre juna kaj estas malfacile teni lin endome.

*Kuracisto:* Sed kion plie vi povas fari? Aŭtune la suno kaj la vento estas egale malutilaj — laŭ la instruo de la medicino.

*Madhav:* Lasu vian medicinon. Prefere konsilu ion alian ol la tenado endome.

*Kuracisto:* Mi ne povas trovi alian, ĉar »En suno kaj vento...

*Madhav:* Kia utilo de via citado! Ĉesigu ĝin — kaj diru al mi, kion mi faru, ĉar via rimedo estas tro severa. Silente li suferas, sed plisuferigi lin per medikamentoj mi ne povas toleri.

*Kuracisto:* Pli da maldolĉajoj — pli da bonajoj. La eminenta saĝulo Ĉavjan diras — »Medikamentoj kaj konsiloj estas bonaj, se ili estas maldolĉaj.« Ĝis revido, Sinjoro. (Kuracisto foriras.)

(Eniras la Avo)

*Madhav:* Jen! La avo venas. Tio ne signifas bonon.

*Avo:* Kial? Kial vi timas min?

*Madhav:* Ĉar vi estas sorĉisto.

*Avo:* Vi ne plu estas knabo, kaj vi ne havas knabon en via hejmo. Kial do vi timas? Kiun mi ensorĉu?

*Madhav:* Sed mi nun havas knabeton en mia domo.

*Avo:* Vere! Kiel?

*Madhav:* Edzino diris adopti — tial mi alprenis lin.

*Avo:* Mi aŭdis tion jam kelkafoje, sed vi estis kontraŭa.

*Madhav:* Vi scias, amiko, laboregante mi riĉiĝis. Nun iu vagulo... Sed tiu ĉi knabo estas tiom aminda...

*Avo:* Jes, jes, mi komprenas. Vi deziras ŝpari por iu.

*Madhav:* Antaŭe mi ŝparis kiel avarulo sed nun mi havas celon — lin, karuleton.

*Avo:* Vere! Sed kie vi trovis lin?

*Madhav:* Li estas samvilaĝano de mia edzino. Li ne rememoras sian patrinon, kaj lia patro mortis antaŭ nelonge.

*Avo:* Aha! Tiam des pli li bezonas min.

*Madhav:* Laŭ la kuracisto li suferas de multaj malsanoj. Kaj la sola rimedo estas gardi lin endome kaj eviti la sunon kaj venton. Ĉar vi allogas infanojn, mi timas vin.

*Avo:* Vere! Mi estas danĝera kiel la aŭtuna suno kaj vento. Sed amiko, mi scias kelkajn ludojn, kiuj retenos lin en la domo. Nun mi finu mian laboron — poste mi amikiĝos kun li. (La avo foriras.)

(Eniras Amal)

*Amal:* Onklo!

*Madhav:* Jes! Amal!

*Amal:* Ĉu mi iru al la korto?

*Madhav:* Ne, karuleto!

*Amal:* Jen estas la loko — tie onklino muelas lenton en la muelilo. Jen! Rigardu la sciuron manĝantan lenterojn per ambaŭ manoj. Kiel ĝi sidiĝas sur sia vosto! Permesu min tien.

*Madhav:* Estas ne eble, karuleto!

*Amal:* Ho! Kiel feliĉa mi estus — se mi estus sciuro. Onklo, kial vi ne permesas al mi eliri?

*Madhav:* La kuracisto diris, ke tio ne estas bona por via sano.

*Amal:* Kiel la kuracisto scias?

*Madhav:* Kion vi diras Amal? La kuracisto ne scias? Li ja legis multajn librojn.

*Amal:* Ĉu oni lernas ĉion, se oni legas librojn?

*Madhav:* Sendube, karuleto!

*Amal* (ekĝemante): Mi neniam legis librojn — tial mi scias nenion.

*Madhav:* Ĉiuj grandaj instruituloj similas vin — ili neniam forlasas la domon.

*Amal:* Ĉu vere!

*Madhav:* Kial ili eliru? Ili vidas ja nenion alian krom librojn. Ankaŭ vi, sinjoro Amal, fariĝos granda klerulo kiam vi elkreskos. Vi sidos kaj legos libregojn — kaj ĉiuj admiros vin.

*Amal:* Ne, ne, onklo! Mi petas vin, mi ne estos klerulo, onklo, mi ne volus esti klerulo.

*Madhav:* Kial do! Se mi estus klerulo, mi dankus mian sorton.

*Amal:* Mi vidos ĉion — Kaj nur vidos.

*Madhav:* Aŭskultu! Kion do vi vidos?

*Amal:* Mi vidas monton tra nia fenestro — mi tre dezirus ĝin surgrimpi!

*Madhav:* Vi scias nur unu — transiri la monton, kvazaŭ nenio alia estus farinda? Kio estas tia babilaĵo! La monto estas alta kiel granda barilo, neniu povas

# ROLANDO ŜILDPORTANTO

— LUDWIG UHLAND —

La reĝo Karl de Frankoland'
ĉe tablo foje sidis.
Ne mankis vino, nek viand',
kaj ĉie oni vidis
la vazojn el purbrila or'
kaj ŝtonojn de diverskolor'
lumeti en la halo.

Parolis Karl al sia rond':
»Ne jam ni ĝoji pravas.
Plej bonan ŝtonon de la mond'
ankoraŭ ni ne havas;
la ŝtonon, brilan sen kompar',
giganto en Arden-arbar'
en sia ŝildo portas.«

Ribardo, episkop' Turpin,
kaj Najms de Bavario,
Milono de Anglant, Garin,
kaj duk' Hajmon post tio
ekstaris kaj per ŝtalkiras'
sin armis vigle por la ĉas'
al tiu grandegulo.

Parolis al Milon Roland:
»Vi, patro, opinias
por aventuro kun gigant'
tro juna min, mi scias;
sed kapabligas min la aĝ',
al vi portadi dum vojaĝ'
la lancon kun la ŝildo.«

La ses kunuloj rajdis jen
al la Arden-arbaro;
sed malkuniĝis post alven'
la ses por propra faro.
La patron sekvis Juna Roland;
li ĝojis esti la portant'
de patraj ŝild' kaj lanco.

Ĉe sun- kaj lunobril' la ses
serĉadis tre kun peno,
sed bedaŭrinde sen sukces',
en tuta la Ardeno.
Je mez' de l' kvara tag' Milon'
en tre sovaĝa region'
ĉe ombra kverk' ekdormis.

Rolando en la malproksim'
lumadon fulman vidis.
Pelataj de terur' kaj tim'
ĉasbestoj forrapidis.
La brilon ĵetis ega ŝild';
ĝin portis — kia monstra bild'! —
sovaĝa grandegulo.

Rolandon kaptis emoci':
»Okazo fidemona!
Ĉu karan patron veku mi
el dormo pleje bona?
Maldormas lia rajdĉeval',
kaj lanco, ŝildo, glav' el ŝtal,'
maldormas Juna Rolando.«

Li tuj fidante al bonŝanc'
sin armis por batalo
per patraj glavo, ŝild' kaj lanc'.
Sur patra la ĉevalo
Roland eksidis, kaj sen bru'
li rajdis tra l' arbaro plu,
la patron ne vekante.

La grandegulo al Roland
ridante laŭtparolas:
»Ja kion tiu malgigant'
sur tia besto volas?
La glav' pli longa ol li mem!
Li mortas preskaŭ sub la prem'
de siaj lanc' kaj ŝildo.«

Rolando kriis: »Al atak'!
Ne moku plu tiele!
La larĝa ŝild' sur mia brak'
min ŝirmu nun fidele.
Malgranda vir' kaj grandĉeval',
mallonga brak' kaj longa ŝtal'
sin helpu reciproke.«

Al li jen batis per la stang'
la grandegul' inside;
Rolando turnis al la flank'
ĉevalon tre rapide
kaj ĵetis sian lancon tuj;
sed de l' mirakla ŝildo, huj!
ĝi al Roland resaltis.

Roland' la glavon sen hezit'
per ambaŭ manoj movis;
la grandegul' pro malrapid'
la sian tuj ne trovis.
Kaj vigle trafis nun Roland
sub ŝild' la manon de l' gigant',
ke man' kaj ŝildo falis.

La monstro sentis kun dolor'
sin tuj senenergia,
kiam la ŝildo flugis for
kun la juvel' magia.
Li kuris post la ŝildo plu;
Roland lin pikis tra l' genu',
ke li falegis teren.

Al li forbatis tuj Roland
la kapon post la falo;
la multa sango de l' gigant'
fluegis al la valo;
kaj el la ŝildo de l' mortint'
Rolando tuj per glavopint'
la brilan ŝtonon rompis.

Sub vest' li kaŝis bone ĝin
kaj lavis sin ĉe fonto;
kaj purlavite je la fin'
malsupren de la monto
returne rajdis Juna Roland
kaj estis baldaŭ ĉe l' dormant'
en ombro de la kverko.

Ĉe flank' de l' patro sub la ter'
por dormi li ekkuŝis.
Leviĝis fine je vesper'
Milon' kaj lin ekpuŝis:
»Hola, vekiĝu do, infan',
kaj ŝildon, lancon tuj al man',
ni serĉu la giganton!«

Milon', la grafo de Anglant,
tra region' sovaĝa
rapidis kun la ŝildportant'
Rolando, la junaĝa.
Pasante ĉe l' batalolok'
ekvidis ili apud rok'
giganton en la sango.

Rimarkis kun tre granda mir'
la juna Anglantano,
ke mankas de l' giganta vir'
la kap', maldekstra mano,
kaj glavo, ŝild', kiras' kaj stang';
nur kuŝis en la ruĝa sang'
la trunko kun la membroj.

La trunkon rigardumis jen
Milono de Anglanto:
»Ĉu nun necesas plua pen'?
Jen estas la giganto.
Pro mia dorm' perditaj for
ja estas venko kaj honor'
do ĉiam mi malĝojos.«

Dum tio reĝo Karl sen ĉes'
al malproksim' rigardas:
»Ĉu la herooj miaj ses
ankoraŭ bone fartas?
Sed jen la duk' Hajmon', je Di'!
Sur lanc' li portas tien ĉi
la kapon de l' giganto.«

La duk' Hajmon sen bonhumor'
kaj tute sen fiero
kuŝigis antaŭ la sinjor'
la kapon sur la tero:
»Mi trovis tion apud rok'
kaj kvindek paŝojn for de l' lok'
giganta trunko kuŝis.«

Alportis episkop' Turpin'
la manon de l' giganto.
Li tiris antaŭ Karlo ĝin
ridante el la ganto:
»Relikvon, belan sen kompar',
mi portas el la abiar',
ĝin trovis preparita.«

La duko Najms de Bavari'
kun ega stango venis:
»Rigardu, vidu, kion mi
el la arbaro trenis.
Mi ŝvitas multe, estas ver';
haj! bona gluto da bier'
bavara min freŝigu!«

ĝin surgrimpi. Alie kia bezono estus krei la monton per kolektado de stonegoj?

*Amal:* Onklo! Ĉu vi kredas, ke la monto malpermesas? Al mi ŝajnas, ke la tero ne povas paroli — tial ĝi vokas ĉiujn, levante siajn manojn — la montarojn, en la blua ĉielo. Nur tiuj, kiuj loĝas malproksime, aŭdas tiun vokon tagmeze — kiam oni sidas ĉe la fenestro. Sed la instruituloj — ĉu ili aŭdas la vokon?

*Madhav:* Ili ne estas frenezuloj kiel vi — kaj ili ne deziras ĝin aŭdi.

*Amal:* Frenezulo! Mi vidis unu hieraŭ.

*Madhav:* Ĉu vere!

*Amal:* Jes! Kaj li havis bambuan bastonon sur la ŝultro. Sur la fino de la bastono pendis saketo — en la maldekstra mano li portis kruĉeton. Sur liaj piedoj estis malnova sandalo. Li marŝis sur la kampa vojo en la direkto al la monto. Mi alkriis lin kaj demandis, »kien vi iras?« Mi ne scias — estis lia respondo — mi iras ien ajn. Mi redemandis — kial vi iras? Li diris — serĉi mian sorton. Diru al mi, onklo, ĉu ĉiuj homoj serĉas okupaĵon?

*Madhav:* Jes! Tre multaj homoj serĉas fari ion.

*Amal:* Tre bone! Ankaŭ mi dezirus esti okupita.

*Madhav:* Sed ĉu vi ne trovas?

*Amal:* Mi serĉos, ĝis mi trovos. Poste mi sekvos laŭ la vojo de la migrulo kun malnovaj sandaloj, kiun mi vidis, starante apud la pordo, marŝantan al la fluanta fonto, sub la figarbo, kie li faligis sian bastonon kaj lavis siajn piedojn en la akvo: poste li malfermis sian saketon kaj elprenis pizfarunon — miksis ĝin kun akvo kaj manĝinte li metis la saketon sur la ŝultron. Poste, levante siajn tukbaskojn super la kruroјn, li travadis la akvon. Mi jam diris al onklino, ke mi iam manĝos pizfarunon apud la fonto.

*Madhav:* Kion la onklino diris?

*Amal:* Onklino diris, kiam mi resaniĝos, ni iros al la fonto kaj tie mi manĝos pizfarunon. Onklo, kiam mi resaniĝos?

*Madhav:* Ne timu karuleto, vi baldaŭ resaniĝos.

*Amal:* Baldaŭ! Ho! Tiam mi foriros!

*Madhav:* Kien vi iros?

*Amal:* Tiam mi trapasos multajn riveretojn kaj travados akvon. Tagmeze, kiam ĉiuj dormos ŝlosinte siajn pordojn — tiam mi iros tre-tre malproksimen por serĉi mian sorton.

*Madhav:* Bone, karuleto! Antaŭe resaniĝu, poste vi..

*Amal:* Poste, Ho, Onklo! Ne ordonu al mi fariĝi klerulo.

*Madhav:* Tiam, kion vi faros?

*Amal:* Nun mi ne scias — lasu min pripensi.

*Madhav:* Sed ne parolu kun fremduloj.

*Amal:* Sed mi treege amas fremdulojn, onklo!

*Madhav:* Ĉu vi ne timas, ke ili forkondukos vin?

*Amal:* Ho! Mi tre ŝatus tion — neniu forkaptos min — sed ĉiu kaj ĉiam sidigas min.

*Madhav:* Nun mi iros labori — mi petas vin, karuleto, ne foriru.

*Amal:* Kial mi irus? Mi sidos tie ĉi en la fenestro, rigardante la vojon. (Madhav foriras)

## Akto II.

*Kazeisto:* Kazeo — kazeo — bona kazeo.

*Amal:* Ho, vendisto aŭskultu!

*Kazeisto:* Kion vi volas? Vi ja ne aĉetos.

*Amal:* Kiel mi aĉetu? Mi ja ne havas monon.

*Kazeisto:* Kia bubo vi estas? Se vi ne povas aĉeti, kial do vi ĝenas min?

*Amal:* Mi dezirus foriri kun vi — se mi povus.

*Kazeisto:* Kun mi?

*Amal:* Jes! Mi envias vin, ĉar vi iras malproksimen, vendante kazeon.

*Kazeisto* (demetas la korbon): Kial vi sidadas ĉi tie, mia knabo?

*Amal:* La kuracisto malpermesis al mi eliri — tial mi pasigas la tagojn endome.

*Kazeisto:* Aha! Kio estas la kaŭzo?

*Amal:* Ĉu mi scias? Mi neniam legis librojn. De kie vi venas, kazeisto?

*Kazeisto:* De nia vilaĝo.

*Amal:* Via vilaĝo? Ĉu ĝi estas malproksime?

*Kazeisto:* Nia vilaĝo kuŝas ĉe la monto Panĉmura sur la bordoj de la rivero Ŝamli.

*Amal:* Panĉmura monto — rivero Ŝamli — mi neniam aŭdis pri ili — sed ŝajnas al mi, ke mi vidis vian vilaĝon — sed ne rememoras.

*Kazeisto:* Ĉu vi vidis? Ĉu vi jam estis apud la monto?

*Amal:* Ne, neniam. Sed ŝajnas al mi, ke mi vidis vian vilaĝon — kiu kuŝas inter la tre grandaj maljunaj arboj — apud la ruĝa vojo — ĉu ne?

*Kazeisto:* Jes, vere!

*Amal:* Kaj tie la bovinoj paŝtiĝas sur la monto...

*Kazeisto:* Precize! Vi mirigas min. En nia vilaĝo bovinoj sin paŝtas — jes vere sin paŝtas.

*Amal:* Kaj tie knabinoj vestitaj en ruĝaj *sari* portas de la rivero kruĉojn da akvo.

*Kazeisto:* Kompreneble! La knabinoj de la laktistoj de nia vilaĝo iras al la rivero por alporti akvon — sed mi ne povas diri, ke ĉiuj vestas sin en ruĝa

---

Piede graf' Rikardo jen
revenis de la ĉaso;
alportis la ĉeval' kun pen'
glavegon kun kiraso:
»Vi trovos sen tro multa streĉ'
armilopecojn pliajn eĉ,
serĉante en l' arbaro.«

Garino antaŭ la kastel'
ŝildegon svingis lerte.
»La ŝildon kun la ŝtonjuvel'
Garin alportas certe.« —
»La ŝildon havas mi, sed ne
la ŝtonjuvelon, ĉar, ho ve!
ĝi estis elrompita.«

Milono sin de la vojaĝ'
al la kastel' direktis.
Klinita estis la vizaĝ',
malgaje ĝi aspektis.
Roland' lin sekvis sur la voj',
portante kun tre kora ĝoj'
la lancon kaj la ŝildon.

Sed antaŭ ol ĉi tiuj du
atingis la kastelon,
el patra ŝild' Roland' sen bru'
forigis la juvelon;
anstataŭ ĝi la ŝtonon nun,
miraklobrilan kiel sun',
li metis en la ŝildon.

Kaj kiam brilis tiu ŝton',
la hela kaj lumanta,
la reĝo kriis al Milon:
»Saluton, graf' Anglanta!
La monstran grandegulon do
mortigis tiu ĉi hero',
la ŝtonon li akiris.«

Returnis sin la Anglantan',
la bril' lin tre imponis:
»Ja kiu, diru tuj, infan',
al vi ĉi tion donis?« —
»Pardonu, patro, min, je Di',
ke la krudulon batis mi
je morto, dum vi dormis.«

El la germana: *D-ro Hans Ellinger*

*sari.* Mi pensas, knabeto, ke vi jam estis en nia vilaĝo.

*Amal:* Vere, kazeisto, mi neniam vidis vian vilaĝon. Kiam la kuracisto permesos al mi, ĉu vi kondukos min tien?

*Kazeisto:* Certe! Mi kunprenos vin.

*Amal:* Bonvolu instrui min vendi kazeon. Mi ŝatus porti kazeon sur mia ŝultro kaj iri tra longa — malproksima vojo.

*Kazeisto:* Hontu! Kial vi vendus kazeon, karuleto? Vi ja devas legi librojn, por ke vi kleriĝu.

*Amal:* Ne, ne, mi ne deziras esti klerulo. Mi prenos kazeon de via laktejo sub la maljuna banjanarbo apud la ruĝa vojo de via vilaĝo kaj vendados ĝin en malproksimaj vilaĝoj — same kiel vi faras. Kazeo — kazeo — bona kazeo! Instruu al mi la melodion de via kanto!

*Kazeisto:* Ĉu vi pensas, ke eĉ tion oni devas lerni!

*Amal:* Jes, jes. Mi tre deziras ĝin aŭdi — ŝajnas, ke via kanto similas la pepadon de la birdoj en la blua ĉielo. Kiam mi aŭdis de la krucvojo vian voĉon — tra la arboj — mi sentis ion novan nekonatan.

*Kazeisto:* He! Knabeto, prenu iom da kazeo.

*Amal:* Sed mi ne havas monon.

*Kazeisto:* Ne, ne, ne necesas. Se vi provus iom — mi ĝojus tre multe.

*Amal:* Ĉu mi retenis vin?

*Kazeisto:* Ne, karuleto. Mi nenion perdis. Mi ekkonis de vi la ĝojon esti kazeo-vendisto. (foriras)

*Amal* (Kantante): Kazeo — kazeo — bona kazeo! Kazeo de la laktejo apud la rivero Ŝamli ĉe la monto Panĉmura. Oni melkas bovinojn matene sub la arboj kaj vespere knabinoj fermentas la lakton — tia kazeo. — Kazeo — kazeo — bona kazeo! Jen! La gardisto promenas. — Gardisto — gardisto — ĉu vi aŭdas min, gardisto?

*Gardisto:* Kial vi vokas min tiamaniere? Ĉu vi ne timas min?

*Amal:* Kial? Kial mi timu vin?

*Gardisto:* Se mi forkondukos vin?

*Amal:* Kien vi kondukos min? Ĉu tre malproksimen trans la montaron?

*Gardisto:* Se mi kondukos vin antaŭ la Reĝon?

*Amal:* Ĉe la Reĝo! Konduku min tie. Sed la kuracisto malpermesis al mi eliri. Neniu povas min kapti — mi devas sidi tie ĉi la tutan tagon.

*Gardisto:* Ĉu la kuracisto malpermesis? Aha! Nun mi komprenas, pro kio via vizaĝo estas pala kaj ĉirkaŭ la okuloj estas mallumo — kaj sur viaj manoj eĉ vejnoj estas videblaj.

*Amal:* Ĉu vi ne sonorigas, gardisto?

*Gardisto:* Ne estas ankoraŭ tempo.

*Amal:* Kial? Se vi sonorigos, la tempo venos — alie neniu scios, ĉu estas frue aŭ malfrue.

*Gardisto:* Kiel mi sonorigu? Ne estas ankoraŭ la ĝusta tempo.

*Amal:* Mi tre amas vian sonorilon — mi tre amus ĝin aŭdi. Tagmeze, kiam ĉiuj estas manĝintaj — kiam onklo foriras al la laboro, kaj onklino ekdormas legante Ramajana — nia hundeto dormas en la angulo de la korto en la ombro — tiam vi eksonorigas — ding — dong — dong! Kial via sonorilo eksonas tiam?

*Gardisto:* Mi sonorigas por rememorigi la popolon, ke la tempo atendas neniun — ĝi pasas konstante.

*Amal:* Kien ĝi malaperas? Ĉu en iun landon?

*Gardisto:* Kiu scias?

*Amal:* Mi pensas ke neniu vidis tiun landon. Sed mi deziregus forpasi kun la tempo tien — kie neniu iam estis.

*Gardisto:* Ĉiu el ni foriros tien, mia karuleto!

*Amal:* Ĉu ankaŭ mi?

*Gardisto:* Certe! Ankaŭ vi.

*Amal:* Sed ĉu la kuracisto permesos al mi?

*Gardisto:* Povas esti — ke li eĉ kondukos vin mane tien.

*Amal:* Ne, ne, vi eraras — li ĉiam nur detenas min.

*Gardisto:* Sed venos pli granda kuracisto — kiu liberigas ĉiujn.

*Amal:* Kiam tiu pli bona kuracisto venos? Mi ne plu povas suferi endome.

*Gardisto:* Vi ne devas tiel paroli, mia knabo.

*Amal:* Vere! Sed mi eĉ ne moviĝis; kie oni min lasis — tie mi estas. Sed via sonorilo — ĝi forlogas mian koron. Diru al mi, gardisto...

*Gardisto:* Kion, karuleto?

*Amal:* Diru al mi, kio estas tie en la domego trans la vojo — kie multaj koloraj flagoj flirtas kaj popolo eniras kaj foriras.

*Gardisto:* Ho, tie! Tie estas nia nova poŝtoficejo.

*Amal:* Poŝtoficejo! Kies?

*Gardisto:* Kies? Kompreneble de la Reĝo. (Flanke) Li amuzas min.

*Amal:* Ĉu ankaŭ la leteroj de la Reĝo alvenos en tiu ĉi poŝtejo?

*Gardisto:* Certe, eble ankaŭ vi iam ricevos leteron de la Reĝo.

*Amal:* Mi! Vi diras, mi? Sed mi estas nur knabo?

*Gardisto:* Jes, jes, la Reĝo ĉiam skribas leteretojn al la knaboj.

*Amal:* Ĉarmege! Diru, kiam mi ricevos la leteron? Kiel vi scias, ke li skribos al mi?

*Gardisto:* Alie, kial estus necese konstrui la poŝtejon antaŭ via fenestro, kun la flirtanta ora flago? (Flanke) Certe, li plaĉas al mi.

*Amal:* Sed kiam la letero alvenos, kiu alportos ĝin al mi?

*Gardisto:* Ne maltrankviliĝu, la Reĝo havas multe da leterportistoj. Mi pensas, ke vi jam vidis la virojn rapidantajn kun la ruĝaj galonoj kaj orskribitaj insignoj sur la brusto.

*Amal:* Nu! Kien do ili rapidas?

*Gardisto:* De domo al domo — de unu vilaĝo al alia. (Flanke) Tio estas tre ridinda.

*Amal:* Ho! Se mi povus esti poŝtisto! Eble kiam mi kreskos.

*Gardisto:* Ha, ha, ha! Vi, poŝtisto! Ĉu vi scias, ke oni laboras ĉiam — ĉu suno brilas, ĉu pluvo torenta falas — egale: al riĉaj aŭ malriĉaj, al iaj ajn dometoj, oni devas disdoni leterojn. Jes! Tio estas vere plezura laboro!

*Amal:* Kial do vi ridas? Mi tre amus iliajn taskojn. Ne, ne, ankaŭ via laboro estas tre agrabla — tagmeze via sonorilo eksonas — ding — dong — dong, iam meznokte mi vekiĝas — la lampo ne plu brulas, sed mi povas klare aŭdi tra la mallumo, la sonon de via sonorilo — ding — dong — dong.

*Gardisto:* Jen! La vilaĝestro venas. Mi foriru — se li ekvidos min babili kun vi — li insultos min.

*Amal:* Kie li estas?

*Gardisto:* Tie malproksime, kun la granda ombrelo.

*Amal:* Ĉu la Reĝo nomis lin vilaĝestro?

*Gardisto:* Ne, ne, li mem estiĝis vilaĝestro. Kiu ne obeas lin — tiun li ĉiuokaze turmentas — tial lin ĉiu timas. Lia sola okupo estas malplezurigi aliajn.

Ĝis revido — mia devo min vokas. Mi venos morgaŭ matene kaj alportos de la urbo novaĵojn.

*Amal:* Kiel bonege estus — se mi ricevus de la Reĝo ĉiutage leterojn. Mi legus ilin ĉi tie ĉe la fenestro. Sed — sed — mi ne scias legi — kiu do ilin legos al mi? La onklino ĉiam legas Ramajana, sed mi dubas, ĉu ŝi povas legi la skribon de la Reĝo. Se neniu povas legi, mi kolektos ilin kun granda zorgemo en kesto — kaj mi legos ilin, kiam mi elkreskos. Sed povas esti, ke la poŝtisto ne scias, kie mi loĝas. Aŭskultu! (He, sinjoro Vilaĝestro! Mi deziras paroli nur unu vorton.

*Vilaĝestro:* Kiu estas? Kiu kuraĝas voki min sur la strato? Ah! Estas vi, malbenita simio!

*Amal:* Jes! Vi estas vilaĝestro. Sed ĉu vin ĉiu obeas?

*Vilaĝestro* (flatata): Jes, jes, ĉiu min obeas — oni devas min obei.

*Amal:* Ĉu ankaŭ la poŝtistoj de la Reĝo!

*Vilaĝestro:* Alie ili rememorus min!

*Amal:* Bonvolu diri al la poŝtistoj, ke mia nomo estas Amal, kaj mi ĉiam sidas ĉe la fenestro.

*Vilaĝestro:* Kial do mi diru?

*Amal:* Se okaze letero venos por mi...

*Vilaĝestro:* Letero por vi? Kiu ja skribus al vi?

*Amal:* Supozeble la Reĝo...

*Vilaĝestro:* Ha, ha, ha! Kia stranga knabo vi estas. Ha, ha, ha! La Reĝo — vere — ĉu vi estas lia bonega amiko? Rapidu! La Reĝo enuas sen vi. Mi certigas vin, ke vi ne devas atendi longe.

*Amal:* Ĉu vi min malŝatas?

*Vilaĝestro:* Aŭskultu! Mi malŝatas! Kiel mi kuraĝu malŝati? Vi korespondadas kun la Reĝo! Nun kiam Madhav riĉiĝis — ili parolas nur pri reĝoj kaj nobeloj. Atentu! Mi lin baldaŭ dresos. Jes, knabaĉo! Mi aranĝos la aferon pri la letero de la Reĝo.

*Amal:* Ne, bonvolu ne.

*Vilaĝestro:* Kial do! Mi informos la Reĝon pri vi — tiam li ne plu atendos — kaj tuj sendos gardiston kun la novaĵo. Tio estas vere tro multe! Se la Reĝo ekscios, la afero estos serioza. (Foriras.)

*Amal:* Kiu tie promenas — mi aŭdas la sonoron de viaj pied-braceletoj. Bonvolu veni ĉi tien — mi petas.

*Knabino:* Mi ne povas — estas tro malfrue.

*Amal:* Vi ne havas tempon — sed kial mi sidu ĉi tie?

*Knabino:* Vi similas al la stelo de l' mateno. Kio al vi doloras?

*Amal:* Mi ne scias — nur la kuracisto ne permesas al mi eliri.

*Knabino:* Oh! Tiuokaze ne eliru — vi devas obei la kuraciston. Kondutu bone — se ne — oni vin riproĉos. Konstante vi vidas la eksteron — tio estas la kaŭzo de via maltrankvilo — mi fermos la duonon de la pordo.

*Amal:* Ne, ne, bonvolu ne fermi — ĉio jam estas fermita krom la pordo. Diru al mi, kiu vi estas — mi vin ne konas?

*Knabino:* Mi estas Ŝudha.

*Amal:* Ŝudha?

*Ŝudha:* Ĉu vi ne scias — mi estas la filino de la floristino de tiu ĉi loko.

*Amal:* Floristino! Kion vi faras?

*Ŝudha:* Mi kolektas florojn en korbojn, kaj poste mi plektas florkronojn.

*Amal:* Oh! Ĉu vi iras kolekti florojn? Pro tio sonoras tiel gaje viaj pied-braceletoj sur la dancantaj piedoj. Ho! Se mi povus vin akompani — mi kolektus por vi florojn de tie — kien vi ne povas atingi.



Christian Kruse *Pejzaĝo kun ŝafoj* (paŝtela desegno)

*Ŝudha:* Vere! Ĉu vi konas la florojn plibone ol mi?

*Amal:* Certe! Mi konas plibone. Mi konas la Sep Ĉampa-Fratojn. Se oni permesus al mi penetri densan senvojan arbaron — kie sur la branĉeto de la arbo-pintoj luliĝas la Monia-birdeto — tie mi dezirus flori. Mi estos Ĉampa-floro — ĉu vi estus mia fratino Parul?

*Ŝudha:* Tro saĝa vi estas. Kiel mi iĝu Parul? Mi estas nur Ŝudha — filino de floristino Ŝaŝi. Ĉiutage mi devas plekti multe da girlandoj. Se mi povus sidi kiel vi — estus feliĉo.

*Amal:* Kion do vi farus tiuokaze?

*Ŝudha:* Mi povus edzinigi mian pupon kaj alportus mian katidon. Jam estas tre malfrue — mi devas iri — alie mi ne plu trovos florojn.

*Amal:* Mi tre ŝatas vin — kaj mi petas — kiam vi havas tempon paroli kun mi?

*Ŝudha:* Tre bone! Kondutu bone kaj kiam mi revenos kun la kolektitaj floroj, ni interparolos.

*Amal:* Ĉu vi portos al mi ankaŭ floron?

*Ŝudha:* Kiel mi povus doni floron senpage? Vi devas ĝin pagi.

*Amal:* Kiam mi elkreskos, mi pagos. Tiam mi travados riveretojn irante malproksime por serĉi laboron — nur tiam mi povos pagi.

*Ŝudha:* Bone, mi konsentas.

*Amal:* Ĉu vi revenos post la kolektado de floroj?

*Ŝudha:* Jes, mi revenos.

*Amal:* Ĉu vere!

*Ŝudha:* Certe!

*Amal:* Ne forgesu min. Mia nomo estas Amal. Ĉu vi rememoras?

*Ŝudha:* Mi ne forgesos vin.

(Infanoj eniras.)

*Amal:* Ho! Amikoj, kien vi iras? Haltu por momento!

*Knabo:* Ni iras ludi.

*Amal:* Kion vi ludas?

*Knabo:* Ni ludas plugistojn.

*Alia knabo* (montrante bastonon): Tio ĉi estas nia plugilo.

*Alia knabo:* Kaj ni estas paro de bovoj.

*Amal:* Ĉu vi ludos dum la tuta tago?

*Knabo:* Jes, la tutan tagon.

*Amal:* Ĉu vi revenos vespere laŭ la vojo de la rivero?

*Knabo:* Jes!

*Amal:* Mi petas vin, revenu laŭ la sama vojo.

*Knaboj:* Venu! Kunludu!

*Amal:* Sed la kuracisto ne permesas.

*Knaboj:* Lasu vian kuraciston! Venu kun ni — alie ni malfruas.

*Amal:* Ne foriru! Ludu ĉi tie sur la vojo — mi tre amus vidi vin.

*Knabo:* Kion ni ludus ĉi tie?

*Amal:* Mi havas multe da ludiloj. Jen! Prenu ilin. Mi ne amas ludi sola. Ili senutile perdiĝas.

*Knaboj:* Kia ĝojo! Belegaj ludiloj! Rigardu — tiu ĉi estas ŝipo — kaj tio estas la maljuna patrino Ĝatai — kaj tiu ĉi estas grandioza militisto. Ĉu vi donacas ilin al ni? Ĉu vi ne domaĝas?

*Amal:* Ne, ne, mi ne bezonas ilin. Prenu ĉiujn.

*Knabo:* Ĉu vi ne deziros, ke ni redonu ilin?

*Amal:* Oh, ne! Mi ne deziros.

*Knabo:* Ĉu oni ne riproĉos vin pro tio?

*Amal:* Kiu riproĉus? Sed ĉu vi ludos per ili ĉiumatene antaŭ nia pordo? Mi provizos vin per novaj ludiloj, kiam ĉi tiuj eluziĝos.

*Knabo:* Oh, jes! Ni ludos. Ho, amiko! Aranĝu la soldatojn en la kolono. Ni ludos militon. Sed kie estas la pafiloj? Oh! Jen estas la kaneto — ĝi estos la pafilo. Sed vi jam dormetas, amiko!

*Amal:* Jes, mi estas dormema. Mi sidis tre longe. Mi estas laca — kaj mia dorso doloras.

*Knabo:* Apenaŭ estas tagmezo — kaj vi estas dormema? Aŭskultu! La sonorilo eksonas unu.

*Amal:* Jes! Ding-dong-dong — ĝi min lulas.

*Knaboj:* Do ni foriru — ni venos morgaŭ matene.

*Amal:* Mi volas demandi ion, antaŭ ol vi foriras. Ĉiam vi restadas ekstere — ĉu vi konas la leterportistojn de la Reĝo?

*Knaboj:* Jes, certe!

*Amal:* Kiuj ili estas? Diru al mi iliajn nomojn.

*Knabo:* Unu estas Badal.

*Alia knabo:* Alia estas Sarat.

*Alia knabo:* Estas multaj.

*Amal:* Ĉu vi pensas, ke oni povas min trovi, se okaze letero estas por mi.

*Knabo:* Certe! Se via nomo estas skribita sur la letero, ili certe vin trovos.

*Amal:* Kiam vi venos morgaŭ matene — alkonduku unu el la poŝtistoj, por ke li sciu, kie mi loĝas.

*Knaboj:* Certe, laŭ via deziro.

*(Kurteno.)*

## AKTO III.

*(Amal sur la lito.)*

*Amal:* Ĉu mi povas iri al la fenestro, onklo? Ĉu la kuracisto min ne riproĉos?

*Madhav:* Jes, karuleto! Nun vi komprenas, ke la sidado ĉe la fenestro vin malsanigis.

*Amal:* Ne, ne, mi ne scias tion. Mi nur sentas min multe pli bone, kiam mi sidas tie.

*Madhav:* Ne! Sidante tie, vi babilas kun ĉiuj popoloj junaj kaj maljunaj; farante kvazaŭ foiron. Vidu, via vizaĝo hodiaŭ estas pli pala.

*Amal:* Onklo! Mi timas, ke la fakiro preterpasos, se mi ne estos ĉe la fenestro.

*Madhav:* Fakiro! Kiu li estas?

*Amal:* Li ĉiutage vizitas min kaj rakontas pri multaj landoj, kiujn li travagis.

*Madhav:* Mi ne scias, kiu estas tiu fakiro.

*Amal:* Jam estas la kutima tempo, kiam li vizitas min ĉiutage. Mi petas, onklo, invitu lin ĉi tien nur unufoje.

(Avo eniras fakire maskita.)

*Amal:* Jen estas la fakiro! Venu ĉi tien al mia lito.

*Madhav:* Kiu vi estas? Sed — sed — tiu, ŝajnas, estas...

*Avo* (farante signon): Mi estas fakiro.

*Madhav:* Mi miras — kio vi ne estas ankoraŭ!

*Amal:* Kie vi estis, fakiro?

*Fakiro:* En la Papag-Insulo — mi ĵus revenis de tie.

*Amal:* De la Insulo de l'Papagoj?

*Fakiro:* Kial vi miras? Mi ja ne estas vi. La vojaĝo al mi neniom kostas. Mi iras, kie al mi plaĉas.

*Amal* (klakante): Ĉarmege! Kia feliĉulo vi estas! Ĉu vi memoras — vi promesis min kunpreni, kiam mi resaniĝos.

*Fakiro:* Jes! Mi rememoras bone. Mi instruos al vi sekretojn de la vaguloj — neniu vin haltigos — nek montaro — nek arbaro — nek maro.

*Madhav:* Kial vi babilas tiajn malsaĝaĵojn?

*Avo:* Amal, mia karuleto! Nek montoj — nek maroj min timigas, sed se via onklo kaj la kuracisto unuiĝas — kontraŭ ilia decido — mia magio estos senpova.

*Amal:* Mi petas vin, onklo! Ne diru tion al la kuracisto — mi promesas kuŝi senmove — sed kiam alvenos la tago de mia resaniĝo — tiam mi foriros laŭ la instruo de la fakiro — kaj neniu min haltigos — nek torento — nek maro — nek montaro.

*Madhav:* Fi! Karulo, vi ĉiam parolas pri foriro — foriro — tio al mi doloras.

*Amal:* Diru al mi, fakiro, kia estas la Insulo de l' Papagoj?

*Avo:* Ĝi estas lando de mirindaĵoj. Tie loĝas nur birdoj — eĉ unu homo ne estas tie. Ili nek parolas nek promenas — ili sole kantas kaj flugas.

*Amal:* Kiel mirinde! Kaj la lando estas en la maro?

*Avo:* Certe! Ĝi estas meze de la maro.

*Amal:* Ĉu la montaro tie estas blua?

*Avo:* Certe! La birdoj loĝas en la arbaro de la bluaj montoj. Ĉe la sunsubiro — kiam ĉiuj reflugas al siaj nestoj — la ruĝa ĉielo kaj la blua montaro pleniĝas de verdaj flugiloj.

*Amal:* Ĉu ankaŭ fonto ekzistas tie?

*Avo:* Kial do ne! Ne estas monto sen fonto. La akvo de la fontoj similas fanditan diamanton. Oh! Kiel la fonto dancas! Tintigante ŝtonetojn, la fonto fluas al la maro kaj eĉ via diabla kuracisto ne povus ĝin ŝtopi. Se la birdaro ne estus min bojkotinta, kiel senflugilan homon, mi estus konstruinta dometon inter miloj da bird-nestoj ĉe la fonto kaj mi pasigus la restaĵon de miaj tagoj kalkulante la ondojn de l' maro.

*Amal:* Ho! Se mi estus birdo...

*Avo:* Kia komedio! Mi aŭdis, ke vi promesis al la kazeisto, ke vi vendos kazeon, kiam vi elkreskos. Mi timas, ke via komerco de kazeo inter la birdaro ne prosperos. Eble estos nur malgajno.

*Madhav:* Tio estas tro multe! Vi ankaŭ min frenezigas. Plibone mi foriru.

*Amal:* Onklo! Ĉu la kazeisto min vizitis?

*Madhav:* Certe li foriris. Ĉu vi pensas, ke li sin vivtenos babilante kun via favorata fakiro, inter la nestoj de la birdaro en la Insulo de l' Papagoj? Li lasis por vi poton da kazeo kaj diris al mi, ke li ne havas tempon, ĉar lia nevino edziniĝos. Li devis iri al Kamlipara por lui muzikistaron.

*Amal:* Kion vi diras? Li diris, ke li edzinigos ŝin al mi...

*Avo:* Tio devas esti eraro...

*Amal:* Li diris, ke ŝi estos mia bela edzino — ŝi havas ringon en sia nazo kaj ŝi vestas sin en ĉarma ruĝa *sari*. Matene ŝi mem melkos la nigran bovinon por trinkigi min per la varma kaj ŝaŭma lakto. Vespere ŝi eklumigos la laktejon per lampo kaj poste ŝi rakontos al mi pri la Sep Ĉampa-Fratoj.

*Avo:* Tio estas ĉarmege alloga! Eĉ mi — la fakiro, ne povas kontraŭstari la tentadon. Sed ne timu, karuleto! Kiam vi bezonos, li ĉiam havos nevinon.

*Madhav:* Je diabloj! Mi ne plu povas toleri. (Foriras.)

*Amal:* Fakiro! La onklo foriris — nun diru al mi — ĉu oni jam ricevis en la poŝt-oficejo la leteron de la Reĝo?

*Avo:* Mi aŭdis, ke la Reĝo jam sendis la leteron — sed la letero estas sur la vojo.

*Amal:* Vojo? Kia vojo? Ĉu estas la sama vojo, kiun mi vidas tra la densega arbaro — treege malproksime, kiam la pluvo ĉesas?

*Avo:* Ŝajnas al mi, ke vi konas ĉion. Estas la sama vojo.

*Amal:* Jes! Mi konas ĉion.

*Avo:* Tion mi komprenas — sed kiel vi povas ĉion scii?

*Amal:* Mi mem ne scias — sed tio estas tre klara al mi. Ŝajnas al mi, ke mi vidis ĉion multfoje — antaŭ longe — sed mi ne rememoras la tempon. Ĉu mi diru? Mi vidis la solan leterportiston de la Reĝo — kiu surgrimpas la montaron — en sia maldekstra mano li tenas la lampon kaj sur la ŝultro estas leterujo. Li bezonis multajn tagnoktojn trapasi la montojn — ĉe la fino de la akvofalo apud la monto — tie li marŝas senĉese sur la kurba vojo je la flanko de la rivero. Apud la rivero estas kamparo de maizo — poste oni trovas kampojn de la suker-kanoj — kaj



Christian Kruse

*Landvojo inter arbustoj*

tie — tra la mallarĝa vojeto — li marŝas ĉium la tagoj kaj la noktoj. La grilo ĉirpas en la kampo — eĉ unu homo ne estas apud la rivero — krom galingo svinganta sian voston. Mi scias ĉion — kaj mia koro ĝojiĝas, kiam mi vidas lin alveni proksimen.

*Avo:* Miaj okuloj estas jam ne plu junaj — sed mi povas vidi ĉion tra viaj okuloj.

*Amal:* Diru al mi, fakiro, ĉu vi konas la Reĝon, al kiu apartenas nia poŝtejo?

*Avo:* Certe! Mi vizitas lin preskaŭ ĉiutage por mia almozo.

*Amal:* Ankaŭ mi iros kun vi ĉiutage peti almozon, kiam mi resaniĝos. Ĉu, jes!

*Avo:* Vi ne bezonas peti karuleto — li donos al vi ĉion sen peto.

*Amal:* Ne, ne! Mi iros al lia pordego kaj ekkrios: »Venkon al vi, ho Reĝo!« Kaj mi dancos ĉe la sonoj de la cimbalo. Ĉu tio ne estos bona?

*Avo:* Bonega! Kaj se mi iros kun vi, mi havos sufiĉan almozon. Sed kion vi petos?

*Amal:* Mi petos de li, ke li faru min leterportisto — tiam mi povos disdoni liajn leterojn de domo al domo. Ĉu vi scias, fakiro, oni diris al mi, ke li instruos min peti almozon, kie ajn mi deziras, kiam mi resaniĝos?

*Avo:* Kiu li estas?

*Amal:* Ĉidam.

*Avo:* Kiu Ĉidam?

*Amal:* Tiu blinda kaj lama homo. Li venas al mia fenestro ĉiutage. Knabo simila al mi veturigas lin en puŝveturileto. Mi diris al li, ke mi puŝos lian veturileton, kiam mi resaniĝos.

*Avo:* Kaj vi estos feliĉa — mi kredas.

*Amal:* Estas li, kiu al mi diris, ke li instruos min peti almozon. Mi petis onklon doni al li almozon — sed onklo diris, ke li estas nek blinda — nek lama — sed trompulo. Nu bone! Estu li trompulo — sed ĉu ne estas vero — ke li ne povas vidi?

*Avo:* Certe, certe! Estas vero, ke li ne povas vidi — ĉu vi nomas lin blindulo aŭ ne. Se li ne povas ricevi almozon, kial do li sidas kun vi?

*Amal:* Mi parolas al li pri ĉio. Kompatinda mizerulo! Li ne povas vidi. Mi parolas al li pri ĉiuj landoj, pri kiuj vi parolas al mi. Unufoje vi diris al mi rakonton pri la lando, kie nenio havas pezon — tie oni povas transflugi la monton per salteto. Li ŝatis la rakonton treege. Diru al mi, fakiro, kie estas tiu lando?

*Avo:* Eble vi povas trovi la vojon, en via imago — sed tio estas tre malfacila.

*Amal:* Mi dubas — ĉu li povas vidi la landon, ĉar li estas blinda. Li povas nur peti almozon. Li bedaŭris tion — tiam mi diris al li, ke almozpetante li povas vagi al multaj lokoj — ĉar ne ĉiu povas vagadi.

*Avo:* Kial vi tion bedaŭras — kial estas malbone restadi hejme?

*Amal:* Ne, ne! Mi ne bedaŭras. Komence, kiam oni detenis min endome — ŝajnis al mi, ke la tago ne havas finon. De kiam mi vidis la Poŝtejon de la Reĝo — mi estas ĝoja. Mi amas sidi en tiu ĉi ĉambro — kaj mi povas resti silente kaj atendi ĝoje, ĝis la letero de la Reĝo venos. Sed mi ne scias, kion la Reĝo skribos.

*Avo:* Ne estas necese — estas sufiĉe, ke via nomo estos skribita.

*Madhav* (eniras): Ho! Ĉu vi scias — kiom da ĝeno vi ambaŭ kaŭzis al mi?

*Avo:* Kio estas la afero?



Christian Kruse *Frua aŭtuno* (desegno)

*Madhav:* Oni diras, ke vi proklamis, ke la Reĝo fondis la poŝtejon, por ke li povu skribi al ni.

*Avo:* Ne estas grave.

*Madhav:* La vilaĝestro Panĉanon kaŝe informis la Reĝon pri la afero.

*Avo:* Ĉu ni ne scias, ke la Reĝo aŭdas ĉion?

*Madhav:* Kial do vi ne zorgas? Kial vi diskutas pri reĝoj kaj nobeloj? Ŝajnas al mi, ke vi min endanĝerigas.

*Amal:* Fakiro! Ĉu la Reĝo koleras?

*Avo:* Koleras! Je vi — infano, kaj je mi — fakiro? Tiam mi esprimas mian opinion pri lia reĝeco.

*Amal:* Aŭskultu, fakiro! de la mateno mi sentas mallumon en miaj okuloj — ŝajnas al mi, ke ĉio estas sonĝo. Mi deziras resti en absoluta silento — kaj mi ne plu deziras paroleti. Ĉu la letero de la Reĝo ne venas? Supozu, se tiu ĉi ĉambro malaperas — se...

*Avo* (ventumante Amal): Vi ricevos certe la leteron hodiaŭ.

*Kuracisto* (eniras): Kiel vi fartas hodiaŭ?

*Amal:* Sinjoro kuracisto, mi sentas min tre bone hodiaŭ — mi sentas kvazaŭ ĉiuj doloroj estus ĉesintaj.

*Kuracisto* (aparte al Madhav): Mi ne ŝatas lian rideton. Estas malbona signo — ke li sentas sin bone — laŭ observo de Ĉakradhar Dutt...

*Madhav:* Lasu Ĉakradhar kaj diru al mi — kio estas la afero.

*Kuracisto:* Eble ni ne povas teni lin longe. Mi malpermesis al li eliri, sed ŝajnas al mi, ke la ekstera vento efikis lin denove.

*Madhav:* Ne, sinjoro kuracisto, mi tre zorge

tenis lin endome kaj neniam permesis al li eliri — kaj mi preskaŭ fermis ĉiujn fenestrojn.

*Kuracisto:* Subite hodiaŭ blovas malbona vento. Kiam mi venis, mi trovis danĝeran trablovon tra via pordo. Tio estas tre malutila. Ŝlosu tuj vian pordon. Ĉu gravas se la vizitantoj ĉesas por du aŭ tri tagoj? Se oni venas neatendite — tie estas via malantaŭa pordo. Fermu ankaŭ tiun ĉi fenestron — ĝi tralasas la lumon de sunsubiro — kaj vekas la malsanulon.

*Madhav:* Amal restas kun fermitaj okuloj. Ŝajnas laŭ sia vizaĝo, ke li dormas. Oh! Sinjoro kuracisto, mi alprenis la infanon de nekonatulo — kaj mi amis lin — sed ŝajnas al mi, ke mi ne plu povas lin teni.

*Kuracisto:* Ve! Jen estas la vilaĝestro — ŝajnas al mi, ke li venas al via domo. Tio ĝenos. Plibone mi foriru — ĝis revido — sed la pordon — vi mem ŝlosu bone. Reveninte mi sendos fortikan dozon — donu ĝin — eble ĝi savos lin — se li estas savebla. (Madhav kaj kuracisto foriras.)

(Eniras vilaĝestro.)

*Vilaĝestro:* Ho! Knabaĉo!

*Avo:* Ŝŝ! Silentu!

*Amal:* Ne, fakiro! Ĉu vi pensas, ke mi dormas? Mi ne dormis — mi aŭdis ĉion. Ŝajnas, ke mi aŭdis de tre malproksime — kaj ŝajnis al mi, ke mia patro kaj patrino parolis kun mi, sidante apud mia kapkuseno.

(Eniras Madhav.)

*Vilaĝestro:* Ho! Madhav mi aŭdas, ke vi nuntempe traktas pri celebruloj.

*Madhav:* Ŝparu vian ŝercon, vilaĝestra moŝto, ni estas nur simplaj homoj.

*Vilaĝestro:* Sed via knabo ĉi tie — atendas leteron de la Reĝo!

*Madhav:* Li estas tre juna kaj senprudenta — ne aŭskultu, kion li babilas.

*Vilaĝestro:* Ne, mi ne miras. Kie la Reĝo povas trovi pli nobelan familion ol la via? Tial, ĉu vi ne vidas la novan poŝtejon, kiu estas konstruita antaŭ via pordo! Ho! Knabaĉo, ĉi tie estas via letero de la Reĝo.

*Amal* (Subite leviĝante): Vere!

*Vilaĝestro:* Ĉu vi dubas? Vi estas amiko de la Reĝo. (Montrante blankan paperon) Ha, ha, ha! Ĉi tio estas lia letero.

*Amal:* Ne moku min. Fakiro! Fakiro! Diru al mi ĉu ĝi vere estas letero de la Reĝo!

*Avo:* Jes, karuleto! Mi estas fakiro — kaj mi diras al vi, ke ĝi estas lia letero.

*Amal:* Sed mi nenion vidi povas — ĉio estas blanka en miaj okuloj hodiaŭ. Sinjoro Vilaĝestro — bonvolu diri al mi, kio estas skribita en la letero?

*Vilaĝestro:* La Reĝo skribas, ke li vizitos vin baldaŭ. Pretigu por li pufigitan rizon — li ne plu ŝatas sian reĝan palacon. Ha, ha, ha!

*Madhav* (kun falditaj manplatoj): Mi petas vin, sinjoro Vilaĝestro, ne ŝerci pri tiajo.

*Avo:* Ŝerco! Ja! Kiel li kuraĝus ŝerci?

*Madhav:* Ho! Avo, ĉu ankaŭ vi freneziĝas?

*Avo:* Jes! Mi estas frenezulo — tial mi povas legi literojn sur blanka papero. La Reĝo skribas, ke li venos mem, kun la reĝa kuracisto, vidi Amalon.

*Amal:* Fakiro! Fakiro! Jen estas lia trumpeto — ĉu vi aŭdas la muzikon?

*Vilaĝestro:* Ha! Ha! Ha! Li ne aŭdus, se li ne estus iom freneza.

*Amal:* Sinjoro Vilaĝestro! Al mi ŝajnis — ke vi estas kolera je mi kaj vi ne amas min. Mi ne kredis, ke vi alportos leteron de la Reĝo. Permesu min viŝi la polvon de viaj piedoj.

*Vilaĝestro:* Ne, la knabo havas respekton por aliaj. Kvankam li estas iome malsaĝa — lia koro estas bona.

*Amal:* Ŝajnas, ke nun estas la kvara horo. Jen! Ding — dong — dong — dong. Fakiro! Ĉu la stelo de l' vespero estas en la ĉielo? Kial mi ne povas ĝin vidi!

*Avo:* Oni fermis la fenestrojn — ĉu mi ilin malfermu?

(Frapo sur la pordo ekstere)

*Madhav:* Ho, ve! Kio estas la ĝeno?

*Ekstere:* Malfermu la pordon!

*Madhav:* Kiu vi estas?

*Ekstere:* Malfermu la pordon!

*Madhav:* Sinjoro Vilaĝestro! Mi esperas, ke ili ne estas rabistoj.

*Vilaĝestro:* Kiu vi estas? Vilaĝestro Panĉanon parolas — ĉu vi ne timas? Aŭskultu! La frapado ĉesas. Kiam oni aŭdas la voĉon de Panĉanon, oni forkuras! Kiel ajn grandaj rabistoj ili estas.



Christian Kruse — *Pino en vento* (oleo)

*Madhav* (Rigardante tra la fenestro): Oni rompis la pordon — tial oni ne frapas.

(Heroldo de la Reĝo eniras.)

*Heroldo:* La Reĝo venos ĉi-nokte.
*Vilaĝestro:* Ho! Mia Dio!
*Amal:* Je kioma horo nokte, Heroldo?
*Heroldo:* Je la dua horo.
*Amal:* Kiam mia amiko — la gardisto sonorigos la sonorilon ĉe la pordego de l' urbo — ding — dong — dong, ding — dong — dong, ĉu tiam?
*Heroldo:* Jes, tiam. La Reĝo sendas sian plej eminentan kuraciston, atendi sian junan amikon.

(La Reĝa Kuracisto eniras.)

*Reĝa Kuracisto:* Kio estas la afero? Kial estas ĉiuj fenestroj fermitaj? Malfermu ĉiujn — malfermu ĉiujn pordojn kaj fenestrojn! (Tuŝante la korpon de Amal) Kiel vi fartas, karuleto?

*Amal:* Tre bone! Bonege! Sinjoro kuracisto! Mi havas nenian malsanon — mi sentas nenian doloron. Ah! Ĉiuj estas malfermitaj — nun mi povas vidi ĉiujn stelojn — la stelojn trans la mallumo.

*Kuracisto:* Ĉu vi povos forlasi la liton kaj promeni kun la Reĝo, kiam li venos noktmeze!

*Amal:* Certe! Certe mi povos. Mi estus tre feliĉa, se mi povus eliri. Mi petos la Reĝon montri al mi la polusan stelon. Ŝajnas, ke mi jam vidis la staton multfoje — sed mi ne scias la nomojn de la steloj.

*Kuracisto:* Li diros al vi ĉion. (Al Madhav) Aranĝu la ĉambron kun floroj por la bonvenigo de la Reĝo. (Montrante la vilaĝestron) Li ne povas resti en tiu ĉi ĉambro.

*Amal:* Ne, ne! Permesu al li resti, sinjoro kuracisto. Li estas amiko, kaj estas li, kiu alportis la leteron de la Reĝo.

*Kuracisto:* Bone, karuleto! Se li estas via amiko, li povas resti ĉi tie.

*Madhav* (flustrante al la orelo de Amal): La Reĝo amas vin, karuleto kaj li mem venos hodiaŭ. Petu de li ian donacon. Vi konas niajn malbonajn cirkonstancojn.

*Amal:* Ne timu, Onklo! Mi jam decidis pri tio.
*Madhav:* Kion vi decidis, karuleto!
*Amal:* Mi petos lin, ke li faru min lia poŝtisto; tiam mi povos tramarŝi ĉiujn landojn disdonante liajn leterojn.
*Madhav* (frapante sian frunton): Ho, ve! Nur tiom vi deziras?
*Amal:* Onklo! Kio estos nia ofero, kiam la Reĝo venos?
*Heroldo:* Li ordonis pufigitan rizon.
*Amal:* Pufigitan rizon! Aŭskultu! Sinjoro Vilaĝestro! Vi diris tion antaŭ nelonge. Ŝajnas al mi, ke vi scias ĉion pri la Reĝo — mi scias nenion.
*Vilaĝestro:* Se vi sendos iun al mia domo — eble mi povas sendi ion bonan...
*Reĝa Kuracisto:* Ne necesa! Nun ĉesigu vian babiladon. La dormo ekposedas lin. Mi sidos apud la kapkuseno de la knabo — li estas nun dormema. Estingu la lampon. Nun venu la lumo de la stelo de l' vespero. Ŝŝ! Li dormas.
*Madhav:* Avo! Kial vi staras kiel statuo kun falditaj manplatoj. Mi timas — ĉu tio ĉi estas bona signo? Kial oni mallumigis la ĉambron? Kiel helpas la lumo de l' stelo?
*Avo:* Silentu! Dubulo!

(Ŝudha eniras.)

## La tri kestoj
— Peter Roseger —

En ĉiela sunbrilo
Tri kestoj de mito
Staras el kverko:
Sonĝplena lulilo,
Ĉuplena lito,
Pacplena ĉerko.

(K. Jimel.)

## La tempo
— Anastazius Grün —

Ne blasfemu Tempon puran. Estus por vi mem domaĝ'.
Ĉar similas ja la Tempo al senskriba, blanka paĝ'.
La paper' ne havas mankon, sed la skribo estas vi!
Se la skribo ne edifas, nu, ĉu kulpas la foli'?

(K. Jimel.)

## Epigramo
— Martialis —

Estu malpeza al vi la hum' kaj la sabla kovrilo,
Por ke kun plia facil' trovu la ostojn la hund'.

(K. Jimel.)

## DANCISTINO
— Dobriŝa Cezariĉ —

Ŝi moviĝis en silento festa,
Kiel en la sonĝo la virinoj,
Al fumnub' simile post muslinoj
Kaŝis sin jen mam', jen man' belgesta.

Paŝoj piedpintaj, salt-ekkuroj
Estis flugfacilaj,
Ĉe turniĝo blankis la femuroj
Dolĉgracilaj.

Kvazaŭ l' pezon ŝi forpuŝi strebis,
Kiel la vualojn, dum la danco,
Ŝajne ien en l' aeron ŝvebis,
Postlasinte por la pruvo vera,
Ke ŝi estis ne nur sorĉ' aera,
Bretojn saltpuŝitajn por balanco.

El la kroata: *Josip Velebit.*

---

*Ŝudha:* Amal!
*Reĝa Kuracisto:* Li dormas.
*Sudha:* Mi alportis florojn por li — permesu al mi meti la florojn en lian manon.
*Reĝa Kuracisto:* Jes! Vi povas.
*Ŝudha:* Kiam li vekiĝos?
*Reĝa Kuracisto:* Tuj kiam la Reĝo venos kaj vokos lin.
*Ŝudha:* Ĉu vi flustros tiam nur solan vorteton en lian orelon?
*Reĝa Kuracisto:* Kion?
*Ŝudha:* Diru al li, ke Ŝudha lin ne forgesis.

(Kurteno.)

El la bengala: *Provat Ghose.*

# KREZO

— Georges Duhamel —

Unu belan tagon, ni eksciis, ke barono Marcel de Gründlich baldaŭ venos al ni vizite.

La Gründlichoj, kvazaŭ madrepora familio, regas de pluraj jarcentoj super ĉiuj partoj de l' mondo, kie oni povas permone gajni monon. Ekzistas en Francujo *Georgesoj, Louis-oj, Marceloj de Gründlich;* en Germanujo *Ottoj, Friedrichoj* kaj *Wilhelmoj* de *Gründlich.* Certa *Peer de Gründlich* iam prosperis sur la granitoj de Stokholmo; kaj Livorno fieras pri certa *Giuseppe de Gründlich.* Jam de la jaro 1850 oni povis konstati en la kalifornia humo la enradikiĝon de la fortika branĉo *Stanley J. K. Gründlich,* kiu laŭregule estus rilatigota kun la branĉo *Tohn* el Bristol kaj *Edward* el Kent. Revolucioj ekbolas, reĝimoj ruiniĝas, militoj elsuĉas popolojn, limoj translokiĝas, sed la Gründlichoj staras, por doni al iaj metafizikemaj spiritoj lastan kontentigon pri tiu speco de amo al daŭra stato, kiu en la nuna freneziĝanta mondo ankoraŭ sin trudas al ili.

La barono Marcell de Gründlich memvole jus soldatiĝis en la franca armeo, ĉe kiu li tiel mirakle promociiĝis, ke post du tagoj oni elektis lin oficiro. Tio ebligis al li promenadi en staba aŭtomobilo, kaj liveri tie ĉi kaj tie kelkajn prelegetojn. Dume, lia edzino, baronino Marcell, flegistine sin tualetinte, malavare sin dediĉis al filantropio, vizitadis vunditojn, disdonadis al ili beletajn pupfetiĉojn malicete vestitajn kiel militvidvinoj, kaj petole pafadis al ili en la vizaĝon ĉokoladbuletojn el genia risortmovata kartonpistolo. Sed temas pri la barono.

Ĉitempe, kun mia ambulanco mi kampis apud Soissons. Baldaŭa alveno de tia altrangulo frue tumultigis nian tutan taĉmenton; tiu tumulto fariĝis preskaŭ ribelo, kiam la armea stabo sciigis nin, ke dum pli ol unu semajno la barono estu enskribita ĉe ni, kaj kunmanĝu ĉe nia tablo.

— Nu! ekkriis Massicot,[1]) administra oficiro, nu! mi tre esperas, ke ni eltrinkos kelkajn famajn botelojn da ĉampano, kaj fumos kelke da bonodoraj cigaroj.

— Mi aŭdis, klarigis Houtelette,[2]) ke la princo de Hainaut, okaze de restado en taĉmentoj, kutime donacas al ĉiu oficiro poŝpaperujon el marokeno kun oraj nomliteroj kaj foton, kiu prezentas lin en parada uniformo. Sed unu Hainaut tre malmulte valoras kontraŭ unu Gründlich.

— Mia bofrato, ekparolis Eksmelin, havis pasintjare komunan kuirajon kun la malgranda Morisson. Vi ja konas la Morissonojn, la ŝipkonstruistojn. Nu, okazis nenia manĝo sen boteloj da Mercurey kaj Meursault[3]) — vino (el la propra botelaro de Morisson kompreneble), nenia manĝo sen ĉasaĵo el liaj ĉasejoj kaj fiŝaĵo el liaj riveretoj; plue oftaj donacetoj: jen brakringa horloĝeto, jen multekosta skribilo, jen okaza milfranka bileto taktoplene prezentata al senmonaj kamaradoj. Oni eĉ rakontis...

— Ĉu vi ne hontas, grumblis Blèche,[4]) kun nobla malglata vizaĝo, vi ne hontas, ke vi reve ŝtopas al vi la ventron per bongustaĵoj, kiam lamentadas en la barakoj ducent kripligitaj kamaradoj, kiujn ni penas rebonfartigi per acida vinaĉo kaj metilodora alkoholo. Gründlichon sendas al ni la ĉielo; el tia bonŝanco profitu unue la vunditoj.

Faisne[5]) aprobis senrezerve:

— Unue la vunditoj, jes. Koncerne min, vian Gründlichon kaj lian ĉampanon mi priridas.

— Ba! diris Massicot, vi priridas, sed vi, senpripensa knabo, ne rifuzos la trinkadon. Estas afero de ĝentileco.

— Bone, la aferon mi pripensos, respondis Faisne.

Li prenis mian brakon, kaj tiris min flanken:

— Ĉiujn ĉi kapitalistojn mi ne tre ŝatas. Sed rifuzi glastintigon estus evidenta malĝentileco.

— Jes, amiko Faisne, sed kiu do parolas pri glastintigo? Kiu parolas pri ĉampano kaj cigaroj?

— Ne mi, sendube. Tamen, tiu Gründlich! Tiu miliardulo! Unu el tiuj viroj, kies nura nomo signifas roblan malavarecon, paradan luksegon! Riĉaĵoj pelitaj ĝis tia grado fariĝas speco de nobeleco, kiu, kiel la vera, devigas ilian posedanton montri sin grandanima.

— Nu, amiko Faisne, en via loko...

— En mia loko?

— Mi malfidus.

— Vi malfidus, kion?

— Ĉion. Kiam mi staras apud vera, aŭtentika milionulo, mi ĉiam timas senkonscie, ke ion li ŝtelos de mi. Vi ridas? Tamen, ja dank' al tiu farmaniero, tiaj individuoj milionuliĝis.

— Ha! ekkriis Faisne, la diro estas kolosa! He! knaboj, ĉu vi aŭdis la kolosaĵon de Cauchois?[6])

Senprokraste ripetitaj al la cetero de nia rondo, miaj vortoj ricevis malvarman akcepton.

— Moki la riĉulojn, opiniis Houtelette, kredigas la mokanton ĵaluza.

— Ĵaluza! Grandaj dioj! Mi povas certigi...

— Nenion certigu, tranĉis Massicot. Pensu prefere pri la bono farita de la Gründlichoj en Francujo. Du filantropiaj institutoj, kvin lernejoj, tri hospitaloj, ducent kvindek oficistoj, dek ĉefoficistoj, du direktoroj...

Li pludiris emfaze: »Vera Administracio!« Ĉar Massicot, modela funkciulo en nemilitista tempo, portis al la burokrata genio tian respekton, ke li ne povis skribi: »Administration[7]) d' un médicament«, sen ornami tiun sanktan vorton per komenca majusklo.

Mi rezignis la diskuton, kaj Eksmelin tuj konkludis:

— Cauchois ja estos neniel devigata ĉampantrinki aŭ cigarfumi.

Mi nenion respondis.

Oni anoncis, ke la barono alvenos morgaŭ. Dum tiu atenda vespero okazis interkonsiliĝoj, el kiuj mi estis zorge apartigita. Malgraŭe, sufiĉe gajigaj estis la vortoj, kiuj atingis mian orelon.

— Sian poan parton, flustris Houtelette, Gründlich laŭregule pagos al nia manĝoklubo; sed li estas ankaŭ iom nia gasto. Ne decas, ke li estu traktata kiel iu ajn. Ne konvenas, ke ni lin regalu per provianta vinaĉo.

— Do necesas, daŭrigis Eksmelin, ke ni mendu

[1]) Elparolu: Masiko.
[2]) Elp: Hutlet.
[3]) Du famaj vinberejoj de Bourgogne (NDLT).
[4]) Elp: Bleŝ.

[5]) Elp: Fen.
[6]) Elp.: Koŝua.
[7]) La franca »Administration« sencas ankaŭ: aplikado, glutigado de kuracilo. (NDLT)

## Inter eternajn aĵojn plektiĝu via fam'!

— Mihály Babits —

Disharmonion novan alfumu la animo,
Ke sur egiptaj kuboj, metitaj por altar',
Inter flugilaj grifoj, sur grund' el Nilo-ŝlimo,
Vi staru, duonnuda figuro kun tiar'.

Hieroglifa runo kaj sfinks', kun haŭtreflekto
Olee bruna super la blanka ŝtonmontet',
Sed kun brilanta dento, ke, kiel eburplektro
Vi ŝiru kordojn vibrajn el koro de poet'.

Sur lipojn kaj sur pintojn de viaj mam-ĝemeloj
Rubenon ruĝan pentras la sang' en kaŝa kur',
Inundas vian korpon radioj de juveloj:
Ho, kiom la juvelo, kiom la karnvelur'?

Inter ŝtonegoj fridaj, en fridaj ŝton-ornamoj,
Tie vi staras varme, kun disfrapanta kor'.
Sklavin' de l' suno: por ke flamiĝu vi sen flamoj,
Karesas vin la suno per arda man' el or'.

Sur sojl' de Okcidento jen sonĝis la poeto
Post sesmil jaroj, antaŭ la Vaga Vosta Flam',
Ke, dum la suno brulos, revenos la kometo,
Inter eternajn aĵojn plektiĝu via fam'!

El la hungara: *Lali Blond.*

## La floro kaj la birdo

— Louis Bouilhet —

De l' eta kaj mirakle belega floro Ing-wha
nur en Ching-tu-fu floras kaliko odoranta
kaj la Tung-whang-fung-birdo estas nur tiel granda,
ke li ĉi floron kovras ĉe ŝvebo flugil-svinga.

La flor' ridetas al la birdeto, kiu ploras,
la flor' estas purpura, la birdo ĝin similas,
oni ne scias, kiam ĉi paro kune brilas,
ĉu la floreto kantas, aŭ la birdeto floras?

La flor' kaj bird' la vivon je l' sama hor' ricevas,
kaj en ĉiu mateno vivigas roso sama
la ruĝan paron, ŝvelan de l' sama sento ama,
sed, se la floro velkas, la birdo morti devas.

Kun velkiĝinta plumo vi vidas ĝin kap-klini
sur la branĉet', de kiu lia feliĉ' forkuris,
kaj volus junaj koroj, kies sopir' ekbrulis,
kiel ŝi, esti amataj, kiel li, vivon fini.

Rakonto nekonata: pri ĝia ver' atestas
ĉinlanda mandareno kun butonet' kolora.
Ĉinlando: mond' maljuna, eĉ nun honore festas
la amon, kiu daŭras, dum floras floro sola.

El la franca: *Lali Blond.*

## Poemo

— Stefan George —

Sur mont' ni migras, kiun ombro tuŝas,
Dum transe tremas val' en bril' vibranta,
La lun' sur molaj verdaj kampoj kuŝas
Kaj ŝajnas nur ŝvebanta nubo blanka.

Montrante malproksimen, vojoj palas,
Haltigas la vaganton flustro milda.
Ĉu nevidebla font' el monto falas,
Ĉu pepas dolĉe dormokanto birda?

Du tardaj papilioj sin pelante
Flugas de flor' al flor' en ŝerc' amuza...
La kamp' el herboj jam preparas lante
Vesper-parfumon por dolor' obtuza.

El la germana: *Lali Blond.*

## La kanto de l' cigno

— Arturo Graf —

La larik-ombra bord' en kurta rondo
kristalan lagon zonas per brakumo;
ŝvebnaĝas cigno en neĝbrila lumo
sur la profunde dorma horizonto.

La cigno mortas; sur senmova ondo
staras senpeze, kun ĉastpura plumo;
kaj al la sun' ĝi kantas kaj la suno
akceptas la ĝemkanton de l' mortonto.

De l' dolĉe flata kanto mild-resone
l' aero plenas kaj giganta tristo
tra la solecaj kampoj rule iras.

Dronas la sun'; kapklinas la kantisto
sur la flugilon brilan kaj last-tone
l' animon harmonian ĝi elspiras.

El la itala: *Lali Blond.*

## La CXVI. Soneto

— Shakespeare —

Fidelaj koroj en amlig' ne konas
Malhelpojn. Kaj ne estas am' la amo,
Kiu ŝanĝiĝas, se sin ŝanĝ' proponas,
Aŭ cindras for kun forcindranta flamo.
Ho ne! ĝi estas etern-fiksa marko,
Spitanta la tempestojn sen ŝancelo,
Ĝi estas lum' por ĉiu migra barko,
Orientita, sed netaksebla stelo.
Ludil' de l' Temp' ne estas amo pura,
Kvankam vangrozojn falĉas ties serpo,
Ne ŝanĝas ĝin semajnoj, jaro kura,
Ĝi daŭras ĝis sub la tombkovra herbo.
Ne verkis mi, se ĝi ne estas vera,
Nek iam amon konis homo tera.

En la angla: *Lali Blond.*

---

almenaŭ kesteton de Macon-vino, eble eĉ ion pli bonan, nome botelojn da Volnay aŭ Moulin-à-vent.[1]) Plue, ni ne povas konsenti, ke Gründlich manĝu sur vakstolo.

— Prave; sed mankas tablotukoj.

— Tombtolaĵon mi povas doni al vi, proponis la administranto. Mi ĵus ricevis dekdu dekduojn da mortotukoj. El ili mi jam pruntis kvindek al la divizio, por ornami la barakon, en kiu estos baldaŭ festata la naskotago de l' generalo.

[1]) Du famaj francaj vinberejoj (NDLT).

— Konsentite. Nun temas pri la menuoj. Ekzemple la birdaĵo...

— Kokidaĵon oni ne povas ja ĉiutage surtabligi...

Ĉi tiuj konversaciaj fragmentoj tamen instruis al mi ion pri la freneziga potenco de l' mono. Febra stato nutrata per scivolo, respekto, legendoj, naivaj mokaĵoj, mistika antaŭtimo disvastiĝis de la oficiroj al la soldataro, kaj atingis la vunditaron pakitan en barakoj. Mi ankoraŭ nun demandas min, kia mesio, kia monarĥo kapablus tiel bone fermentigi tiun kompatindan homan paston.

La sekvanta tago pasis en atendado. Turniĝis la horloĝo, kaj ne aperis eĉ ombro de Gründlich. Mi estis dejoranta, kaj pasigis en la operaciejo la plej grandan parton de l' tempo. Dum senokupaj momentoj, por ripozi, mi paŝadis sur la lignovojeto. Faisne venis al mi renkonte.

Faisne estis kunulo verdirema, grumblema, iom blekema.

— La kamaradoj freneziĝas! li ekkriis. Ili sin vestis parade. Jes, Massicot surmetis sian atlasdrapan uniformon, kaj Houtelette sin ornamis per sia tuta ledaĵaro, kvazaŭ li estus baldaŭ ricevonta ordenkrucon. Vere! Tio impresas ilin, ĉar baldaŭ ili vidos unu el la plej riĉaj homoj en la mondo. Ĉu ne naŭzas min la tuta afero? Ĉi tiun demandon mi metas nun al mi.

Jen li grumblis kaj foriris, levante la brakojn al la ĉielo.

Dispeciĝis la tago, poste la vespero, sed videbliĝis nenia barono. Denove Faisne venis al mi.

— Tiujn individuojn, li diris, nenio timigas. Gründlichon mi aludas, kompreneble. Oni havas emon por ili, kiel por serĉataj prostituitinoj. Ĉiuj niaj kamaradoj atendas survoje, kaj ĉiufoje, kiam aperas veturilo, Eksmelin senpolvigas siajn botojn per sia naztuko.

— Faisne, mi respondis, mi opinias, ke ĉio ĉi tre turmentas vin.

— Min? li blekis kolerege. Min? Al la Gründlichoj kaj similuloj mi spitas, mi mokspitas ĝis la koro, ĝis la lieno, ĝis ili krevos, ja!

— Tiuokaze, ni babilu alion.

Pri alio ni efektive babilis... senentuziasme, kaj mi iris en la liton. Sed la morgaŭon, frumatene vekis min la voĉo de Massicot. Li trapaŝis la barakon, eniris unu ĉambron, eniris alian, senĉese ripetante:

— Jen finiĝis la atendado! Noktomeze li alvenis. Por li mi mendis ĉambron, en la urbo kompreneble; li preferas dormi en masonaĵo. Tuttage li promenos en la sektoro, sed ni havos lin dum la manĝoj.

— Kia vi trovis lin?

— Bonaspekta. Eble iom rigidmiena.

Ni kutime manĝadis je la dekdua. Je la dekdua kaj dudek minutoj ni ankoraŭ atendis nian novan gaston.

— Massicot, petis Faisne, ordonu do surtabligi la manĝon.

Massicot ektiris la ŝultrojn; Blèche mordetis al si la lipharojn.

— Estas nur la unua tago, li murmuris, ni iom paciencu.

Apenaŭ eksonoris la duono, kiam barono Marcel envenis. Mi konstatis, ke la tuta rondo tuj leviĝas kun tia ĝentileco, kiu en nia societo ne estis tradicia. Blèche prezentis nin, kaj ni prenis lokon ĉirkaŭ la tablo surmetita per blanka tuko, kun kolvaksitaj boteloj kaj eĉ kelkaj floroj en obusa cilindro. Unu minuton, la rigardo de barono Marcel sencele vagis, inerta, senvigla, sur ĉi tiuj ornamoj, kaj tuj rifuĝis kvazaŭ en dormon inter duobla gelatena pufaĵo. Li estis viro altkreska, dikventra, barbhava, duonkalva, havis kvar faldojn el lardo sur la nuko, kvazaŭ senostajn manojn kaj larĝan lumbon. Li manĝis apetite en kreskanta silento. Dutrifoje Houtelette klopodis, ke interparolado ekestu. Massicot vinverŝante, dolĉe ĝentile alparolis la gaston per »Via barona Moŝto«, kaj aldiris kelkajn frazojn je la tria persono; kaj Faisne grumblis: Hm! Hm! kaj la aliaj ŝtelrigardis al si, kunfrapante reciproke la kubutojn.

La dikulo atentis nenion. Li maĉadis, glutadis



Ervin Pál-Preiss *Cigana knabino*

mirinde indiferente, respondis »ne«, »jes«, »dankon«, kaj ridetis per apenaŭ perceptebla meĥanika rideto, en kiu partoprenis la vangaj ŝvelaĵoj. Kiel ĉiutage, ĉe la deserto oni alportis la poŝtaĵojn: preskaŭ ĉiuj kunmanĝantoj hezitis legi siajn leterojn, kaj la barono, kredeble por ilin komfortigi, elpoŝigis gazeton kaj komencis legeti, purigante al si la dentojn. Oni trinkis kafon, sorbis likvorojn, kaj jen leviĝas nun Gründlich. Ankaŭ leviĝas la kunuloj. La barono salutas, ridetas, etendas al ĉiuj pastecan manon, kaj forlasas la lokon plej rapide.

— Kion pri tio? rikanis Faisne; mirinda la ĉampano kaj bongustaj la cigaroj, ĉu ne?

— Vi tamen ne volus, admonis Eksmelin rigidafekte, vi tamen ne volus, ke li tuj regalu nin ĉampane. Tio estus paradema.

— Massicot, riskis Houtelette, vi ne pravas lin alparoli per »barona Moŝto«, kaj uzi la trian personon, tio ŝajnis lakea.

— Zorgu pri viaj propraj koncernaĵoj. Milionulojn mi konas pli ol vi.

— Nu nu! ekgrumblis Blèche, ne disputu jam. Tiaj viroj de longe posedas monon; kaj, ĉar ili posedas monon, ili ne devas diboĉi ĉiutage. Li montras sin ĝentila, sindetena, kaj rilate al ni tio ja sufiĉas. Li nur ne forgesu nian vunditaron; neniom pli ni postulos de li.

— Gentila, sindetena... insistis Houtelette. Oni eĉ povas aldoni: distinginda. Vere, li ne tre amas babiladi, sed estas okulvideble, ke li estas eminentulo.

Ankaŭ vespere la barono partoprenis la manĝon, kiu prezentiĝis tute kiel la matena. Gründlich elbuŝigis ne multe pli ol dudek vortojn. Dum la kafverŝado rimarkiĝis al li, duonŝovite el la poŝo de Blèche, numero de l' »Temps«.

— Ha! li diris, vi abonas la »Temps«? Ĉu vi permesas, ke mi ĝin ekrigardu?

— Volonte.

La barono disfaldis la gazeton, kaj post tempeto, malantaŭ la papera ekrano, spirale disvolviĝis ĉielen opaleca vaporo: la barono fumis sian cigaron.

La fumado daŭris proksimume dekkvin minutojn. Poste la barono spirĝemis, refaldis la gazeton, ĝin enpoŝigis distre, disdonis kelkajn manpremojn, kiuj impresis kvazaŭ oni premus melaŝon, kaj retiriĝis.

— Ni konsentu, konstatis Houtelette, ke li montras sin plej detenema.

— Ni ĝisatendu la interkonatiĝon, konsilis Eksmelin, li ja ne povas sin ĵeti al ni ĉirkaŭprene.

— Spite ĉion, ni ludu briĝon.

— Ba! vi aĉetis ludkartojn? eĉ orangulajn?

— Nu, mi pensis, ke se li volas esti la kvara....

— La aferon vi ne pripensis, kara. Briĝi kun Gründlich! Okdek frankoj ĉiupoente! Vi min tremigas.

— He! ni eble gajnus.

— Estas al mi tro grava risko. Du keroj.

— Du senatutoj!

— Ni iru promeni, insistis Faisne. Tiu miliardulo tiel influas la kamaradojn, ke ili jam perdas la saĝon.

En la koto ni paŝis, spirante freŝan aeron; Faisne cedis al konfidemo.

— Ĉu vi scias, li diris, ke mi havis la honoron, interparoli private kun li?

— Kiu li?

— Gründlich kompreneble!

— Ba! Pri kio li parolis?

— Nu, pri tri-kvar pikaĵoj rilate la klimaton, la sektoron, la lastan atakon. Kaj fine: »Ne svarmas gajigaĵoj tie ĉi. Pruntotan libron ĉu vi ne havus?« — »Jes ja! Ĝin mi tuj havigos al vi.« Imagu, Cauchois, ke venis al mi la ideo, fari al li ŝerceton. Mi iris en mian ĉambron kaj revenis kun... Divenu?« »Ĉirkaŭ mia vivo« de Kropotkin. Libro mirinda, terura, kiu naŭzos lin, kaj hirtigos al li la lumbajn harojn.

— Faisne, mi ja kredas, ke vi ne similas la kamaradojn. Sed konfesu, amiko, konfesu, ke ĉi tiu Gründlich, malgraŭ ĉio, interesas vin iom pli ol preskaŭ ĉiuj aliaj specimenoj de la homaro.

Faisne aŭdigis tri-kvar gruntojn:

— Mi jam diris, ke Gründlichon mi mokspitas kaj ree mokspitas. Jen tiel! Sed...

— Sed...

— Sed, kiam mi okulas al tiu dikulo, mi ne povas deteni mian imagon, ŝvebi meze en amaso da revoj.

— Kiaj?

— Ho! neniaj, nur blagoj. Mi revas, ke tiu monstro, se li volus, se li kapricus, povus aĉeti eksterordinarajn aferojn. Ekzemple la tutan francan armeon, mi volas diri, armeon tute similan al la franca, kun ĝiaj generaloj, soldatoj, miloj da ĉevaloj, milionoj da panbuloj, miliardoj da pedikoj, puloj, cimoj, ĝia materialo, ĝiaj maloportunaĵoj, ordenkrucoj, frostigitaj piedoj, gazmaskoj, moveblaj kuirfornoj kaj la tuta cetero. Mi imagas, ke, se li havus emon, li povus akiri komfortan, sufiĉe malkaran landeton, kiel Svisujo, kun ĝiaj bankoj, glaciejoj, kvarmilmetraj montoj, bovinaj gregoj, la lagoj kaj ilia flosanta boataro kun la centoj da bonhomoj ene, la tuta urbaro kun la loĝantoj kaj la enhavaĵo de iliaj poŝoj; kun la familia horloĝeto, la pipo, la ŝlosiloj kaj la tranĉileto garnita per korktirilo kaj orelpurigilo, kaj ĉio, ĉio, ĉio. Mi pensas, ke li povus aĉeti la tutan dekjaran fromaĝprodukton de Nederlando, nome sufiĉe da fromaĝbuloj por ĉirkaŭi dekspefoje la teron ĉe la ekvatoro. Mi pensas, ke li povus aĉeti, sen malfaciĝo, la tutan tabakrikolton de ambaŭ kontinentoj, kaj dum tri-kvar jaroj malpermesi la fumadon al la tuta homaro. Mi pensas, ke li povus aĉeti la plenan Eŭropan komercan ŝiparon, kaj aranĝi por siaj amikoj kaj konatoj belan boatkuradon en la golfo Gabes. Mi pensas, ke li povus aĉeti sufiĉe da Bordeaux-a vino, por ruĝe kolorigi la Garonan akvon dum kvardekdu semajnoj, sufiĉe da herbaroma mustardo, por ŝmiri la dezerton Sahara de Gadames al Tombuktu, sufiĉe da fumaĵita kolbaso, por supersatigi la kvarcent milionojn da ĉinoj de Ĉinujo, ke ili mortu pro malbona digesto. Mi eĉ pensas, ke li povus aĉeti tiun kampan dometon inter Honfleur kaj Villerville, kies posedon mi tiom deziris antaŭ la milito! Pri ĉio ĉi mi pensas, kaj ĉio ĉi igas min ridi. Ne, vi ne kapablas imagi, ĝis kia grado ĉio ĉi igas min ridi!

Efektive, Faisne-on kaptis ridatako, kiu daŭris preskaŭ kvaronon da horo.

La sekvaj tagoj ne modifis notinde niajn rilatojn kun barono Marcel. Li alvenis, altabliĝis, trinkis, maĉis, englutis, esprimis kelkajn nekompromitajn opiniojn pri la milita situacio, elpoŝigis cigaron, suĉis iom da fumo, enaŭtiĝis kaj ekflugis al siaj aferoj. Iom da maltrankvilo, miksiĝinta kun iomete da insitiĝo, aperis ĉe niaj kamaradoj.

— Oni ne povas pretendi, ke li montru afablecon, konfesis Eksmelin.

— Ba! diris Houtelette pikite, se li disfluigus ĉampanon ĉie, kie li pasas, estus iom monotone al li, komprenu.

— Ĉampanon? asertis Massicot, la persistema, ĝin li oferos la tagon de sia foriro, kiel estas devige en ĉiuj manĝo-kluboj, kiel bonvole farus ĉiu el ni. Vi baldaŭ konstatos, ke mi pravas.

Blèche nur tirpinĉis siajn lipharojn.

Samtage, post manĝo, la honesta Blèche iris timeme al Gründlich:

— Ĉu vi konsentus viziti la vunditojn? li demandis heziteme. Kelkaj el ili estas interesaj.

— Diable! respondis la barono. Mi volonte akceptus en aliaj cirkonstancoj; sed bedaŭrinde terure mankas tempo, kaj mi ja devas konfesi, ke en tiu fako mi posedas nur tre malgrandan kompetentecon.

Li funkciigis sian meĥanikan rideton, enaŭtiĝis kaj sin pafis for. Tiel elreviĝe konsternita ŝajnis Blèche, ke ĉiuj restis senvortaj. Fine, Houtelette rompis la silenton:

— Tiaj riĉuloj nenion faras rekte. Nur demando pri metodo. Por la vunditoj, estu certa, li subskribos ĉekon.

Pasis ankoraŭ du tagoj da bagatela interkverelado, kaj subite barono Marcel malaperis de nia horizonto. Pri tio, ĉe l' matenmanĝo, Massicot iom ekscitite sciigis nin:

— De la ministrejo li ricevis privatan telegramon, kiu vokis lin al la dua armeo. Li petis, ke mi transdonu al vi lian bedaŭron. Ĉies manojn li volus premi...

Faisne aŭskultis gape. Subite ŝajnis, kvazaŭ mankus al li aero; li sufokiĝis, tusis, kraĉis, poste aŭdigis kolosan ekridegon.

— Mil diabloj! Alportu ĉampanon; kvar botelojn, Massicot! La paganto estas mi. Kaj glason da ruĝa vino mi oferas al ĉiu soldato, kaj cigaron al ĉiu vundito kapabla fumi. Jes! Jes! Mil diabloj! Ĉampanon, fortan brandon kaj cigarojn! Ni tamen kapablas nin

kontentiĝi, he! Kia superbela farso! Ĝi superas ĉion imageblan!

Li denove preskaŭ perdis la spiron. Massicot, kiu timis lin, sendis, ke oni alportu la botelojn, kaj nia aro regajiĝis.

— Je la sano de l' moŝtulo! blekis Faisne malkovrante la kojndentojn.

— Mi konfesas, balbutis Houtelette, ke tio estas nekomprenebla: la plej riĉa riĉulo de Francujo!...

Eksmelin, kiu meditis, subite frapis al si la frunton:

— Mi nur esperas, Massicot, ke barono Gründlich jam pagis almenaŭ siajn klubŝuldojn.

— Hm! diris Massicot konfuzite, la administracio kompensos la elspezojn. Tion la barono klare komprenigis al mi antaŭ sia foriro. Kaj mi telefonu al la stabo, por ke ĉio estu en ordo.

— Mendu, atendu, grumblis Faisne.

Ni jam malkorkis la duan botelon, kiam aperis unu el niaj soldatoj, kruda, simpla, sed fidinda norda kamparano. Jam tri jarojn li ricevis neniajn novaĵojn de sia vilaĝo, kaj sin okupadis tie ĉi kaj tie pri bagatelaj laboretoj, kiuj ebligis al li enspezadon de kelkaj moneroj. Li staris en la porda aperturo kun sia ĉapeto en la mano. Blèche metis finon al lia embaraso.

— Kion vi deziras, Meriot?

— Ĉu li foriris, la sinjoro?

— Kia sinjoro?

— Nu la dika, barbhava sinjoro, tiu sinjoro, pri kiu oni diras, ke...

Gustatempe Massicot helpe partoprenis:

— Estas pri la barono. Laŭ instrukcio mi devis dum lia restado tie ĉi, havigi al li servosoldaton, Merioton ĝuste. Nu, jes amiko, via oficiro jam foriris de ni.

— Ha! ekkriis la simplulo, estas ĉar, jen...

— Li sendube forgesis pagi vian konton, flegme interrompis Blèche.

— Ne sole la konton, sed li ordonis, ke mi aĉetu al li laĉparon el ledo, vi scias, tiujn longajn laĉojn por aviadistoj, kiuj kostas fr. 3.5o, kaj li eĉ forgesis repagi al mi.

— Meriot, trankvile admonis Blèche, donu al mi vian konton. Mi ricevis instrukcion, ke mi kompensu al vi pro tio.

Post kiam eliris Meriot, ĉiu malŝarĝis sian koron.

— Kredu min, se vi volas, stertoris Faisne. Ĉi tion mi trovas miriga! Viro, kiu povus, se li havas emon, aĉeti sufiĉe da ledlaĉoj, por dudekkvarfoje kovri la distancon de la tero al la planedo Mars.

— Ja, vi troigas, intermetis Eksmelin, temus pri pluraj milionoj da kilometroj!

— Mi troigas? Mi troigas? Kvindektrifoje, kvindekkvarfoje tiun distancon. Vi aŭdas? Jen amiko Massicot, kiu revenas de la telefonejo. Massicot, reĝo de l'administrantoj! Li ŝajnas malkomforta. Glason da ĉampano, Massicot?

Massicot aspektis iom pale. Li trinkis kaj ekridis.

— Jes, mi revenas de la telefonejo. Mi demandis la armean stablon pri Gründ'ich. Divenu, kion ili respondis? Nu, ili forregalis min. Ili malmilde asertis, ke la elspezoj de la barono koncernas nur la baronon.

— Ni konfesu, diris Eksmelin, ke tio transpasas la limojn. Vi skribos al la barono, ĉu?



Ervin Pál-Preiss *Freneza amanto*

— Ne, ne! mi petas, deklaris Bleche ridetante. El ni ĉiuj mi estas la plej galonita, kaj prenas sur min la tutan ŝuldon de l' barono.

Tiam Faisne, kategorie:

— Mi petas kiel favoron, preni sur min la duonon. Nutri per mia mono individuon, kiu, se tio farus al li plezuron, povus aĉeti sufiĉe da plataj kolbasoj, por starigi montarojn, kaj ŝanĝi la lokon de l' krestofinioj, jen unu el tiuj bonŝancoj, kiun kompatindulo, kiel mi, havas nur unufoje en sia vivo. Ni duigu, Blèche, aŭ mi ĉiom pagos, kaj rigardos vin kiel malbonan kamaradon.

Blèche fine ekridis. Faisne estis iom ebria; li glutis unu plian glason da ĉampano kaj flustris al mi en la orelon:

— Tiajn ulaĉojn, he! — kompreneble pri la barono mi parolas — tiajn ulaĉojn mi komencas abomeni. Ili estas individuoj, kiuj postulas amon nur por si mem. Ilian menson oni ne povus alie difini. La okazaĵo ĝojigas, amuzas kaj igas min ridi. Mi ne kapablas eĉ klarigi al mi, kial mi tiom ridas! Nur pro la libro mi sentas ĉagrenon. Vi ja scias? Mia »Kropotkin«? Ĝin li forgesis redoni al mi, kaj el ĝi mi legis nur la tri kvaronojn!

El la franca: *Marc Pujo.*

# Poemoj de Charles Baudelaire

## Al la leganto

La stulto, la malsaĝo, la peko, la avaro
Okupas niajn mensojn, kaj niajn korpojn ĉenas,
Kaj plu niajn amatajn rimorsojn ni vivtenas,
Kiel sur almozuloj sin nutras insektaro.

Obstinas niaj pekoj, malbravas niaj pentoj:
La kulpkonfesojn kare ni vendas, kaj kun ĝojo
Revenas senskrupule al la kotplena vojo,
Kredante lavi ĉiujn makulojn per lamentoj.

Sur la kusen' de l' miso, Satano Trismegisto
Sorĉlulas longe nian spiriton kaj ĝin estras,
Dum la metalo riĉa de nia volo estas
Vaporigata de ĉi scienca kemiisto.

Fadenojn nin movantajn Diablo tiras, taŭzas!
Eĉ en malpuraj aĵoj troviĝas por ni logoj;
Ni en ĉiu tag' plu paŝas al la Inferaj lokoj,
Sen abomen' tra ombroj, kiuj fetore naŭzas.

Kiel ĉe l' mam' turmentas, per kiso kaj per manĝo,
Malriĉa diboĉulo kadukan meretricon,
Ni ŝtelas preterire sekretan plezur-spicon,
Perforte premtorditan kiel el velka oranĝo.

Densa, svarmanta kiel da vermoj dekmil centoj,
Popolo da demonoj en niaj cerboj drinkas,
Kaj kiam ni enspiras, en nian pulmon sinkas
La Morto, nevidebla river', kun surdaj plendoj.

Se violent' veneno, ponardo, brulo-krimo
Ankoraŭ ne surbrodis per siaj plaĉaj tordoj
Kanvason trivialan de niaj aĉaj sortoj,
Estas, ĉar, ve, ankoraŭ senharda la animo!

Sed inter la ŝakaloj, panteroj, ĉashundinoj,
Simioj kaj skorpioj, serpentoj kaj vulturoj,
Ĉi monstroj baraktantaj kun hurloj kaj murmuroj,
En la menaĝerio de niaj misinklinoj,

Estas unu plej turpa, plej fia, plej obseda,
Kvankam ĝi ne tumultas per krioj nek per gestoj,
Volonte ĝi ruinigus la teron per tempestoj
Kaj glutus for la mondon per buŝmalferm' osceda:

Ĝi estas la Enuo! Kun larmo nevolata
Ĝi revas eŝafodojn, fumante nargileon.
Vi konas, ho leganto, ĉi mons'ron, fajnan feon,
Leganto hipokrita, al mi simila, frata!

*(G. Waringhien)*

## La malamiko

Mia juneco estis tenebra ŝtormo nura,
Malofte tralumita de sunradioj fuĝaj;
Tian detruon faris la fulm' kaj pluvo dura,
Ke en la ĝardeno restis nur kelkaj fruktoj ruĝaj.

L' aŭtuno de l' ideoj, jen, fine min ektuŝas.
Nun devas mi la ŝpaton kaj la erpilon kapti,
Kie akvofositaj, tomb-grandaj kavoj kuŝas,
La inunditan teron por floro-bed' adapti.

Kaj kiu scias, eble en tiu grundo drona,
Lavita kiel bordoj, troviĝos la viv-dona
Mistika nutr' al miaj revataj novaj floroj?

Doloro, ho doloro! La Temp' la vivon mordas;
La Malamik' obskura, manĝanta el la koroj,
El nia sang' perdita kreskadas kaj plifortas.

*(Lali Blond)*

## Ekzota parfumo

Se okulferme, en varma vespero de aŭtuno,
Mi enspiras la parfumon de via brust' vapora,
Jen antaŭ mi sterniĝas feliĉa lando fora,
Kiun blindigas fajroj de monotona suno.

Pigra insul' ĝi estas, dotita de l' Fortuno
Per strangaspektaj arboj kun frukto dolĉodora,
Per viroj kun elasta kaj svelta korp' marmora,
Virinoj kun mirinde sincera okulumo.

Via parfum' min gvidas al ravaj landoj varmaj;
Jen la haveno, plena de mastoj, veloj svarmaj,
Ankoraŭ tute lacaj de skuoj de l' marondo.

Kaj la odoro verda de tamarisk', akanto,
Tra la aer' ŝvebante, ŝvelante en vasta rondo,
Miksiĝas en l' animo kun la marista kanto.

*(G. Waringhien)*

## La trista Luno

La Lun' ĉi-nokte revas kun pli dormema pigro;
Kiel, sur siaj multaj kusenoj, belulino,
Kiu per distriĝema kaj facil-tuŝa fingro
Antaŭ la endormiĝo karesas sin ĉe l' sino.

Sur silka dors' de molaj rulaĵoj nub-lavangaj
Mortante, ĝi sin donas al longaj sven-langvoroj,
L' okulojn promenigas sur la vizioj blankaj,
Kreskantaj en lazuro kiel abundaj floroj.

Se foje sur ĉi globon, en sia pigra sveno,
Ĝi lasas fali larmon sekretan de ĉagreno,
Prenas poeto pia, kiun la dorm' evitas,

Per la manplat' la guton de tiu larmo pala,
Reflekte irizantan, kiel fragment' opala,
Kaj kaŝas en la koron, kien la Sun' ne vidas.

*(K. Kalocsay)*

# Stranga Knabinaĉo*

— J. Ŝirjaev —

*Al f-ino Wanda Neumanovicz*

Smolensk. La 15-an de Septembro 19...

Wanjo, mia anĝelo!

La vagonaro staras tie ĉi unu horon. Mi utiligas la tempon por plenumi mian promeson. Mi skribas sidante en angulo de la stacidoma salono. Baldaŭ estos noktomezo, sed tie ĉi ĉiuj tabloj estas okupitaj, eĉ al la mia sidiĝis junaj geedzoj. Ili mallaŭte-duonvoĉe flustras ion unu al la alia; eble pri mi. Nun, mia koro, miaj pensoj plene estas okupitaj per vi kaj sur mia vizaĝo, sendube, nun rebrilas feliĉo, amo. Tial miaj najbaroj devas konjekti, ke mi estas feliĉulo, enamiĝinto, ke mi skribas al mia adorata fianĉino...

En la vagonaro mi pasigis pli ol dek horojn. Mi sidis apud fenestro, rigardante pacajn pejzaĝojn, arbarojn kun ilia aŭtuna beleco. Miaj pensoj ĉiam estis malproksime, ĉe vi... kaj la flaviĝanta foliaro de betuloj, kaj la ĝardenvojetoj sternitaj per forfalintaj folioj, kun tranĉa kordoloro rememorigis al mi niajn promenojn dum la lastaj tagoj tra la ekvelkinta parko, kiam vi pentris bildojn pri nia estonta feliĉo, aŭ malgaje kaj adiaŭe vi ĝemis, antaŭvidante nian proksiman disiĝon...

Kredu, jes, kredu je pli luma estonteco kaj forpelu de vi tuj ĉion malgajan nubeton. Skribu!... Mi kisas viajn ĉarmajn okulojn.

Ĉiam fidela via:

*Zygmunt.*

*Al s-ro A. Jaworowski*

Moskva. La 16-an de Septembro 19...

Kara amiko!

Mi ĵus revenis en Moskvon kaj rapidas sciigi mian nunan adreson, esperante havi kun vi, kiel antaŭe, viglan korespondadon.

Vian lastan leteron mi ricevis antaŭ longe, sed en mia vivo ĝuste tiam okazis io tre grava, kio igis min ne sole prokrasti la respondon, sed ankaŭ forlasi ĉiujn miajn kutimajn okupojn. Sed mi priskribos ĉion laŭ ordo. La pasintan someron mi pasigis en la somerloĝejo de riĉa inĝeniero, kiel edukisto de du liaj infanoj. Pro tio mi ĝuis dum la tuta somero nekutime komfortan, satan kaj trankvilan vivon, precipe *satan:* mi grasiĝis, tiel ke la graso kolektita sufiĉos por kelkaj monatoj de malsatado.

La somerloĝejo kuŝis en belega ebenaĵo, de ĉiuj flankoj ĉirkaŭata de montetoj, grandega parko kaj arbaretoj; ĝin tratranĉis pentrinda rivereto Wanda... jes, tia estas la nomo de la rivereto!

Mi neniam kuraĝus haltigi vian atenton per tiaj bagateloj, ĉar mi scias, ke en via loĝloko mankas nek arbaretoj, nek montetoj, nek riveretoj, sed mankas tie Wanda... dum en la somerloĝejo estis du belulinoj Wanda: la rivereto kaj ŝi... ĝia samnomulino.

Antaŭ du monatoj, en varmega somera tago, mi promesis kun la du edukataj infanoj (sepjara knabo kaj kvinjara knabino) tra la parko.

La promeno jam proksimiĝis al fino kaj ni estis proksime al la domo, kiam mi subite ekaŭdis laŭtan ploron de knabino. Ŝi falpuŝiĝis je arbostumpeto kaj iom ŝiris la puntaĵon de sia vesto. Efikis nek konsoloj, nek admonoj: la knabino ne ĉesis plori. Mi staris super la obstinulino hezitante, kiam ies facilaj paŝoj aŭdiĝis post mi. Mi returnis la kapon kaj rigidiĝis pro miro. Nekonata fraŭlino de dekok jaroj proksimume, sufiĉe simple vestita, sed neordinare bela, rapidis helpi al mi. Kun ĉarma rideto sur la rozaj lipetoj, afable ŝi ekbalancis al mi sian kapon kaj kliniĝis super la knabino. Post momento en ŝiaj manoj aperis de.ie kudrilo kaj ankoraŭ post unu momento la knabino jam saltis antaŭ mi, gaje montrante la veŝtaĵon, sur kiu jam estis tute nerimarkebla la trueto.

De tiu tago preskaŭ ĉiutage, promenante kun la infanoj, mi havis okazon vidi ŝin jen en la parko, jen apud la rivereto, jen ie aliloke. Baldaŭ ni tiel kutimiĝis al ŝi, ke la infanoj malgaje revenis hejmen, se ni iam povis nenie renkonti »onklinon Wanda«, kiel ili ŝin nomis. Ĉion ceteran vi, sendube, jam komprenos kaj mi ne enuigos vin per superfluaj detaloj. Mi nur diros, ke ŝi estas malriĉa kuracistino, havanta monatan salajron nur de dudek rubloj, sed bone edukita, alte inteligenta kaj talenta fraŭlino. Mi vidis jam multajn fraŭlinojn, sed tian perfektecon, tian ĉiuflankan disvolvon apenaŭ iu eĉ supozis trovi iam en fraŭlino!...

Ni reciproke amas unu la alian, ni promesis, ke de nun ni estos gefianĉoj kaj eterne, kiajn ajn malhelpojn ni renkontos sur nia vivvojo, ni apartenos unu al la alia. Kiel signon de tio, mi portas nun fiere sur mia fingro masivan oran ringon, kiun ŝi donacis al mi antaŭ la disiĝo. Bedaŭrinde, mi ne havis ion similan por donaci al ŝi, sed ŝi kontentiĝis per mia fotografaĵo.

Mi volus doni al vi pli klaran ideon pri la fianĉino kaj ŝiaj neordinaraj kapabloj, sed mi timas, ke vi ne kredos kaj opinios, ke mi — tre nature, kiel enamiĝinta, — ĉion trograndigas. Sed mi ne estas ema al trograndigado, vi mem vidos: pasos monatoj, jaroj kaj mia ama ardo ne malvarmiĝos kaj la ĉarma bildo de belulino Wanda neniam malheliĝos en mia imago.

Post unu jaro mi finos la universitatan kurson, tiam ni geedziĝos kaj kune venos ien eksterlanden por daŭrigi nian lernadon, — tiel ni interkonsentis. Vere, ni ambaŭ estas malriĉaj, sed ĉu ni ne venkos ankaŭ tiun ĉi malhelpon? Ni ja estas tiom junaj, tiom esperplenaj kaj fortaj je spirito kaj korpoj!...

Mi ne komprenis, kion vi volas de mi; eble, vi volas doni al mi ian komision en la urbo? Skribu pli klare kaj pli detale, — mi penos ĝuste plenumi ĉiun vian komision, ĉiun deziron, kia ajn ĝi estus.

Skribu!... Via feliĉa amiko:

*Zygmunt.*

*Al fr-ino Wanda Neumanovicz*

Moskva. La 17-an de Septembro.

Mia milda anĝelo Wanjo!

Jen, mi ree jam estas en la urbo, ree eniĝas ĝian vantan vivon, sed la pensoj pri vi, mia kara, eĉ por unu minuto ne forlasas min. Kie ajn mi estas, kion ajn mi faras, mi ĉiam vidas vian ĉarman vizaĝeton seriozan, mi ĉiam aŭdas vian dolĉan voĉon kaj rememoras

* El la postlasaĵo de l' aŭtoro.

## AL LA KNABINO KUN PALA VIZAĜO

— EMBA —

En via koro eble nun burĝonas
la june ruĝa floro de l' printempo
kaj en l' animo eble nun eksonas
mirindaj kordoj de la maja sento,
sed viaj vangoj sub somera suno
salutas min kun palo de aŭtuno.

Eklarmas mia koro vin vidante
en zuma laborejo de uzino
kiam mil mordajn radojn murmurante
movas la monstra forto de turbino
kaj viajn vangojn en ĉi raba rito
makulas strioj de fulgmiksa ŝvito.

Mi vin renkontas ankaŭ en kontoro.
Tuttage sidas vi ĉe skribmaŝino,
dum viajn formojn taksas direktoro;
kaj ĝis alvenas rampa tagofino
en timo, honto, trem' kaj korsufero
vi revas pri la amo kaj libero.

Ankaŭ en vendohaloj vi ĉeestas;
vizaĝo via palas post vendtablo;
dum monon nur la poŝ' de l' ĉef' digestas,
vi kun deviga klino kaj afablo
alportas por mi ŝtrumpojn kaj kravatojn,
por kiuj mi ŝparadis ses monatojn.

Vin ĉie vidas mi en viv' vandala;
se por konsolo aĉa en kantinon
min pelas la amar' — kun vango pala
vi portas al mi la malbenan vinon
kaj via rido kompatinde lamas;
Knabino palvizaĝa — mi vin amas.

## MI AMAS LA VILAĜON

— EMBA —

Mi amas la malgrandajn domojn
kun tiuj neĝe blankaj muroj
en vintra tag', se ilin premas
de-supre kelkaj temploturoj.

Mi amas la silenton noktan
kiam la zorgo jam ekdormis
kaj la hundboja sonĝ' el nuno
pli belan estontecon formis.

Mi amas labortage: ĉiujn
de peno kaloplenajn manojn;
dimanĉe: ĉirkaŭ la preĝejo
kraĉantajn krudajn kamparanojn.

Mi amas la ĉifonajn bubojn,
se ili dance formas rondon,
ĉar ankaŭ mi el dom' vilaĝa
ek-ploris en ĉi putran mondon.

---

niajn orajn revojn. Vi vidas, mi tute apartenas al vi kaj tio ĉi daŭros senŝanĝe de tago al tago, ĉiam, eterne.

Post longa serĉado mi, fine, trovis bonan loĝejon. Vere, ĝi estas iom kara, sed tre komforta kaj kuŝas proksime al la universitato. En la ĉambro mi loĝas sola kaj tio estas tre grava, ĉar neniu malhelpos min en miaj sciencaj laboroj kaj, precipe, en mia revado pri vi kaj nia feliĉo, kiu staras de ni jam ne tiel malproksime, kiel ŝajnis al mi antaŭe. Ho, la tempo... tiuj ĉi ok aŭ naŭ monatoj pasos nerimarkeble kaj tiam plu nenio disigos nin!...

Kvankam mi havas ankoraŭ sufiĉe da mono, mi penos tuj trovi ian helpan laboron; trovi tian en la granda urbo estas tre simpla afero — kaj mono ja estas tiom necesa por nia estonteco! Mi ĉiam konsideras tion, kaj nun mi estas tre ŝparema.

Pro Dio, skribu al mi kiel eb'e plej ofte kaj gardu vin kontraŭ malvarmumo, tiom facile akirebla dum aŭtuno. Memoru, kiel altvalora por mi estas via bonstato.

Ne sopiru, mia kara! Mi kisas mil fojojn viajn lipetojn, okulojn kaj restas ĝis ĉerko via fidela:

*Zygmunt.*

### *Al s-ro A Jaworowski*

La 18-an de Oktobro.

Kara amiko!

Mi tre ĝojas, ke vin agrable tuŝis mia sciigo pri la fianĉiĝo kun Wanda, kaj ke vi plene aprobas min. Ho, se vi povus vidi, mia Wanjo estas tia trezoro, tia perfekto! Ankoraŭ en la antaŭa letero mi intencis diri ion al vi pli detale pri ŝi, sed mi timis vian antaŭjuĝon. Rimarku, kiom da plej kuraĝaj planoj havas ŝia kapeto, kiom da espero! Kaj kia kapabla ŝi estas! Ŝi delonge revas pri eksterlando, kie ŝi povus lerni kaj disvolvi siajn kapablojn kaj i'i estas disvolveb'aj en du direktoj tute malsamaj: laŭ la speco de sia nuna profesio, ŝi revas farigi doktorino, aŭ, kio ankoraŭ pli multe al'ogas ŝin, teknikistino-elpensistino. Ĉu vi dubas? Mi mem longe ne volis fidi al ŝi, ofte aŭskultante ŝiajn entuziasmajn parolojn, sed, unufoje ekvidinte ŝiajn teknikajn desegnaĵojn kaj grandan ko'ekton da modeloj, kiujn ŝi faris propramane kaj preskaŭ tute sen ilaro, mi konvinkiĝis proprokule, kiom talenta ŝi estas kaj kiom ŝi bezonas specialan instruadon. Imagu, mi vidis ĉe ŝi desegnaĵojn de aparato por aerveturado, kiu permesos al iu ajn flugi sen la helpo de la nuntempaj aerŝipoj. La aparato estas tre simpla kaj, laŭ ŝiaj vortoj, estos akirebla por iu ajn. Mi nenion komprenas en meĥaniko, nek en aviado, tial mi ne povas juĝi pri la va'oro kaj mankoj de ŝia elpensaĵo, tamen la fakto mem, ke juna fraŭlino dediĉas sian liberan tempon al tiaspecaj seriozaj okupoj, jam e'okvente paro'as pri ŝiaj neordinaraj kapabloj kaj originaleco. Kaj ŝiaj aliaj ecoj?... Mi estas senfine fe'iĉa, havante tian fraŭlinon mia fianĉino kaj la konscio de tio donas al mi forton pli pacience to'eri la mizerojn de mia nuna studenta vivo. Komence mi, veninte tien ĉi, loĝis en bela kaj sufiĉe komforta ĉambro, sed mi baldaŭ konvinkiĝis, ke mia monujo treege maldikiĝas de tago al tago, ke mi devas pli singardeme elspezi, kaj mi jam decidis ŝanĝi la loĝejon je pli modesta kaj pli malkara, sed oni priŝtelis min. Unufoje, reveninte hejmen, mi konstatis, ke mia monujo malaperis... Kompreneble, ĉiuj serĉadoj restis senrezultaj. Nun mi loĝas en malgrandeta ĉambraĉo subtegmenta. La ĉambraĉo estas pli malgranda ol la antaŭa kaj malgraŭ tio en ĝi ni loĝas triope. Miaj kunuloj havas litojn, sed mi dormas sur la planko inter iliaj litoj, ĉar mankas spaco por la tria lito. Tio ĉi ne estas grava, — ja la homo

estas facile kaj baldaŭ kutimigebla al iaj ajn vivkondiĉoj, — tio ankoraŭ ne estas granda malĝojo. Sed jen nia vera malĝojo: ĉiuj ni ne povas ĝis nun trovi eĉ la plej malgrandan laborenspezon kaj, se la afero daŭros tiel ankoraŭ unu monaton, oni forpelos nin el la ĉambro, se ni antaŭe ne mortos de malsato. Ni delonge ne tagmanĝas kaj estas neelparoleble ĝojaj, se iu el ni sukcesas pruntepreni ie kelkajn kopekojn por aĉeti por nia komuna manĝo panon kaj kolbasojn. Ĉion superfluan el niaj kostumoj kaj cetera havaĵo ni delonge jam vendis aŭ portis en garantipruntejon kaj jam delonge miaj kunuloj ĉagrene rigardas mian oran ringon de Wanda kaj ne senkaŭze ofte aludas, ke mi ne rajtas uzi senutile tian luksaĵon. Sed vi komprenas, ke mi ne povas seniĝi je ŝia donaco, mi gardas ĝin tiel, kvazaŭ ĝi estus Wanda mem. Hodiaŭ matene ni longe priparolis nian financan kaj ekonomian staton. Dum la interkonsiliĝo mi kaŝis la manon kun la ringo en poŝon kaj ne kuraĝis elpreni ĝin de tie ĝis la fino de la interkonsiliĝo. Tiamaniere la ringo evitis la danĝeron, kiu ĝin minacis.

Tiun ĉi leteron mi sendas al vi neafrankita, pardonu, sed mi devas nun esti pli ŝparema ol iam. Sr-inon Laptev mi ankoraŭ ne vidis, tamen mi plenumos vian peton ĝuste. Ne forgesu min — vian malnovan amikon — en la mizerego kaj skribu.

Amike via:

*Zygmunt.*

### *Al fr-ino Wanda Neumanovicz*

La 25-an de Oktobro.

Mia ĉarma, neforgesebla Wanjo!

Dankon, dankon por viaj varmaj leteroj kaj bonaj konsiloj. Ĉiu via letero liveras al mi tiom da ĝojo



Ervin Pál-Preiss *Memportreto*

kaj feliĉo, ke mi ne scias, kio okazus al mi, se mi ne havus vin, se vi ne subtenadus en mi la kredon kaj esperon je pli bona estonteco.

Bedaŭrinde, mi ne povas skribi al vi longan leteron, por ĝi tute mankas materialo. Estu trankvila, mi ĉiam estas fidela al vi kaj dum mia tuta vivo ĉi tie mi ne havis eĉ unu okazon interparoli kun ia fraŭlino, mi ĵuras! Sekve, viaj antaŭtimoj kaj antaŭsentoj sekretaj, kiujn vi aludas en la letero, estas tute senkaŭzaj. Kredu, mia anĝelo, kiam oni ne havas pecon da pano por kvietigi sian malsaton, tiam ĉiuj pensoj de li estas sole kaj sole direktataj al pano, kaj plu al nenio. Mi fartas bone, nur mi iom malsatas. Tamen mi jam alkutimiĝas al tiu ĉi malagrablaĵo kaj sentas, ke la homo malsata estas pli vigla kaj elpensema. Nun mi loĝas en malgranda ĉambreto. Miaj du kunloĝantoj estas bonegaj kamaradoj, se ni sukcesos trovi ian flankan laborenspezon, ni estos plene feliĉaj.

Detalojn pri mia vivo vi ekscios ĉe nia persona intervidiĝo, kiu, kvankam tre malrapide, tamen senhalte alproksimiĝas kun ĉiu nove-pasinta tago.

La poŝtejo kuŝas malproksime de nia loĝejo, mi petis hodiaŭ matene miajn kunloĝantojn, ke ili aĉetu ie en butiko poŝtmarkon por tiu ĉi letero, sed, kiel intence, ili nenie povis ĝin trovi. Tial mi estas devigita sendi al vi tiun ĉi leteron neafrankita. Pardonu.

Kun varmaj kisoj kaj luma espero je feliĉa estonteco tute via:

*Zygmunt.*

### *Al s-ro A. Jaworowski*

La 9-an de Novembro.

Mia amiko plej kara!

Mi estis surprizita, ĵus ricevinte de vi la monon. Jen senduba pruvo pri vera amikeco kaj pri la boneco de via animo! Kredu, mia amiko, mi neniam forgesos vian oferemon kaj penos elmeriti vian konfidon al mi. Via mono venis tre ĝustatempe, se ĝi ne estus ricevita, hodiaŭ oni elĵetus min el la ĉambraĉo en straton. Sed nun mi estas savita... Dum la lastaj tagoj ni preskaŭ nenion manĝis, neniu jam pruntedonas al ni eĉ unu kopekon. Kaj se mi ne havus la ringon de Wanda, ni mortus. Mi fordonis ĝin en garantipruntejon kaj ricevis de tie prunte du rublojn. Ho, kion mi sentis, kiam mi devis seniĝi je tiu ĉi donaco de mia Wanda, kion mi sentis! Nenia homo, kiam li mortante seniĝas je vivo, sentas tian mortigan doloron, kian mi sentis dum oni trarigardis, pesis kaj taksis la karan ringon! Sed ne supozu, ke mi por ĉiam disiĝis de ĝi, ne! Tio ja estas neebla! Tuj, kiam mi havos superfluan monon, mi elaĉetos ĝin.

La kunloĝantoj, sciiĝinte, ke mi subite riĉiĝis, ankaŭ ĝojiĝis kaj de hodiaŭ mi jam plu ne dormos sur la planko, — Levitanskij proponas al mi sian liton kaj li mem de nun dormos iom da tempo sur mia antaŭa lito, — sur la planko. Entute Levitanskij estas bravulo, li neniam pereos: li estas elpensema kaj sinoferema en ĉiuj krizaj cirkonstancoj de la vivo. Se li ne estus iom maldiligenta, li estus ideala homo. Bedaŭrinde, mi ne povas diri la samon pri mia alia kunulo Ojidalov...

Mi komencis tiun ĉi leteron matene, sed mi devis ĝin interrompi. Nun mi daŭrigos. Aŭskultu: la horizonto de nia vivo pliheliĝas, — estas proksima la horo de nia liberiĝo el la mizerego, kiu ĝis nun premegis nin

de ĉiuj flankoj. Kiam mi skribis al vi, revenis el butiko miaj kunloĝantoj, kiujn mi *sendis* por aĉeti manĝaĵojn. Ili revenis gajaj, bonhumoraj. Ĉu povis okazi alie? Ni jam delonge manĝis nenion krom pano kaj hodiaŭ, dank' al vi, ni havas abundajn kaj luksajn manĝaĵojn. Nu, ili alportis bulkojn, kolbasojn, teon, sukeron, grandan haringon, — la lasta estis metita en malnovan gazetfolion. Ni delonge vidis nenian gazeton kaj tiu ĉi folio, malseka kaj makulita, dum la teo liveris al ni ankaŭ ne malgrandan plezuron: ni atente legis ĝin de la supro ĝis la malsupro. Kaj, ho, feliĉo, kia surprizo! Ni trovis tie anoncon multpromesan, kiu, mi antaŭsentas, estos nia savo! Bedaŭrinde, sur la gazetfolio ni nenie povis trovi la daton kaj estus tre ĉagrene, se la gazeto estus malnova kaj ni malfruus... Sed al diablo la dubojn, ni esperu! Riĉa virino Trambovski anoncas, ke ŝi deziras helpi mone junajn talentajn elpensantojn, poetojn k. c. Ŝi petas, ke oni sin turnu al ŝi persone ĉiutage inter la 6-a kaj 8-a vespero.

Vi sendube imagas, kian ĝojon, kiajn lumajn esperojn, kiajn, poste, disputojn elvokis inter ni la anonco. Ni tuj decidis ne preterlasi la okazon kaj tuj hodiaŭ nin turni al la bonfarantino. Ni lotis, kaj Levitanskij devos hodiaŭ viziti la riĉulinon kaj sciiĝi detale pri kondiĉoj.

Pri la rezulto de tiu ĉi nia provo mi skribos al vi post nelonge. Nun mi skribos ankaŭ al Wanjo, ŝi delonge atendas mian leteron.

Mi amike premas vian bonan, amikan manon kaj ripetas: mi korege dankas vin, mi neniam forgesos vian ĝustatempan helpon. Ĉiam kaj ĉie via amiko:

*Zygmunt.*

### *Al fr-ino Wanda Neumanovicz*

La 9-an de Novembro.

Mia ora netaksebla Wanjo!

Viajn du leterojn mi ricevis siatempe, mi dankas vin por tiuj varmaj sentoj, kiujn vi esprimis en ili... Ankaŭ mi sentas, ke nia reciproka amo ĉiam kreskas, malgraŭ nia disiĝo. Se mi ne skribas tion ĉiam al vi, vi mem devas konjekti, ke mi ĉiam pensas nur pri vi, ke mi ĉiam revas pri tiu tago feliĉa, kiam ni ree, post longa maldolĉa disiĝo, estos jam ne plu disigeblaj...

Mia kara! Mi devas peti pardonon de vi... Pardonu min, mia ĉarma anĝelo: en la lasta tempo mi toleris tian mizeregon, ke mi, por ne morti de malsato, kuraĝis fordoni vian ringon en garantipruntejon. Kvankam tiuj du rubloj, kiujn mi ricevis tie, estis granda riĉo por mi, tamen, kion mi sentis tiam, mia kara!... Doloro tranĉis mian koron, kiam via ringeto, heredita de via panjo, kaj kun tia amo konservata de vi, estis en la malpuraj, maldelikataj manoj de oficistoj, kiuj antaŭ ol ĝin akcepti, longe pesis, taksis... Sed kion fari, mi opinias, ke mia vivo estas pli valora ol la ringon. Tamen, ne maltrankviliĝu, mia ora Wanjo, mi baldaŭ elaĉetos kaj, kiel antaŭe, portados ĝin sur tiu fingro, kien ĝin metis antaŭ la disiĝo viaj blankaj, graciaj fingretoj. Mi ĵus ricevis de amiko monon, ŝajne, post kelkaj tagoj mi jam neniam sentos plu mizeron. Anime kaj korpe via ĉiam fidela: *Zygmunt.*

### *Al s-ro A. Jaworowski*

La 11-an de Novembro.

Karega amiko!

Laŭ mia promeso, mi daŭrigos nun mian leteron, senditan al vi antaŭ du tagoj. Mi kaj Ojidalov longe kaj malpacience atendis la revenon de Levitanskij. Kiam, fine, li revenis, ni superŝutis lin per niaj demandoj. Levitanskij havis malgajan mienon kaj estis malkontenta je io kaj neparolema. Post longa demandado ni tamen sciiĝis, ke la bonfarantino efektive ekzistas kaj serĉas »stultulojn« senlaborajn kaj naivajn, simile al ni, kiuj supozas, ke oni tuj ŝutos al ili oron, kiam ili venos en ŝian antaŭĉambron. Pluajn detalojn ni ne povis ricevi de li, li tuj enlitiĝis. Mi sentis, ke ĉiuj miaj esperoj kaj planoj rompiĝis.

Nokte Levitanskij vekis min. »Zygmunt, — li flustris al mia orelo — Zygmunt, morgaŭ iru vi al ŝi.« »Kien?« — mi demandis ankaŭ flustre. »Al ŝi... ĉu vi ne komprenas? Ŝi estas diable riĉa, vi vidos, kaj se la afero ne prosperis al mi pro manko de diplomatio, vi, mi scias, aranĝos ĉion«. Mi demandis pri la detaloj de lia vizito, sed li ne respondis kaj post nelonge ekronkis. Frumatene li jam foriris ien. Nenion dirinte al Ojidalov pri mia intenco, mi vespere ekiris laŭ la adreso, montrita en la gazetfolio. Ŝi loĝas malproksime de ni en la centro de la urbo, en granda kaj bela domo. Min akceptis altkreska, grasvizaĝa pordisto, kiu baris mian vojon kaj per grava mangesto postulis, ke mi lasu en la antaŭĉambro mian ĉapelaĉon kaj palton. Mi obeis kaj poste eniris. Tie, sur dika, mola tapiŝo, promenis du ĝentilhomoj duonvoĉe interparolante, kaj, sur mola velura kanapo, sidis malriĉe vestita junulo kun pala kaj maltrankvila vizaĝo. En la manoj li tenis grandan papervolvaĵon. Ĵus mi alproksimiĝis al li, kiam la pordo malfermiĝis kaj la junulo, kiel freneza, salte leviĝis de la kanapo kaj tuj malaperis post la pordo, apenaŭ ne faliginte dikulon kun ruĝa kaj ŝvitkovrita vizaĝo, kiu, kun granda paperujo sub la brako forlasis la ĉambron. La ĝentilhomoj interŝanĝis okulsignojn kaj ekridetis, ne haltante eĉ por momento. Mi haltis apud fenestro kaj penis ordigi la pensojn, kaj min prepari por la renkontiĝo kun tiu enigma bonfarantino de la homa gento, aŭ pli ĝuste, de talentuloj, al kies nombro mi volis nun esti kalkulita. La junulo baldaŭ venis el la ĉambro, mallevinte la kapon, kaj, neniun rigardante, foriris. Nun

## Juna Janson
(Marista kanto)
— Dan Andersen —

Hejo ho, vi juna Janson, jam fortiĝas matenvento,
lasta nokto forruliĝis; tuj Konstanca iros do.
Se patrinon vi brakumis, kisis Stinjon kun lamento,
se eltrinkis vi la brandon, kanto: hejo ho!

Hejo ho, vi juna Janson, timas vi en lasta horo,
ke vin la knabino trompos kaj forlasos en malĝoj'?
La matena stelo brilas; ĉu ne batas via koro?
Turnu al la vent' la nazon, kantu: hejo hoj!

Hejo ho, vi juna Janson, eble estos via sorto
ne virinoj — sed la ŝarkoj sub la sudo-mara blu'!
Eble inter la koraloj embuskadas tie Morto,
la krudmana sed honesta, kantu: hejo hu!

Eble sidos vi, maljuna, sur farmet' en Alabamo,
dum kribriĝas sur tempiojn griza polv' de l' vivo-voj'.
Eble vi forgesos Stinjon pro glaset' en Jokohamo,
jes, ne virte, sed tre home, kantu: hejo hoj!

El la sveda: *Magda Carlsson.*

la ĝentilhomoj haltis, unu el ili iris tra la pordo. La alia restis apud ĝi kaj scivole trarigardis sur ĝi la figurĉizaĵojn. Sed pasis nur unu minuto, la ĝentilhomo ree elvenis kaj interŝanĝis kun sia kunulo kelkajn frazojn. Post tio ili ambaŭ aliris min kaj ĝentile proponis eniri al la bonfarantino.

Ŝi montriĝis altkreska, impona virino, de tridekkvin jaroj proksimume, kun serioza, iom sopiranta vizaĝo kaj longaj belaj manoj nudaj ĝis la kubutoj kaj ornamitaj per juveloj. Ŝi sidis ĉe negranda tablo kaj per penetra rigardo longe ekzamenis min de la kapo ĝis la piedoj. Mi siavice observis ŝian mienon kaj penis konjekti, kian impreson faris je ŝi mia persono. »Ĉu vi ankaŭ venis pro mia anonco?« — Ŝi komencis, flankenturnante la kapon, sed ne deturnante de mi la okulojn. »Mi avertas vin, ke mi povas atenti nur seriozan proponon. Min senindulge atakas tre multaj talentaj homoj, bezonantaj monon, sed mi tute ne celas doni almozon al mizeruloj, por tio ne sufiĉus mia kapitalo, mi deziras kuraĝigi vere talentajn homojn kaj akceli iliajn sciencajn elpensaĵojn, se ili prezentas efektive ion seriozan kaj efektivigeblan. Por kio vi bezonas monon?« Mi tute ne atendis tian demandon, mi ja ne povis post tia elokventa averto montri mian mizeregon kaj simple peti »almozon« kaj mi decidis uzi ruzaĵon. Mi tuj ekmemoris pli la flugaparato de Wanda kaj ekparolis pri ĝi, kvazaŭ pri mia propra elpensaĵo. Mi penis rememori ĉiujn detalojn, kiujn mi iam aŭdis de Wanda, kaj ne forgesis doni liberon ankaŭ al mia fantazio. Ŝi aŭskultis min atente kaj, kiam mi finis, ŝi demandis min pri mia aĝo kaj nomo; ĉion tion ŝi enskribis en sian notlibron. »Via projekto estas tre interesa kaj subteninda«, — ŝi diris poste. »Ĉu vi havas desegnaĵojn pri la aparato?« Mi ree mensogis, dirante, ke la desegnaĵojn mi havas, sed ili estas en vilaĝo, kie mi pasigis la someron, ke mi alportos ilin al ŝi, se ŝi bezonas ilin. »Jes, ili estas necesaj. Mi montros ilin al kelkaj spertuloj. Morgaŭ mi forveturos pro miaj aferoj. Reveninte hejmen post du semajnoj, mi havos okazon ree priparoli la aferon. Ĉu vi bezonas nun monon? Kiom?« Mi ree ne atendis tiajn demandojn kaj, konfuziĝinte silentis. Post hezitado ŝi etendis al mi du orajn dekrublajn monerojn kaj petis, ke mi subskribu ian paperon, sur kiu ŝi antaŭe ion skribis per bela virina skribmaniero.

Jen, mia amiko, estas miaj aventuroj de la lastaj tagoj. Mi ne pensas pri tio, ĉu mia ago estas honesta, ĉu mi iam ree venos al la bonfarantino? Mi estas nur senlime ĝoja, ke mi havas eblon tuj elaĉeti la ringon de Wanda kaj ke por longa tempo mi estas savita kontraŭ malsatado.

Eldiru vian opinion pri ĉio skribita kaj ne juĝu min tro severe; kiam oni malsatas, oni ne povas multe rezonadi pri nobleco, konveneco kaj aliaj »ecoj«, — ilin priparolu satuloj.

Kore via:

*Zygmunt.*

## *Al f-ino Wanda Neumanovicz*

La 15-an de Novembro.

Mia kara knabino!

Mi rapidas trankviligi vin, — vian ringon mi jus elaĉetis kaj nun mi ree portas ĝin sur mia fingro kaj ĉiuminute ĝin rigardas, kvazaŭ amadmirante vin mem. Serĉante laboron, mi tute okaze konatiĝis kun tre grava kaj riĉa persono, kiu vere interesiĝas pri ĉiaj sciencaj elpensaĵoj kaj malavare subtenas ĉiun seriozan provon en tiu ĉi kampo. Unufoje, kiam mi interparolis kun la persono, mi rakontis pri vi, via emo al elpensaĵoj kaj precipe pri via projekto de flugaparato. Tiu ĉi persono tre interesiĝis pri vi kaj pri via projekto... Li povas fari al vi netakseblajn servojn: mi petas, sendu al mi viajn desegnaĵojn de la aparato. Mi kisas vin kaj petas senprokraste plenumi mian peton.

Via: *Zygmunt.*



Ervin Pál-Preiss *Maljuna kamparano*

## *Al s-ro A. Jaworowski*

La 1-an de Decembro.

Kara Amiko!

Vian leteron mi ricevis antaŭ kelkaj tagoj kaj de tago al tago mi prokrastis respondi. Mi devas diri, ke via letero surprizis min, konsternis. Vi tro severe juĝas min, sed se vi vivus en tiaj kondiĉoj, en kiaj mi, mi ĵuras, vi agus same, eĉ, eble, pli »malbone«, pli »malnoble«. Kiam homo dronas, estas nature, ke li kaptas per la manoj ĉion, eĉ, kiel oni diras en la proverbo, pajleron. Nu, ankaŭ mi estis dronanta. Kaj kiam, ŝajnis, jam estis nenia espero je savo, mi kaptis la anoncon, mi faris »la malnoblan« agon, kiel vi nomas ĝin. Jen, kiel oni devas ĝuste rigardi la aferon, antaŭ ol juĝi ĝin severe. Mi ne scias, kiom konvinka por vi estos mia klarigo, sed mi sentas, ke mi agis ĝuste, ĉar mia konscienco estas trankvila...

Vi petas priskribi al vi pluajn detalojn de mia »aventuro«, — sed ĉu ili ne estas nun jam superfluaj? Wanda sendis al mi la desegnaĵojn, mi transdonis ilin al s-ino (ŝi estas vidvino) Trambovski, kiu prezentis ilin al juĝo de kompetentuloj. Feliĉe, ni pli proksime konatiĝis unu kun la alia, antaŭ ol venis la verdikto de la kompetentuloj, alie mi estus simple eljetita. La

projekto de Wanda montriĝis nur »ridinda infanaĵo, neniam efektivigebla, kies aŭtoro havas nenian ideon eĉ pri la plej elementaj leĝoj de fiziko kaj meĥaniko.« Vi vidas, ke mi ne profitis el la elpensaĵo de Wanda, kion vi timis kaj je kio vi min riproĉis. Nun mi estas fianĉo de la sinjorino-bonfarantino, kiu, mi devas aldoni, neniam estis aŭ celis esti bonfarantino. Ŝi sole celis per sia anonco trovi inter la junuloj konvenan fianĉon. Tuj, kiam ŝi trovis, la pordoj de ŝia domo fermiĝis kaj jam delonge neniu, krom mi, transpaŝas ĝian sojlon. Kiel okazis tio? Mi mem ne povas klare prezenti al mi ĉion, sed, ŝajne, en ĉio kulpas Wanda. Kiam mi ricevis de mia nuna fianĉino 20 rublojn, mi tuj elaĉetis la ringon de Wanda. Kaj, kiam mi venis al mia nuna fianĉino je la tria fojo, mi jam havis sur la fingro la ringon. Ŝia rigardo haltis sur la ringo kaj vekis ŝian scivolon. Mi malkaŝe rakontis al ŝi pri Wanda, pri mia amo al ŝi, pri mia mizerego, pri ĉio... Tre nature, mia sincereco ŝin infektis, ŝi komencis rakonti pri si... kaj la afero estis aranĝita iel nerimarkeble, facile kaj firme.

Nia geedziĝo okazos post la Novjaro kaj, kiam mi finos la universitatan kurson, ni forveturos en Krimeon, kie »ni« havas propran somerloĝejon komfortan...

Se vi dezirus esti nia akompananto tien, ni ambaŭ tre dankus vin... kaj mi havus bonan okazon tiamaniere repagi al vi mian iaman ŝuldon.

Kun amika manpremo

via: *Zygmunt.*

### *Al f-ino Wanda Neumanovicz*

La 15-an de Decembro.

Estimata Fraŭlino!

Mi resendas viajn desegnaĵojn. Kelkaj kompetentaj homoj trarigardis ilin kaj ili trovis vian projekton kuraĝa kaj originala, kvankam, ŝajne, neefektivigebla. Kion fari? Tamen, ne malesperu, vi ja scias, ke la vojo de ĉiuj elpensistoj komence estas dornoplena kaj nur poste oni povas rikolti sur ĝi rozojn. Al vi, se paroli sincere, mankas scienca antaŭpreparo, vi devas ankoraŭ multe kaj serioze labori kaj lerni por atingi ian sukceson. Mi scias, vi estas malriĉa, mono ĉiam mankas al vi, sed, feliĉe, nun tio ĉesos, ĉar mi fianĉiĝis kun riĉa... Gustokaze, mi devas sciigi al vi, ke ni devas forgesi niajn iamajn tiom naivajn... sendube, vi ankoraŭ memoras tiujn pure infanaĵajn revojn, promesojn. Nu, pripensu vi mem, pripensu logike, ĉu ni povus atingi ion en nia vivo, estante ambaŭ malriĉaj? Nin atendus nur disreviĝo mizerego... Mi bedaŭras, ke mi mem pli frue ne konsideris tion ĉi kaj tre dankas mian fianĉinon, ke ŝi ĝuste ekrigardis la aferon kaj ĝustatempe avertis min de tiu falsa kaj danĝera paŝo. Nun mi estas riĉulo. La fianĉino posedas krom luksa domo, en kiu ŝi loĝas, ankaŭ belan somerloĝejon en Krimeo sur la bordo de la maro. Se vi deziras lerni, mi ĉiam estas preta vin servi kaj plezure mi provizos vin eĉ per la mono bezonata por tio. Ankaŭ, se vi dezirus iom ripozi somere en la feliĉega sudo, ĉiam por vi estas preta anguleto en mia somerloĝejo. Ambaŭ proponojn mi faras al vi laŭ la deziro de mia estonta edzino. Se vi povus imagi, kiel ŝi amas vin kaj kiel ŝi simpatias al vi! Vere, ŝi povas anstataŭi por vi vian patrinon mortintan! Venu al ni, vi mem vidos tion.

Nia edziĝsoleno okazos la 8-an de januaro, sed ni restos en la urbo ĝis kiam mi finos la universitatan kurson. Nur tiam ni forlasos la polvan, enuigan urbon kaj transloĝiĝos en Krimeon.

Mi konsilas serioze pripensi la proponojn, tiaj okazoj nun estas maloftaj.

Kun alta estimo

preta servi al vi: *Zygmunt Tryniszewski.*

P. S. Ha, mi tute forgesis! Ĉu vi memoras tiun ringon, kiun vi heredis de via patrino kaj kiun vi tiam donacis al mi? Nu, kia ĉagreno! Mi perdis ĝin ie. Skribu, kion vi preferas: anstataŭ ĝi mi povas sendi al vi alian, luksan ringon, aŭ ian alian juvelon valoran, aŭ eble monon.

*Z. T.*

### *Al s-ro A. Jaworowski*

La 12-an de Januaro.

Kara Amiko!

Vian leteron mi ricevis antaŭ longe kaj via gratultelegramo venis ĝuste dum nia soleno. Ni estis tre

## Ĉa malbona mortinto

— Maurice Rollinat —

Karnon, hararon, brovon, morttukon kaj la ĉerkon,
La tombo manĝis ĉion, ĝi finis sian verkon.
En mia subterejo mi maljuniĝas sola
Kun mia malvarmega maldormo senparola.

Mi sentas mian kapon pli kaj pli iĝi ŝrumpa;
Restaĵo de mortinto, mi dispeciĝas stumpa.
Fine mi resopiras eĉ je l' putranta stato:
Je l' tempo, kiam estis la vermoj sen malsato.

Sed la fajlilo de la forgeso pasas vana
Sur mia postrestaĵo de tag' al tag' pli nana:
Ĉi tie kuŝas trude la karno de virino.

Kaj jen por mallojalaj, perfidaj paraj agoj
Dezir' malfermas, kio estis du miaj brakoj,
Postvivas mian polvon mia malĉastinklino.

El la franca: *Lucien Thèvenin.*

## Kanto de l' sklavino

— Andr Niedra —

Vin, ho arbaroj trakiaj,
vin nur sopiras la kor';
foras la bordo patruja,
finon ne havas plu plor'.

Ne pro l' katenoj de l' sklavo
regas l' animon turment':
penso pri l' suno hejmlanda
tuŝas ĝin, kvazaŭ nordvent'.

Penso pri l' suno hejmlanda!
Vibras la kant' pro ĉagren'...
Larmoj inundas vesperon,
en larmoj sin lavas maten'...

Nigraj profundoj de l' maro
glutas la stelojn de l' sfer'.
Ne, tie dronas ne steloj —
mortas... mia... esper'...

El la latva: *N. Kurzens.*

# Ĉa landkarto

– Jenö Heltai –

Post la vespermanĝo ni sidis en la verando kaj parolis pri la milito. Pri bonaj amikoj, kiuj foriris kaj jam revenis kun vindita kapo, suprenligita brako, sin apogante sur bastono. Iom post iom ni malgajiĝis, la laŭta parolado pli kaj pli mallaŭtiĝis. Ni silentiĝis. Senvorte ni rigardis al la du grandaj landkartoj, kiujn mi najlis dum la unuaj tagoj de aŭgusto sur la muron de la verando kaj garnis per la multkoloraj flagetoj de la militaj popoloj. Kiom da sango devis elflui, kiom da vivo estingiĝi, ĝis unu flageto daŭrigas sian vojon sur la plano unu milimetron pli supren aŭ suben al la nomo de franca, rusa aŭ serba vilaĝo.

La virinoj komencis frosteti en la malvarmeta septembra nokto kaj la franca fraŭlino alportis tukojn el la ĉambro. Je la 11-a horo ĉiu estis malbonhumora kaj dormema kaj kiam miaj gastoj komencis adiaŭi, mi ne retenis ilin. Mi havis ankoraŭ laboron, mi malzorgis la flagetojn, antaŭ la enlitiĝo mi volis kompletigi, kion mi preterlasis. Sur la batalejo de tiam okazis multe da ŝanĝoj, ni marŝadis pli internen en Ruslando, kaj la federaj germanaj armeoj post triumfaj bataloj proksimiĝis al Parizo.

Endome ĉiu dormis, nur la franca fraŭlino estis maldorma. Mallaŭta, milda kaj modesta eta franca knabino, kiun dum la tri jaroj, antaŭ kiuj li venis el Parizo al ni, ni ege ekŝatis. Kiam la milito eksplodis, pale, kun ploranta buŝo ŝi demandis min, ĉu ni lasos ŝin servi plu, aŭ ankaŭ ŝi estas malamiko, kiu devas forlasi la domon. Mi trankviligis ŝin. De tiam ŝi iĝis eĉ pli silenta kaj modesta, apenaŭ ni aŭdis ŝian parolon kaj prefere ŝi parolis hungare. Dum tri jaroj ŝi lernis bonege la hungaran. Nun ŝi reordigis la verandon, enportis la likvorojn kaj la cigaredskatolon, relokis la ĝardenseĝojn. Senbrue ŝi iris-venis, dume mi serĉis la gazetojn, ke laŭ ili ekzakte mi konstatu la aŭtentikan bildon de la batalejo. La mademoiselle ekstaris antaŭ mi:

— Ĉu vi deziras ankoraŭ ion?

— Mi petas tiun malgrandan skatolon, en kiu estas la flagetoj. Ĝi staras sur mia skribotablo.

Ŝi elportis, metis ĝin antaŭ min kaj mallaŭte diris bonan nokton. Mi restis sola kun la landkartoj kaj flagetoj, sola kun la milito. En la malvarma nokto la steloj brilis, kiel blankaj glacisplitoj. La grandaj, blankaj rozoj de la velkanta ĝardeno klinis siajn lacajn kapojn al la folioj, kiel la mortanta cigno al la verda akvo de lago. Kiam mi rigardis la rozojn, mi rememoris Anna Pawlowa kaj la rusan baleton, francajn aŭtorojn, kiujn mi tiom amis, ne forgeseble belajn anglajn knabinojn, Parizon kaj Londonon. Ĉion, por kio mi entuziasmis dum la tuta vivo kaj de kio disigis min la oceanoj de la malamo. Mi fiksrigardis la landkarton, mi mem ne scias kiom longe, ĝis riveroj, montoj kaj limoj kunfandiĝis antaŭ miaj okuloj kaj mi vidis nur ruĝajn kaj nigrajn makulojn, sangomarojn kaj kadavromontojn.

Venis malvarmeta vento. Mi skuiĝis kaj ekstaris. El la skatolo mi prenis kelke da germanaj flagoj, por piki per kruela mano en la turmentitan korpon de Francujo. Sur tiu ĉi parto de la landkarto viciĝis plej dense la flagetoj unu apud la alia — ĉerkonajloj! — mi diris alrigardante la karton.

Mia unua distra rigardo vidis ĝin tia, kia ĝi estis antaŭ kelkaj tagoj, sed kiam mi pli bone rigardis, mi ege surpriziĝis; iamaniere la karto kurioze ŝanĝiĝis. De la fronto de Namur kaj Liège malaperis la germana flago, apud ĉiu urbeto de Alsaco fieris franca trikoloro. Kaj kiam mia rigardo dum milono de sekundo traveturis tutan Germanujon, mi mire vidis Berlinon kovrita per arbaro de rusaj kaj francaj flagoj. Petola mano ludis ĉi tie per sangaj militagoj, iu el miaj infanoj falsis la mondhistorion.

Kun detalema zorgo, malrapida, bagatelema laboro mi restarigis la situacion, el Berlino mi forpelis la unuiĝintajn francajn kaj rusajn armeojn, mi redonis la belgajn fortikaĵojn al la germanoj kaj mi liberigis Alsacon. Kaj matene mi severe esplordemandis la infanojn, sed la petolaĵo ne havis farinton. La servistaro sciis pri nenio, neniu tuŝis la flagojn. Mia edzino diris plej saĝe:

— Verŝajne la vento forflugigis kelkajn flagetojn kaj tiu, kiu prenis ilin de la tero, sen scio kaj laŭ la hazardo refiksis ilin. Kaj nun li ne havas kuraĝon konfesi...

Iel mi trankviliĝis pri tio, sed de tiam mi ĵaluze gardis la landkarton kaj enŝlosis la flagetojn. Dum tri tagoj estis ordo sur la karto, sed la kvaran tagon denove renversiĝis ĉio. La germanaj flagoj malaperis de ĉie, la francaj minace plimultiĝis. Jam München kaj Dresden apartenis al la francoj, sur la teritorio

---

kortuŝitaj de viaj bondeziroj kaj siatempe ni ankaŭ tostis por via sano.

Vi skribas, ke vi volonte okupus ian oficlokon en nia bieno, sed... sed ĝuste nun mi pripensas planon de grandaj reformoj en la manstrumado de la edzino. Unue ni devos plimalmultigi nian oficistaron, poste plimalgrandigi ilian salajron... Kaj mi ne scias, ĉu vi konsentus servi ĉe ni je tiaj kondiĉoj, kiajn mi nun ellaboras? Niaj elspezoj ĉe la mastrumado estas grandegaj kaj tio ne devas daŭri. Ni devos ja pensi pri estonteco..!

Se vi serioze deziras ŝanĝi vian oficon, skribu pri ĉio detale, eble ni interkonsentos kaj aranĝos la aferon.

Pardonu, mi finas, oni vokas min...

Sincere via: *Zygmunt.*

*P. S.* Mi tute forgesis sciigi al vi jenan malsaĝan akcidenton. Ĉu vi memoras pri Wanda, nu, tiu... mia iama eksfianĉino? Rigardu, kia stranga knabinaĉo ŝi montriĝis. Tute sekrete ŝi venis en la urbon, iamaniere trovis la domon de mia nuna edzino kaj en la antaŭtago de nia edziĝo ŝi venis al ŝi. La edzino, mi jam skribis al vi, ĉiam simpatiis al ŝi, do akceptis ŝin. Kaj meze de ilia paca konversacio tiu ĉi knabinaĉo elprenis de ie revolveron kaj pafis al la edzino. Feliĉe, ŝi ne trafis ŝin. Oni, kompreneble, tuj senarmigis ŝin kaj kondukis... Survoje ŝi liberiĝis el la manoj de la kondukantoj kaj sin ĵetis sub la radojn de preteriranta tramo... Ĝis nun por mi estas sekreto, kio igis ŝin tiel agi. Mi, laŭ la peto de la edzino, proponis al ŝi monon por ebligi ŝian pluan lernadon, mi eĉ invitis ŝin gasti somere en Krimeo. Stranga knabinaĉo ŝi estis! Nu, kion ŝi celis, kion ŝi atingis?... Ĉu ŝi ĵaluzis? Neeble!... Tiu penso eĉ neniam venis en nian kapon.

*Z. T.*

# La Fantoma Kastelo

— Hans Weinhengst —

Estis fine de marto aŭ komence de aprilo. Mi eluzis kelkajn be'egajn fruprintempajn tagojn por migradi en montaro. Jam ekfloris kelkaj arboj kaj arbetaĵoj, aliaj ekburĝonis aŭ ekkreskigis delikatajn folietojn. La matenoj estis freŝaj, eĉ malvarmaj, sed la tagoj alportis agrablan sunvarmon. Nur la noktoj ankoraŭ estis frostaj en la pli monta regiono. Tie supre jam degelis la lasta neĝtavolo kaj sendis viglajn riveretojn valen inter kaj trans rokoj.

Guste la tempo, en kiu mi ŝatas fari la unuajn pli longajn ekskursojn senskiajn en mezalta montaro. Kaj mi travivis tiam kelkajn vere plezurigajn tagojn.

Subite, la kvaran aŭ kvinan tagon, ŝanĝiĝis la vetero radikale. Vere, kelkfoje jam antaŭblovis akra venteto kaj pli malpli grandaj nuboj kovradis fojefoje la sunon, tiel ke mi devis firme butonfermi mian surtuton, tamen ĉiam denove venkis la pritempa veterdio. Sed subite, iumatene, ekŝtormis, nuboj peladis unu la alian sur la ĉielo en sovaĝa flugado, la temperaturo falis tre senteble kaj finfine la ĉielo iĝis minace malhela. Ekneĝis kaj ekpluvis.

Mi, tamen ekmigrinte de mia lasta tranoktejo, rifuĝis baldaŭ en gastejon. Mi luis ĉambreton kaj sidis la tutan tagon enuante — jen en la ĉambro, jen en mia dormejo. Mi trinkis, kontraŭ mia kutimo, pli da glasetoj da vino ol estis bone, tiel ke mi vespere jam ne estis tute sobra.

Kunvenis en la gastĉambro pluraj vilaĝanoj, kiuj insultis brue pri la »aprila« vetero. Ekstere hurlis kaj fajfis vento kaj sur la fenestrovitroj klakadis pluvo.

»Brrr«, subite diris gasto, »tio estus nokto por pasigi supre en la fantoma kastelo! Ĉu ne, gastejestro, hodiaŭ ja estas tiu tago?«

»Jes, jes, hodiaŭ ĝuste estas la omena dato.«

Kiu dato? Kiu kastelo? mi scivolis.

»La fantoma kastelo«, informis min kamparano, tio estas la kastelo »Rokofirm« supre sur la Pontoŝtono, monteto apud la vilaĝo. Kaj hodiaŭ estas la dato, kiam fantomas dumnokte tie supre. Sed, gastejestro, rakontu vi! Vi scias tion pli bone ol mi kaj ni volonte aŭskultos refoje tiun historion, ĉu ne, viroj?

»Certe, jes, jes, li rakontu!« la tuta gastrondo kriis konsente.

Volonte la petito plenumis la deziron. Li sidiĝis ĉe nia tablego kaj ekrakontis:

Antaŭ ĉirkaŭ ducent jaroj tie supre en la kastelo Rokofirm ankoraŭ vivis homoj. Gajaj, riĉaj, sed pekemaj homoj. La lastaj idoj de la malnova familio »de Rokofirm«. Ĉiuvespere okazis festenoj kaj orgioj, kiuj daŭris ofte ĝis frumatene. Laŭdire oni aŭdis la bruadon iafoje eĉ ĉi tie malsupre en la valo.

La malbonan agadon partoprenis eĉ la kastela pastro, juna ĝuema viro. La sola filino de la sinjoro »de Rokofirm« enamiĝis al la bela, sprita pastro, kiu kondutis tute ne askete, sed kontraŭe tre mondume.

Foje ĉe festeno, kiam nobla societo diboĉadis en granda salono aŭdiĝis terura krakego. Parto de la kastelo kunfalis kaj mortigis la malpian rondon. Nur kelkaj homoj, ĉefe servistoj kaj la kastelfraŭlino restis savitaj. La lasta kelkajn semajnojn post la malfeliĉo, perdinte la familianojn kaj la viron de ŝia peka amo, finis sian vivon libervole. Ŝi saltis de alta krenelo en la abismon.

Poste la novaj posedantoj de Rokofirm riparigis la kastelon. Sed ili baldaŭ vendis ĝin. La samon faris ankaŭ aliaj, ĝis fine la konstruaĵo restis neloĝata. La kaŭzo de tio estas, ke en la kastelo fantomas. La animoj de la iamaj gesinjoroj de Rokofirm, kiuj mortis meze en peka agado, ne trovas trankvilon, sed iras nokte tra la ejoj kaj koridoroj lamentante kaj ĝenante la enloĝantojn. Tial jam de jaroj neniu kuraĝas pasigi nokton tie supre. Pluraj, kiuj tamen faris tion, rakontis poste terurajn aferojn. Sed el tiuj, kiuj en la datrevena nokto de la iama katastrofo sur Rokofirm aŭdacis resti supre, neniu revenis ĝis nun. Aŭ ili estis trovataj senvivaj aŭ tute ili malaperis por ĉiam. Kaj ĝuste hodiaŭ estas tia datrevena nokto.

Kun preskaŭ pia atento aŭskultis la kamparanoj la rakonton eble jam dekfoje aŭ pliofte aŭditan. Ankaŭ mi volonte aŭskultis, ĉar mi ĉiam kun infana plezuro aŭdadas pri fantoma fabeloj.

Ekregis silento en la gastĉambro. Nur la murhorloĝo tiktakis kaj la fajro en la grandega kahela forno kraketadis gaje. Ekstere klakadis pluvo kaj muĝis ventego, kiu iam-iam furioze ekhurlis. La kamparanoj sidis kun malfermitaj buŝoj kaj grandiĝintaj okuloj. La rakontinto mem rigardis serioze antaŭ sin.

Mi unua ekparolis demandante pri kelkaj okazaĵoj, kiuj laŭ la aludo de la gastejestro havis lokon en la fantoma kastelo. Kaj la viroj rakontis infan-timig-

---

de Francujo kaj Belgujo eĉ unu germana soldato ne staris, Posen kaj Breslaŭ apartenis al la rusoj, kaj la maro, ĉiu maro, al la angloj.

Mi ne tuŝis la karton kaj al neniu parolis pri la afero. Ia granda kompato vekiĝis en mi kaj mi sentis ion similan, kvazaŭ mi devus honti. Dum la tagmanĝo kelkfoje mi alrigardis la francinon, sed ŝi ĉiam evitis mian rigardon. Obstine ŝi rigardis sian teleron, ŝia rizaĝo estis timige pala.

Ankaŭ mia edzino rimarkis tion.

— Madi, kio estas al vi? — ŝi demandis kompate.

— Mia kapo doloras, sinjorina moŝto, — respondis la fraŭlino kun embaraso.

Kaj denove ŝi malsuprenrigardis. Kiam la tagmanĝo finiĝis, ŝi subite ekstaris kaj malaperis.

— Kio povas esti al tiu ĉi knabino? — miris mia edzino.

Mi diris. Mi venigis ŝin al la verando kaj montris la landkarton, la flagetojn, kiujn mi pikis indiferente kaj kruele en la koron de la franca fraŭlino. Kiom ŝi devis suferi, ĝis ŝi ekribelis kontraŭ tiu terura torturo!

Mia edzino alrigardis min. Riproĉo estis en ŝiaj okuloj. Poste ŝi sonorigis al la ĉambristino:

— Venigu la fraŭlinon.

La mademoiselle venis kaj pale, treme ŝi staris antaŭ ŝi. Ŝi atendis mortkondamnon. La sinjorino kun energia gesto deŝiris la landkarton kaj kune kun la flagoj ŝovis ilin antaŭ ŝin:

— Madi — ŝi diris milde — forbruligu ĉi tiun stultan ludilon.

La franca fraŭlino minuton staris muta, poste ekkriis kaj kun malpeziga, dankema plorego ŝi klinis sin al la ŝultro de mia edzino.

El la hungara: *F. Szilágyi.*

ajn fabelojn. Kaj kiam mi kuraĝis dubi pri la fakteco de iliaj rakontoj kaj mokridetis, ili diris, ke mi morgaŭ povos vidi homon, kiu foje pasigis nokton, sed ne datrevenan, en la kastelo. La maljunan paŝtiston Voldo, kiu iuvespere sana iris sur Rokofirmon kaj revenis surdmuta kaj duonfreneza. Li ĝis hodiaŭ restis tia.

Ne estas mia kutimo inciti kaj moki la kamparanojn, kiujn mi dum miaj migradoj sur la kamparoj kaj en la montaro ekŝatis kaj ekestimis, aŭ disputi kun ili. Sed verŝajne tiam la konsumita alkoholo kaj mia malbona humoro faris min malprudenta. Pli kaj pli mi ekmokis pri iliaj rakontoj, volis konvinki ilin pri la stulteco kaj senbazeco de ilia superstiĉo kaj parolis min mem en tian furiozon, ke mi fine elkriis:

»Vetu, ke mi pasigos nokton, kaj eĉ la hodiaŭan, tie supre kaj morgaŭ mi prezentos min al vi sana kaj bonfarta, escepte: se mi iom malvarmumos en la diabla vetero.«

Iuj el ili, jam iom ebriiĝintaj, nomis min fanfaronulo kaj instigis min al la stulta provo akceptante mian vetproponon. Kelkaj pli sobraj, precipe la gastejestro, klopodis min trankviligi kaj deteni de mia danĝera, freneza intenco.

Sed mi ekobstinis malsaĝe: kaj aŭdinte, ke la gastejestro havas la ŝlosilojn por la kastelo, ĉar li havis la oficon konduki turistojn al ĝi kaj montri al ili ĝian internon, mi insistis, ke mi iros supren al Rokofirm por tie pasigi la nokton. Ĝi kostu, kiom ĝi kostos.

Do, oni indikis kaj priskribis al mi la vojon irendan, kiun mi, laŭ ilia aserto, ne povos maltrafi, kaj mi fine prenis mian dorsosakon kaj la ŝlosilojn, pagis por la trinkaĵoj kaj la luita ĉambro kaj ekiris ĉirkaŭ la deka vespere en la abomenindan nokton. Ĉiuj adiaŭis de mi, kvazaŭ de mortonto, al kio mi respondis mokride:

»Ĝis revido, frumatene!«

Post sufiĉe longa terura marŝado, pli ĝuste: faletado kaj stumblado en palpebla nokta mallumo sur malbona, pli kaj pli kruta arbarvojo, mi fine kuŝis sur mola lito en ĉambro. Mi kuŝis supre sur la lito, ne forpreninte la supran litkovrilon, nek senvestiĝinte min. Mi estis tre laca kaj frostotremis. Sed mi ne volis ekdormi antaŭ la paso de la noktmeza horo. En mia dekstra mano mi tenis mian revolveron. Oni ja tamen ne povas scii...

Ekstere hurlis kaj furiozis la ventego, klakadis la pluvo kaj kraketadis la arboj. Ankaŭ en la kastelo konstante io bruis. Fenestroj kaj pordoj knaris kaj iam-iam mi opiniis aŭdi paŝojn, pordo-malfermojn kaj refermojn. Plurfoje sento de malvarmo ektremige fluis laŭlonge sur mia dorso. Kelkfoje krio de noktuo penetris al mi de ie. En streĉa atento mi ofte ekaŭskultis, kiam miaj ekscititaj nervoj iluziis al mi suspektindan bruon aŭ frapon al la ĉambropordo.

Subite ie horloĝo ekbatis kun obtuza sonoro: unu, du, tri, kvar — kaj ankoraŭ pli obtuze kaj laute: unu, du, tri — mi atente kunnombris ĝis dek du. »Noktmezo«, mi murmuris.

Apenaŭ forsonis la lasta horbato, kiam ie sur la koridoro estiĝis orelŝira kriado kaj hojlado. Bruoj de paŝado proksimiĝis al la pordo. Mi pli firme ektenis mian armilon. Subite longtira krio, frenezige akra, kiu sonis duone laŭ plorĝemego, duone laŭ moka ridaĉo. La flagranta lumo de mia kandelo sur la tableto desegnis monstrajn ombro-bildojn sur la muroj kaj la plafono. Laŭta frapo al la pordo. Mi salte leviĝis al sida pozo, la pordo brue ĵetmalfermiĝis kaj trans la sojlon paŝis maljuna viro kun longa barbo kaj blankaj haroj. Liaj nemovataj, larĝe malfermitaj okuloj rigide rigardis min, kiel, tiuj de hipnotito aŭ somnambulo. Malrapide li paŝis al mi.

»Haltu, he!« Mi alkriis lin, direktante la aperturon de la revolvero kontraŭ li. »Ne iru plu, aŭ mi pafos.«

Kvazaŭ nenion li aŭdus, li ankoraŭ iris du, tri paŝojn kaj haltis. Laŭ subita impulso de ektimo mi volis pafi, sed ial mi ne povis.

»Kuraĝa junulo!« la fantomo, aŭ kio ĝi estis, ekparolis. Lia voĉo sonis, kvazaŭ ĝi venus el granda, malplena kavaĵo. Kaj mi rimarkis, ke li movetis nek la lipojn nek alian vizaĝoparton, dum li parolis.

»Venu — kun — mi!« la maljunulo daŭrigis en sia malrapida, solena parolmaniero.

»Kiu vi estas?« Mi scivolis.

»Mi — estas — la — senripoza — ombro — de — malfeliĉa — viro. Mi — estis — la — lasta sinjoro de Rokofirm.«

»Ha, vi!« mi diris, »kaj kion vi deziras de mi?«

»Sekvu min!«

»Kien do?«

»En mian ludĉambron por kartludi kun mi. Unu horon nur kaj mi faros vin riĉa.«

»Ne, ne! Iru kaj lasu min trankvila!« mi respondis firme.

La fantomo rigardis min mute ankoraŭ dum momentoj. Kaj mi havis la impreson, ke en lia rigardo subite estiĝas esprimo, ia esprimo de granda bedaŭro kaj de seniluziiĝo. Poste li malrapide turniĝis kaj foriris kelkajn paŝojn. Sed antaŭ ol li atingis la pordon, liaj konturoj ekmalklariĝis, li ekŝajnis kreski




Ervin Pál-Preiss *Nudo*

kaj samtempe nebuliĝi. Li fariĝis baldaŭ nura grandega ombro sur la muro kaj plafono kaj fine malaperis tute.

Mi ĵus ekmeditis, ĉu mi estis sonĝinta aŭ, — se la viditaĵo estis realaĵo, — kiel la afero estus klarigebla, kiam ree proksimiĝis paŝoj kaj envenis ĉirkaŭ tridek-kvinjara viro en nigra pastra vestaĵo. Simile al la unua vizitinto li invitis min, ke mi iru kun li.

»Kien?« mi demandis.

»En mian bibliotekĉambron. Pasigu unu horon kun mi kaj vi estos scia kaj saĝa.«

»Ne, mi ne bezonas vian saĝon!«

Li plu insistis per plej logaj vortoj. Mi momenton ŝanceliĝis inter incita scivolo kaj timema singardo. Estus tre interese, kien li kondukus min kaj kion mi vidus. Sed ne; eble tial ĉiuj aliaj pereis ĉi supre, ĉar ili lasis delogi sin kaj iris kun la tentaj fantomoj. Kaj mi refirmiĝis en mia decido, rezisti al ĉiuj logoj kaj brave pasigi la horon de elprovo, la fantoman horon inter noktmezo kaj la unua matene.

La fantomo, kiu konfesis, ke li estas la ombro de la iama kastela pastro, atende staris silente dumtempeto. Subite li eligis sangfrostigan krion. Sekvis tondrosimila krakego, fulma eklumo devigis min fermi miajn okulojn por momento kaj, kiam mi ree rigardis, la fantomo estis malaperinta.

Nun la tuta kastelo ŝajnis viviĝi. Aŭdiĝis orelŝiraj hojlado kaj lamentado, ĉentintado kaj rapida paŝado, miaŭa kriado kvazaŭ de cent katoj pariĝemaj kaj intermite tondregaj krakoj, kiuj ruliĝis obtuze, hororige tra la ejaro de la kastelo. Iu frapadis forte sur la fenestro. Sed ne, estis nur la ventopelata pluvo.

Turhorloĝo batis. Mi rigardis mian poŝhorloĝon. Estis duona post la noktmeza horo. Subite ĉio en la kastelo silentiĝis. Malfermiĝis la pordo de mia ĉambro kaj envenis virina figuro volvita en grandan blankan tukon. Ankaŭ ŝi iris somnambule per malrapidaj, preskaŭ palpaj paŝoj. En la mezo de la ĉambro ŝi haltis, levis sian vizaĝon kun senesprima rigardo al mi. Estis belega, rava knabina vizaĝo; se ĝi estus nur pli viva kaj malpli pala! La figuro estis tre gracia, kiom mi povis taksi laŭ la formoj, kiuj tra la malpeza tuko reliefis.

Ŝi mute mansignis al mi, ke mi venu kun ŝi. Mi skuis mian kapon kaj ĉar ŝi daŭrigis la senvortan logadon, mi demandis:

»Kien? Kion vi deziras, bela fraŭlino?«

»Venu kun mi!« la fantomo ekparolis per obtuzeta, sed dolĉe peta voĉo. »Venu, brava junulo, kaj mi faros vin feliĉa.«

Ĉu mi eraris? La vizaĝo de la nokta vizitantino alprenis vivon kaj koloron. Parolante moviĝis la lipoj kaj en la okuloj ekestis petema esprimo kaj eĉ, tiel ŝajnis al mi, ia fajro kvazaŭ de vekiĝanta pasio.

Mi batalis kun mi. Jam ne nur simpla scivolo instigis min iri kun ŝi, sed ankoraŭ io alia. Estis ja stulte, sed mia koro iom ekparolis. Kaj mi kun kapjeso ekstaris. La virino kun videble kontenta vizaĝesprimo — ĉu ŝi ne eĉ ridetis? — turniĝis kaj ekiris el la ĉambro.

Momenton mi denove hezitis, mi memoris mian firman intencon nepre rezisti al ĉiaj delogoj; sed fine mi forskuis ĉiajn timemajn pensojn kaj iris plu post la virina figuro. Ĉi tiu ne turniĝis, ne rigardis, ĉu mi sekvas ŝin aŭ ne, sed iris plu tra koridoroj, sur ŝtuparoj kaj tra pordo. Kaj strange, mi ne povis vidi, kio lumas, tamen ĉiam mia vojo estis heligata kiel de kandelo, dum en anguloj kaj post kaj antaŭ mi kaŭris densa nokta mallumo.

Fine ni venis sur plataĵon negrandan. Super mi volbis la ĉielo, sur kiu tie kaj tie vibris steletoj, kiuj jen estingiĝis, jen reekbrilis. Freŝa aero alblovetis min. La vetero estis pliboniĝinta, la venthurlado kaj la pluvado jam ĉesintaj. La lumo, kiu heligis mian vojon, malaperis kaj mi momente ekhaltis vidante nenion ĉirkaŭ mi. Sed kiam miaj okuloj iom adaptiĝis, mi vidis mian gvidantinon stari antaŭ mi. Kaj iom post iom mia vidkapablo pliboniĝis. Mi ektremis, rimarkante, ke mi staras ĉe la rando de profunda abismo.

Mia gvidantino staris antaŭ mi vizaĝ-al-vizaĝe kaj etendis ambaŭ brakojn kvazaŭ por akcepti min en ĉirkaŭbrakumon. Ŝia ĉirkaŭtuko iom disvolviĝis. En tiu momento mi perdis mian prudenton kaj ĉian singardemon. Ŝi ŝajnis al mi neesprimeble aminda, posedinda, mi forgesis la veran staton de la situacio, forgesis, kion mi estis travivinta kaj sub kiaj cirkonstancoj mi konatiĝis kun ŝi. Kaj mi kuris en ŝiajn brakojn, kiuj ekĉirkaŭis min.

Miaj brakoj metiĝis ĉirkaŭ ŝia delikata, gracila korpo kaj premis ĝin al mi.

»Karulino, aminda estaĵo!« mi elspiris, »mi freneze ekamis vin. Kison! Kisu min!«

Ŝia buŝo nek evitis la mian, nek venis renkonte al ĝi. Sed ĝi estis senmova kaj malvarma. Frosta sento trafluis min kaj al mi ŝajnis ke la grundo ekcedas sub miaj piedoj.

»Ho, karulino,« mi ekkriis, »kio estas tio? Kial vi estas nun tiel senvarma? Kial vi ne plenumas nun, kion vi promesis? Parolu, eligu nur unu vorton! Kial vi silentas, kial vi estas tiel rigida, eĉ kontraŭstara? Ho, kio estas tio? Helpu, tenu min, mi ja falas, falegas...«

Kaj mi vere falegis, rapide, profunden, menskonfuze. Mi fermis la okulojn. Fine mi eksentis pezan surfalon...

Kvazaŭ en sonĝo, mi iel konsciiĝis pri tio, ke mi kuŝas en malseko, kaj deziris leviĝi, sed mi simple ne povis. La membroj ne obeis al mia volo. Krome mi havis la impreson, kvazaŭ io peza kuŝus sur mi kaj premus min grunden.

Subite mi malfermis la okulojn, sed daŭris tempeton, ĝis mi povis vidi ion. Regis mallumo, kiu iom post iom estiĝis trapenetrebla por la rigardo kaj en kiu pli kaj pli konturiĝis objektoj ĉirkaŭe, arboj, ŝtonegoj; sur la ĉielo tie kaj tie ĉi steletoj. Mi kuŝis sur la dorso, ŝajne meze en akvo fluanta. Kio estas tio sur mi kaj premas tiom peze? Mi palpis ĝin kaj ĝi ekmoviĝis. Per energia movo mi stariĝis flankenĵetante la preman pezon desur mi.

Kaj ĝi ekbojis kiel hundo. Jes ja, ĝi estis vera, granda hundo, kiu kuŝis sur mi.

Kie mi estas? Ha, kie estas la kastelo? Mi rigardis supren kaj ektremis memorante pri la profunda falego, kiun mi suferis. Sed strange! Nenio videbla pri kastelo aŭ alta rokomuro. Do, de kie mi estas falinta? Aŭ ĉu mi tion eble nur sonĝis?

Mi iris kelkajn paŝojn, ĉirkaŭrigardis kaj klopodis kolekti miajn pensojn kaj rememorojn. Mi frostotremis. Miaj vestaĵoj estis malsekaj. Nun mi vidis, kie mi kuŝis; en foseto trafluata de rivereto, kiun probable kreis la pluvego. Observante la grundon mi ekvidis postsignojn pri tio, ke mi antaŭe kuŝis aŭ sidis supre ĉe la vojrando kaj poste ruliĝis dormante malsupren en la foseton. Ho, tio certe estis la falego, kiun mi suferis!



# OBSERVO

ARTISTOJ KAJ ESPERANTO. Estas tre pripensige, ke en Hungarujo, kaj ni supozas, ke ankaŭ en aliaj landoj, la pentro- kaj skulptartistoj estas proporcie grandnombre en niaj vicoj, precipe el la juna generacio. Estus bone eble fari malgrandan organizajon por ili. Per tio nia movado multe gajnus. Ni volonte staros ĉe la gvido de tiu ĉi movado kaj pro tio estas pretaj en ĉiu numero publikigi unu aŭ du interesajn kaj sukcesajn reproduktajojn de esperantistaj belartistoj.

En la hodiaŭa numero ni prezentas al vi skulptajon, memportreton de Ervin Paál-Preis. Li estas aŭtodidakto, studis nur en privataj atelieroj, sed lia talento estas multfaceta. Liaj skulptajoj, pentrajoj kaj desegnajoj prezentas al ni bolantan animon. La animon de prahomo, renkontiĝanta kun la kulturo, kun la mondo de hodiaŭ, kun la homoj. La kolizio de tiuj ĉi du direktoj faras lian arton ankoraŭ ne finita. Ĉu venkos tiu aŭ alia direkto, ankoraŭ nescieble, sed lia talento ankoraŭ povos alporti multajn fruktojn por li, por la homaro kaj por Esperanto.

S-ano Paál estas bone konata ankaŭ kiel amatorfotisto.

## VIZITO ĈE SVEDA PENTRISTMAJSTRO CHRISTIAN KRUSE

Kursante en eta sveda komunumo Hörby, mi profitis la okazon por viziti faman svedan pentriston, Christian Kruse, en proksima Asby.

Ĉe la pordego de skania »sinjora bieno« — nun artisthejmo de familio Kruse — gastame akceptas la majstro mem, kune kun sia pola edzino. Markanta artistprofilo, aŭdaca, preskaŭ bore penetra rigardo jam atestas pri nekutimulo. Ĉarma, malaltstatura edzino, kun greke klasika beleco. Ni trapasas la koridoron plenan de viraj kaj virinaj nudstudoj el la komenca periodo pentrista de la artisto, berlinaj laborajoj. Poste ni pasas en vitroĉambron flankan, ĉie surmure sunaj bildoj de sudaj landoj. Alia flankĉambro kun pliaj verkoj de Kruse. Kaj en la ĉefhalo aro da oleaj pentrajoj. Jam supraĵa rigardeto malkaŝas al ni veran, elstaran artiston. Estas io speciale persona en ĉiuj pentrajoj de Kruse, kiu haltigas nin por longe kaj kiam ni jam pluiris, io magnete retiras nin denove kaj denove.

La pejzaĝo estas reganta motivo ĉe la sudsveda artisto. La mallonga tempo ne permesas rigardi pli ol 70—80 pentrajojn. Tamen frapas nin la riĉeco de l' motivoj. Kiom lertaj manoj, kiom bonaj okuloj bezoniĝis por malkovri belon, riĉon, kolortrezorojn eĉ en plej etaj arbustoj. La temperamenta mastrino dolĉe interplektas jen tie ĉi, jen tie etajn maldiskretajojn: tiun motivon ni trovis kune, vi memoras, Christian, kiam vespo pikis vin dum la ekpentro de tiu bildo... kaj simile.

Belaj, helaj sunradiaj momentoj eternigitaj per majstra mano, arboj dum ventblovo, antaŭuragana atmosfero, postpluva naturo, somero kaj vintro olee fotografitaj tiom vive, ke ni tute forgesas la ĉambron kie ni rigardas la pentrajojn, ni estas ekstere, sentas la spiron de l' freŝa arbaro, fojnoparfumon, aŭ polvon de landvojo, jes, eĉ polva landvojo kantas poezie sub la viviga peniko de l' artisto. Kruse pruvas riĉan talenton per diversmaniera pentropovo, se eble plej tipa por li estas la stiligado. La akraj konturoj plej originalece efikas ĉe liaj arbustbildoj oleaj kaj ĉe la pastelaj pejzaĝoj.

Lerninto de grandaj germanaj kaj precipe francaj instruistoj, Kruse rimarkiĝis kiel elstara pentristo jam antaŭ pli ol 25 jaroj, kiam li ekloĝis en Francujo. Plurfoje distingita ĉe eksterlandaj ekspozicioj, ankaŭ nun havas plurajn el siaj verkoj ĉe la Pariza mondekspozicio. Preskaŭ ĉiuj liaj bildoj, ĉu rilate komponadon — mirinda verko el ĉi vidpunkto lia »Itala maljunulino« — ĉu koncerne kolorojn, efikas dekoracie, eĉ kun monumenta forto. Ni tuj venas sub potencan efikon de bildoj tiom dekorativaj kaj ni mire demandas kiel okazis tio. Ĉar Kruse tute ne jetas kilogramojn da farboj sur la tolon, kontraŭe, ia nekutima diskreteco perfarba, ia norda fermiteco, aŭ rezerviteco, preskaŭ nebuligo, delikata redukto de l' kolorakro donas al la bildoj de Kruse ion apartan, krusean.

Se oni povas fari limojn, dividojn, la evoluepokoj de Kruse estis jenaj: komence pure impresionista kun forta sento pri la kolorvaloroj. Poste sekvis periodo, kiam li uzis la kolorojn kontrastige unu al alia. La trian parton karakterizas rilate kolorojn la valorpentrado, sed

---

Sed kiamaniere ĉio ĉi estiĝis? Kiel mi venis ĉi tien? Mi plene ekmemoris la pasintan tagon kaj vesperon ĝis la momento, kiam mi eniris la arbaron survoje al la fantoma kastelo. Mi memoris, ke mi tiam estis tre laca. Verŝajne mi sidiĝis foje por ripozi kaj ekdormis.

Mi rigardis mian horloĝon. Estis la kvara matene. Mia piedo puŝis kontraŭ io. Jen, mia dorsosako. Mi kaptis ĝin kaj ekiris valen.

Io kuris post mi. Ho, la hundo! De kie ĝi venis? Ĉagrenite mi volis forpeli la beston. Sed ĝi ĉiam ree postkuris kaj ĉirkaŭsaltis min balancante sian voston amike kaj bojetante peteme.

Do, mi lasis ĝin fine ĉe mi, karesis ĝin eĉ. Ĝi ja tamen pasigis kun mi la noktajn horojn, gardis kaj varmigis min per sia korpo. Do, ĝi iru kun mi, kiom ĝi volas. Eble al neniu ĝi apartenas. Se ĝi ne forlasos min antaŭ ol mi venos al fervojstacio, tiam mi veturigos ĝin kun mi. Mi amas hundojn kaj tiam mi ĝuste ne havis tian. Hejme mi ja havos bataleton kun mia patrino, sed fine ŝi akceptos la novan domanon.

Kiam mi ekvidis la vilaĝon antaŭ mi, de kiu mi hieraŭ vespere startis, mi decidis ne reiri en ĝin. Kaj malseka, kia mi estis, mi marŝis pli ol horon, ĝis mi atingis alian vilaĝon. Tie mi tuj iris al gastejo, kie mi vekis la mastron. Mi rakontis al li malgrandan tragedion, kiun mi, laŭ mia fantaziado, travivis en la montaro: Ke mi falis de rokajo sen serioze vundiĝi kaj devis serĉadi vojon el la arbaro irante en teruraj pluvo kaj ventego. Mi petis lin, ke li donu al mi ĉambron, preparigu al mi matenmanĝon kaj sekigu miajn vestojn.

Vespere la saman tagon, dorminte ĉirkaŭ dekdu horojn kaj revestita per sekaj vestajoj, mi ekiris al la fervoja stacio por hejmenveturi. La hundo, kiun mi baptis »Karo«, fidele akompanis min.

Kiam mi poste en la kupeo serĉis mian bileton por montri ĝin al la konduktoro, mi palpis en surtuta poŝo ŝlosilegon. La ŝlosilo de la kastelpordego! Kion fari? Ĉu mi resendu ĝin al la bona gastejestro? Kompreneble.

Kaj alveninte hejmen unu el miaj unuaj agoj estis, ekspedi poŝte la ŝlosilon al la gastejestro kune kun poŝtkarto. Mi komunikis, ke mi bedaŭrinde ne povis uzi la ŝlosilon, ĉar mi nokte vojeraris en la arbaro kaj ne atingis la kastelon.

Kelkajn tagojn poste mi jam ricevis respondon. La gastejestro kaj miaj tiuvesperaj kungastoj, kiuj subskribis la leteron, esprimis sian grandan ĝojon pri mia »saviĝo«. Ili jam estis opiniintaj, ke mi pereis kiel viktimo de la kastelaj fantomoj.

koncerne la individuan konsideron artistan: bone pripensita komponado kaj stiligo. Ĉe granda grupo da liaj pentrajoj ni renkontas ĉi fadenon personecan; laŭ sukcesa, konvinka maniero: stiligitaj konturoj de nuboj kaj arboj kaj ekstreme lerte balancitaj komponaĵoj. (Koncerne nubojn, ni menciu en parentezo, ke ĉe arego da bildoj oni ne trovas eĉ nur du kun simila nubmotivo.)

Rigardante la pentrajojn de Kruse, ni konstatas, ke li ne nur redonas arbojn, riverojn, ĉielon, sed precipe, ke li sukcesas redoni la etoson, la animon de la pejzaĝo, atmosferon, humoron de sune gajaj kaj ĝisplorige melankoliaj momentoj aŭtunaj. La granda franca artkritikisto, Clement Morro, pravas, en »La Revue Moderne illustrèe des Arts et de la Vie: »Mi konsideras Kruse-n artisto, kies verkoj nepre postvivos lin.« . . .

Kiel kutime en gastamaj svedaj domoj, riĉa kafotablo antaŭ la adiaŭo. Ni parolas pri esperanto (la subskribinto eĉ en esperanto kaj ricevas trafajn respondojn nacilingvajn) kaj ĝoje ni aŭdas, ke nia lingvo ricevis novan, valoran amikon en la persono de l' intervjuito.

*Tiberio Morariu.*

## EL LA MONDO DE LA LIBROJ.

La amo al la libroj kelktempe, precipe en la tempo de la baroko kaj rokoko, kaŭzis la plej strangajn aferojn. Temis ĉe ili ne pri la boneco de la enhavo, ne pri la beleco de la formo, sed ofte nur pri la plej surpriza, kiun la presistoj kaj posedantoj intencis, por ke iliaj »karuloj« distingiĝu de la aliaj »kutimaj« libroj.

Kiel presfarbon oni uzis ĉiujn tonojn de la ĉielarko. Oni eĉ ŝanĝis la nigron sur blanko en blankon sur nigro, kaj en la 18-a jarcento kelktempe la »livre en couleur« estis en modo: la »Libro verda« de Caraccioli aperis en 1759 kiel »livre a la mode«; post unu jaro la modolibro estis cinabroruĝa, kaj baldaŭ unu farbo ne plu sufiĉis. Ankaŭ sur la plej strangaj ŝtofoj ili estis presitaj, ekzemple sur asbesto, gardi la verkon kontraŭ fajro, aŭ sur korkfolioj, precipe en Hispanujo. La plej brila ekzemplo estas la Don Kihot presita sur korko. La libro, kion la respubliko Brazilo donacis al la papo, konsistis el orfolioj ornamitaj per juveloj. La plej altvalora paĝo de ĉi tiu orlibro estas la juvelmozaika karto de Brazilo. Tre ŝatataj estis en la Nederlando de la 17-a jarcento kaj en la Francujo de la 18-a jarcento tiuj libroj, kies literoj estis eltranĉitaj el papero aŭ pergameno kaj metitaj sur alikoloraj subaĵoj. Unikaĵo estas la Biblio de barono de Trenck, en kiun per sia propra sango li enskribis sian vivorakonton en la malliberejo. La katenita kaptito pikis en sian fingron, kolektis la sangon en telera rubo, por skribi per ĝi sur la randojn de la Biblio sian vivrakonton.

La plej granda lukso okazis pri la librobindoj: la ruĝledaj pompaj volumoj de la frua mezepoko estis riĉe ornamitaj per rokokristaloj kaj eburo; la plej fama librobindisto de Germanujo estis Jakob Krause, kiu bindis en porkledon la vojaĝon »Librarey« de la princo-elektisto August von Sachsen, pli ol 1000 volumojn. En la tempo de reĝino Elisabet de Anglujo broditaj bindaĵoj estis en modo kaj ankaŭ bindaĵoj el orforĝaĵoj kaj el emajlo.

En la biblioteko de la kuracisto D-ro Wood en Philadelphia troviĝas sep volumoj, kiuj estas binditaj per homhaŭto kaj nome per la haŭto de ilia antaŭa posedanto, juna germano kun la nomo Ernst Kaufmann. Estas »L' historire de Gil-Blas« de Le Sage, »A book about Doctors« en du volumoj de Jeaffreson, »Episoden aus dem Leben der Insekten« en tri volumoj kaj kolekto da lignogravuroj de famaj germanoj sub la titolo »200 deutsche Männer«. Estis la arda deziro de Kaufmann, esti unuigita ankaŭ en la morto kun siaj plej amataj libroj, kaj dum sia lasta malsano li prenis de sia kuracisto kaj amiko D-ro Wood la promeson, plenumi post lia morto lian strangan deziron. Sed ankaŭ en Europo ekzistas kelkaj libroj binditaj en homhaŭto, tiel ekz. en la Brita Muzeo. Pri grafino St. Ange oni rakontas, ke ŝi testamentis al la astronomo Flammarion la haŭton de siaj ŝultroj, bindi iun libron.

Aparta ĉapitro estas la pritakso de la libroj, kiu ofte dependas de la malofteco de iu libro, tiel, ke eĉ ekstere ŝajne nevaloraj kajeretoj povas atingi fantastajn prezojn. Tiel, ĉe aŭkcio en la jaro 1925 por nekompleta kajero, konsistanta el 15 inkvartfolioj, kiu portis la titolon »Oenone kaj Paris« kaj estis presita en 1594 ĉe Richard Jones en Londono, Amerika antikvajisto pagis 3800 funtojn. Ĉi tiu negrava poemo de nekonata verkisto ricevis grandan valoron pro tio, ke ĝi estas konata nur en unusola ekzemplero kaj en ĝi troviĝas la unua Shakespeare-plagiato. Ĝi nome enhavas tutan amason da versoj, kiuj tre similas al tiuj en la eposo »Venus kaj Adonis« de Shakespeare, kiu aperis en la sama jaro.

La plej multekosta libro de la 19-a jarcento estis la unua eldono de »Pickwick Papers« de Dickens, kiu aperis en 19 daŭrigoj kaj estis vendita ĉe Newyorka aŭkcio en 1927 por 65.200 markoj. La antaŭa posedanto bezonis 20 jarojn por kolekti ĉi tiujn 19 kajerojn, 18 unuopajn ŝiling-eldonojn kaj unu duoblan numeron por du ŝilingoj. Foje li aĉetis la ĉiujn Dickens-librojn de Londona Antikvajisto, alian fojon eĉ tutan libro-pakaĵegon por 2000 markoj, por trovi en ĝi kajeron de ĉi tiu unua eldono en la originala bindaĵo. Kontraŭe, unu el la plej valoraj libroj, kiuj hodiaŭ troviĝas en la Brita Muzeo, la Coverdeale-Biblio, estis aĉetita de librokolektanto ĉe buĉisto, kiu tre ĝojis, ke li ricevis por ĝi 10 ŝilingojn.

*F. W. V.*

(V.) NUMANTIO de CERVANTES. La dramo de la libereco kaj la dramo de Hispanujo, jen duobla kaj ekscita aktualaĵo, kiu ĉiuvespere altiras en la Novan Teatron Antoine de Paris ardan kaj simpatiantan publikon.

La senmorta aŭtoro de *Don Quijote* multe verkis por la scenejo, sed, samtempano de Lope de Vega, li apenaŭ trafis sukceson. Se nun iu magiisto, simila al lia dramfiguro Marquino, povus lin veki por horo, Cervantès sendube tre ĝojus pri la junaj interpretantoj, kiuj servas lian genion kun fanatika sindono. Sed, ĉe la monakinoj Trinitarias, li ripozas trankvile, se entute hispano povas esti trankvila, eĉ en la tombo.

La granda vagabondo de la ora jarcento loĝis en 1569 ĉe kardinalo en Roma. Spite al la reputacio, kiun teksis al li kelkaj profesoroj, li estis humanisto. Sufiĉas aŭdi *Numantion* por akiri pri tio definitivan konvinkon. Tre kredeble en Roma, promenante tra la antikva historio, li konceptis la temon de sia tragedio. De Virgilo li prenis la scenon, en kiu Leoncio petegas al Morandro, kiel Eŭryalo al Nisus, akompani lin ĝis la kruela malamiko ie bivakanta en la nokto. Kaj Ajshilon li konis verŝajne same bone kiel Virgilon, ĉar *Numantio* iel parencas al *La Persoj*. Sed tiun ĉi kolektivan epopeon, kiun Cervantès eble transprenis de Appiano, animas fajro esence *hispana*. Eterna Hispanlando, konsterna, mirinda kaj ĉiam sama tra la jarcentoj!

Numantion sieĝas Scipio. La urbo suferas; ĝi eble ne montriĝas kuraĝa laŭ la kutima senco de l' vorto, sed ĝi estas heroa. Tamen iun belan matenon, antaŭ la stulteco de tia longa milito kaj pro momenta forgeso pri la denaska fiero, ĝi decidas proponi al la romaj malamikoj honorindan batal-paŭzon. Sed Scipio arogantas, kaj la senditoj de Numantio kraĉas en lian vizaĝon, kiel li povus tion atendi, se li komprenus la psikologion. Sed kutime la militistoj ne posedas kapablon por tio.

Do daŭros la batalo.

La Romanoj ĉirkaŭas la remparojn kaj pacience ili igos Numantion morti de malsato, sed ne kapitulaci, kvankam ili tion fanfarone anoncas. La hispanoj preferas kune morti, kaj se la soifo kaj malsato ne sufiĉas por ilin ekstermi, ili masakros unu la alian. Antaŭe ili portas al ŝtiparo ĉiujn siajn trezorojn, juvelojn, valoraĵojn kaj eĉ la plej banalajn objektojn por nenion lasi inter la manoj de la posedavidaj Romanoj. Ho kiom da ĝemoj elŝvebas al la indiferenta kaj misaŭgura ĉielo! Baldaŭ la patroj lulos en siaj brakoj la kadavrojn de la filoj, kiujn ili buĉis. Pro amo al Lira senfortiĝanta kaj por porti al ŝi panpecon trempitan en sango, Morandro oferas sian lastan spiron. La honoro kaj la libereco ja meritas,

ke hispanoj mortu por ili. Kaj jam la Numantianoj krias: Vivu la Morto! kaj sin jetas al absoluto por ni ne konceptebla. La racio ĉiam restos vana vorto ĉe tiuj homoj, por kiuj la aventuro kaj risko tiel proksimas al la neniiĝo.

Nacio absurda, kiu ne ofendiĝas, ke oni rigardas ĝin tia. »Eŭropo ja devas hispaniĝi!« foje diris Unamuno. Kaj malsaĝa estas tiu, kiu imagas ŝanĝi tiun landon aŭ havi sur ĝin influon. Hispanujo similas nur al si mem. Tion devas pensi la spektantoj de *Numantio* kaj la sennombraj legantoj de Cervantes, kiujn ravas lia liberemo, lia soleco, lia fantazio; des pli, ke ili vivas sur firma grundo kaj meze de favora naturo.

Nu, por reveni al la scenejo: La romanoj maltrankviliĝas pro la silento de la urbo en la aŭroro. Ĉu ĉiuj loĝantoj malsatmòrtis aŭ mortigis unu la alian ĝis la lasta? Scipio ekvidas vivanton kaj jam imagas sin en Romo inter la honoroj de l' triumfo. Sed la sola kaj lasta numantiano ekaŭdas la roman generalon kaj sin jetas de la remparo. Ne la romanoj perarmile venkis la hispanojn. La hispanoj mem sin venkis. Restas al Scipio nur kovri la kadavron de la numantiano per sia purpura mantelo, kaj al Cervantes, kiu neniam malŝatis la simbolojn, aperigi la Famon, kiu al ĉiuj ehoj disportos la kruelajn okazajojn kaj la triumfon de la Numantia fiereco. Kaj la famo bone plenumis sian oficon.

Tia estas la tragika kanto, kiu elŝvebas el Numantio.

## NOVA UFA-FILMO

Jen filmo, kiu meritas la laŭdon. »Forblovita urbo« estas la titolo de la filmo, kiun aranĝis la rusa reĝisoro Ivan Turjanski kaj ĉefrolas Gustav Fröhlich.

Juna inĝeniero, kiu antaŭnelonge ankoraŭ sen la elpago de la hotela fakturo malaperis el la urbeto — situante ie en Azio — kaj li nun aperas kun plena monujo. Li komencas la laboron por petrolo, kiun li inventis antaŭ sia foriro. (Certe, lin jam ligas amrilato al knabino.) La laboroj jam daŭras depost longa tempo, kiam la centro de la Kompanio ĉesigas la laboron. La junulo daŭrigas la laboron je propra risko, kaj sukcese. Komenciĝas la freneza transformiĝo de la urbeto je urbego. Mi memoras la romanon de Upton Sinclair: »Petrolo«, en kiu mi legis saman scenon. La legomvendisto kaj aliaj similuloj milionuliĝas kaj sian tempon pasigas diboĉante.

Dume, la ŝajne sola, nobelino de la urbeto, kiu vidas la grandan sukceson de la inĝeniero kaj kiu volas nepre ĝui la vivon tie, kie ĝi pleje bolas — en Parizo, forlogas lin.

Sed kiam alvenas la urbeton la direktoro de la kompanio, ŝi tuj koketas kun li. Ili ĝuste aranĝas festadon, kiam oni anoncas, ke ankaŭ la borilo starigita en ilia parko sukcese trafis la petrolo-tavolon. Ĉiuj iras eksteren kaj tiam evidentiĝas, ke ili trovis ne petrolon — sed akvon. Je tiu evento la knabino firme alligas sin al la direktoro kaj la inĝeniero kun renversita animo iras la baron de la urbo. Tie li renkontas la rivalon, kiu perdante ĉion pro malbona spekulacio, decidas teruran planon. Li malarmas la gardiston de la minejo kaj eksplodigas la petrol-fontojn. Oni sin amuzas kaj diboĉas en la baro, kiam subite ekŝanceliĝas la domo kaj ruiniĝas. Tiu bildo estas monstra, grandioza aranĝo. Ni vidas la domojn ruiniĝi kiel kartludiojn. Homoj, fajro, ruinajoj, fajro-estingistoj, aŭtomobilo sen kondukanto kuras tra la stratoj. Dum la nokto ruiniĝas la tuta urbo kaj la loĝantoj perdas sian tutan havajon. Inter la ruinoj, la amatino de la inĝeniero retrovas sian amaton kaj ili decidas konstrui pli firman, pli bonan urbon.

Mi jam diris, ke la aranĝo estas bonega. La sceno, kiu respegulas la konstruon de la urbego, la sceno kiam elspruĉas la oleo el la borilo, kaj precipe la sceno de la ruiniĝo de la tuta urbo kun ĉiuj petrolfontoj estas grandioza. Ni ankaŭ povas nur laŭdi la rolantojn. Precipe mirigis min la ludo de Gustav Fröhlich. Antaŭ nelonge ankoraŭ ni vidis lin nur en facilaj, ĉarmaj, simplaj roloj. En ĉi tiu filmo li malkovras ne simplan draman talenton.

En ĉiuj scenoj li estis perfekta, tamen ankoraŭ ne senmanka estis la plej malfacila sceno: La kompanio jam ne plu donas monon, li ne havas monon kaj li iras al la minejo kun bolanta animo. La tuta laboro kaj sukceso nun ŝajnas esti nuligata, dume li estas konvinkita, ke la tero posedas la petrolon. Temas pri la sukceso aŭ malsukceso de lia tuta laborado, kies sekvoj sukcesaj ja estus grandioza. Tiam li iras al la laboristoj kaj prezentas al ili la aferon promesante duoblan salajron, se ili sukcesos. Nur en tiu sceno mi sentis ioman mankon de la esprimoj. Sed sendube estas, ke li bezonas nur malmulte, por alveni la perfektecon de drama arto.

La aliaj rolantoj kontentige ludis, ja vere, ke ili ne devis prezenti tiel vastan skalon de la sentoj, kiel la ĉefheroo.

(V.) MODERNAJ ANGLAJ TEATRAJOJ. Oni nun ludas en la londona teatro »Criterion«, spritan komedion de Terence Rattigan: »*La franca lingvo sen larmoj*«. Kiel feliĉaj estas la britaj scen-aŭtoroj! Neniu publiko en la tuta mondo tiel facile distriĝas kiel la londona. Tio ne signifas, ke ĝi akceptas ĉiujn formojn de komikajo. Multaj el la fremdaj humoristoj pli mirigas, ol amuzas la anglojn. Sed »*La franca lingvo sen larmoj*«, agrabla komedio, kiu apenaŭ sukcesus en Paris, Wien aŭ Budapest, prezentiĝas tie antaŭ plenplenaj salonoj kaj sendube ankoraŭ prezentiĝos dum jaroj antaŭ ravita publiko.

La sceno okazas en Francujo, ĉe unu el tiuj retiriĝintaj profesoroj, kiuj preparas junajn anglojn por konkursoj, kie la franca lingvo estas »deviga«, kiel ekzemple por la konkurso de la *Foreign Office*. La plej amuza parto de la komedio kuŝas en tio, ke la lernantoj de la profesoro devas france paroli, kiam tiu ĉeestas. La kompatindaj knaboj tiam laŭvorte tradukas siajn anglajn pensojn kaj oni devas konfesi, ke la rezulto estas nerezisteble komika. *She has ideas above her station* (ŝi havas ideojn tro altajn por sia soci-rango) fariĝas: »*Ŝi havas ideojn super sia staci-domo*«. La du signifoj de la vorto »fille« (knabino kaj publikulino), de la verbo »baiser« (kisi kaj seksumi) montriĝas okazoj por dubgustaj ŝercoj, kiuj ŝajnas ravi la publikon, kio pruvas unuflanke, ke tiu publiko tre bone konas la francan slangon, aliflanke, ke ĝi rigardas sin libera de ĉia puritanismo, almenaŭ kiam la ŝercoj esprimiĝas france.

La intrigo impresas malforta, sed inspirita el la »Mizantropo« de Molière. En la famili-pensiono de s-ro Maingrot vivas du virinoj. Unu, lia filino Jacqueline, imitas la saĝan Elianta; la alia, Diane Lake, estas Celimena, sen la sprito kaj inteligento de la prototipo, sed kapabla plaĉi en sia maniero, kiu estas simpla kaj efika. Ŝin amindumas ĉiuj junuloj en la domo, unu naive, alia malice.

Subite enfalas Oronto, oficiro de l' brita maristaro, kiu venis al paĉjo Maingrot por prepari la ŝip-interpretistan ekzamenon. Figuro, ridinda, teda kaj neniel alloga. Tio ne malhelpas, ke Diana (al kiu li freneze enamiĝas) ĝoje akceptu liajn omaĝojn, ĉar ĉiajn omaĝojn ŝi akceptas kaj deziras, ke neniu viro manku en ŝia kolekto. Fine, kiel ĉe Molière, iu Alcesto deviĝas ŝin al konfeso. Sed la malgaja solvo de la »Mizantropo« ja tro ĉagrenus tiun optimistan nacion. La Alceston venkos Celimena, kaj la saĝa Elianta kuros al la predo, kiun jus forlasis la rivalino.

Verdire tiu intrigo valoras alian. La spektaklon tre agrabliĝas la senpereco de l' dialogo, la juneco de la aktoroj kaj la gajemo de l' publiko.

*

De tute alia speco estas la teatrajo, kiun oni antaŭ nelonge prezentis en Londono sub la titolo: *La Suprengrimpo al la F. 6.* Unue, ĝi estas tragedio. Due, ĝin oni jam plu ne ludas. Jen la temo: Ĉe la landlimo de brita kolonio kaj ostnia kolonio (Ostnion oni kreis por ne

ofendi alian eŭropan ŝtat-potencon), ie en Azio, troviĝas alta monto, kies neatingebla kulmino, iel simila al Monto Everest, estas signita sur la land-kartoj per F. 6. Loka legendo, kiun rakontas la montanaj triboj kaj la tibetaj monakoj, promesas al la homo, kiu unua venkos la malbonan ĝenion de la F. 6. kaj atingos la kulminon, la regadon super la tuta regiono. Tial la politika intereso de la suprengrimpo. Du ekspedicioj, unu angla, alia ostnia, samtempe ekiras. La tragikeco de la aventuro aperas en tio, ke tiel bravaj viroj riskos sian vivon: 1. por servi al politikistoj kaj financuloj, 2. ĉar la brita publiko, kiu foroscedas sian vivon, deziras sin paŝti el heroagoj, 3. ĉar sub la masko de l' kuraĝo, la esplorantoj mem estas kompatindaj »kompleks«-mordataj estaĵoj, kiuj, por fuĝi de si mem, aliĝas al la freneza entrepreno. La demono de la monto, kiun timas la Tibetanoj, efektive ekzistas, sed ĝuste en tiuj spiritoj, kiuj pretendas ĝin defii. Kiel ĉiuj demonoj, ĝi montriĝas persona demono. Kaj ĝi estas tiel terura, ke fine ĝi mortigas la heroojn.

La antikvan ĥoron ĉi tie figuras la radioaparato. Laŭvice politikuloj, ĵurnalistoj, esplorantoj venas sur la scenejon kaj antaŭ la mikrofono vestas sian verajn pensojn per solenaj banalaĵoj aŭ vulgaraj ŝercoj. Tiujn banalaĵn kaj ŝercajn gurdaĵojn ĝuas paro en vilao de la londona periferio. Tipaj burĝetaj geedzoj, kiuj aŭskultas la radion kaj korfunde bedaŭras la malplenon de sia vivo.

Ne, al ni neniam io okazos,
Io, kion oni povus rakonti en libro,
Io, kio povus la amikojn impresi;
Nur ĉiam la malnova, malnova ĉiutago,
la vagonaro je la oka, la matena ĵurnalo,
la sving-pordo de la oficejo, la planko...

Al tiu korŝira monotono la suprengrimpo al F. 6. portas mallongan heroan interakton, fulmon de aŭdaco kaj belo Sed je kia kosto?

Per tiaspecaj provoj la moderna teatro povus retrovi kelkajn el la plej profundaj kaj plej noblaj aspektoj de la antikva scen-arto.

(V.) HISTORIO KAJ TEKNIKO DE LA DETEKTIV-ROMANO de François Fosca. Ekde la mezo de la lasta jarcento la detektiv-romano ĝuas ĉiam pli grandiĝantan sukceson. Nuntempe ĝi posedas konsiderindan bibliografion, al kiu ĵus aldoniĝis la verko de s-ro Fosca. Krom la valora dokumento, kiun prezentas tiu libro por ĉiu, kiu interesiĝas pri la evoluo de la speco, ĝi entenas tre amuzajn rimarkojn. La aŭtoro montras kelkajn famajn verkojn, kiaj ekzemple *Krimo kaj Puno* de Dostojewskij, sub tute ne atendita lumo, kaj entreprenas pruvi, ke ankaŭ ili apartenas al tiu familio kreita de Edgar Poe kaj tiel riĉigita de Conan Doyle kaj Edgar Wallace. Kaj li tiel lerte malmuntas la mekanismon de la koncernaj verkoj, ke li preskaŭ konvinkas nin. Se la detektiv-novelon regas apartaj leĝoj, la mistero ĝin animanta povas prezentiĝi diversmaniere: la leganto ne konas la krimulon (al tiu speco apartenas la plimulto de la intrigoj); la krimulon konas la leganto, sed neniu el la aliaj figuroj *(Krimo kaj Puno)*; fine, la krimulo estas konata de ĉiu krom si mem (al tiu lasta kategorio apartenas la dramo de Edipo).

Sendube la emo al la mistero estas tiel malnova kiel la mondo. Se ne paroli pri la Sfinkso aŭ pri la enigmoj, kiujn proponis al Salomono la Reĝino de Saba, ni trovas tra la jarcentoj multajn famajn literaturistojn, kiuj verkis romanon ĉirkaŭ ekscita mistero.

En kiun literaturan specon enŝovi la detektiv-novelon? Nu, respondas s-ro Fosca, kiel la homoj, la libroj formas soci-ordon. Retroirante ĝis Orfeo laŭ longa kaj fama linio, oni rimarkas, ke la poezio formas la aristokration. La romano formas la burĝaron, ĉar ankaŭ ĝi graviĝis en la deknaŭa jarcento. Kaj la roman-novelo? Ĝi reprezentas la aventuriston, la bastardon. Simile al la aventuristo ĝi miksas sin inter ĉiujn soci-klasojn. Ĝin oni povas renkonti same ĉe pordisto de l' popolaj kvartaloj, kiel en la salonoj. Ĝi kaŝiĝas pli malpli lerte sub la vortaroj de la liceano kaj sub la manuskriptoj de la intelektulo. Kaj, kiel la aventuristo, ĝi ĉiam restas la temo de longaj diskutoj.

Bone verkita, solide konstruita, tiu libro atestas pri la ĝisfunda faka kono de la aŭtoro.

(V.) LA CENTJARA DATREVENO DE SWINBURNE. Algernon Charles Swinburne naskiĝis la 5-an de aprilo 1837 (tiel devas komenciĝi deca biografia artikolo) kaj mortis en 1909, rifuzinte la titolon de *honoris causa* el Oxford kaj grasan ŝtatpension, kaj aklamita kiel »la lasta giganto de la angla poezio«. Apenaŭ li evitis la Nobel-premion. En kelkaj jaroj »la eta libideca satiro« fariĝis »the grand old man«.

Oni unue riproĉis al Swinburne lian voluptemon, liajn blasfemojn, lian malsinceron. Lia biblia, helena, arkaika esprimmaniero tre konsternis la publikon. Sed tamen oni avide glutis liajn verkojn. De kiam oni pli juste juĝas lin, oni malpli avidas liajn versojn, kaj eĉ forgesas ilin.

Tamen por tri kaŭzoj la *poeto de la karno* devus resti aktuala. 1. Li estas la bardo de la ribelo kaj de la juneco, spontane aŭdaca, malŝatema pri la konsekvencoj kaj iel satana. 2. Li enkondukis aŭ pli ĝuste re-enkondukis la voluptemon en la anglan poezion. »Li malaltigis la moralan nivelon de la poezio! Li malfermis la pordon al la dekadenco!« ĝemis la puritanoj. Nu, en tio li montris sin liberiganto. Cetere, tiun apartan voluptemon li ĉiam esprimis sen komplezo, sen bombasto. Mankas ĉe li la kulto al la peko, kiel ĉe Baudelaire, kaj la parado de la malvirto kiel ĉe Wilde. Objektive li traktis siajn seksajn tendencojn, sen bedaŭro, sen falsa honto. Li »sublimis« ilin en tre artista maniero, aŭ malkaŝe, nature priskribis. 3. Kaj antaŭ ĉio li estas vera poeto. Estis en li nenio anĝela, nenio el la »ne-surtereco« de Shelley, sed estis la animo de homo, kiu sentas sin hejme en la granda reĝolando de la plej pura poezio.

(V.) THE GHOST GOES WEST (Vendota Fantomo). La senkapa kaj senvosta filmrubriko aperinta en la lasta numero de tiu ĉi gazeto prezentas kun la fantomoj tiun komunan trajton, ke oni ne scias de kie ĝi venas nek kien ĝi celas. Tamen ĝi estas bona en tio, ke ĝi memorigis al mi filmon, kiu konceptiĝis en 1935 t. e. en la ora tempo, kiam la filmistoj ankoraŭ ne serĉis tiel febre la novajn temojn. La verko apartenas al speco, kiu ne facile maljuniĝas. Ĝi naskiĝis el la hazarda renkonto de la Humuro kaj de la Ironio.

Unue, prologo en la XVIII-a jarcento. En angulo de Skotlando, la du familioj Glourie kaj McLeggan sin kore malamas, kaj antaŭ ol venki la komunan malamikon, la anglojn, volas batale solvi siajn malnovajn disputojn. La patriarko Glourie, kiun podagro najlas al brakseĝo, pasigas la tempon sorbante viskion. McLeggan kun sia stabo venas por lin insulti. Tiam Glourie vokas sian pli junan filon, Murdoch, kaj ordonas al li venĝi la honoron de la familio kaj puni kiel decas la arogantan rivalon. Sed Murdoch preferas almiliti la knabinajn korojn kaj li trovas en la batalo novan okazon amindumi paŝtistinon, kion li cetere faras en tre sprita maniero. Li demandas la belulinon, ĉu ŝi konas la diferencon inter kiso kaj kardo. Kaj sian nescion ŝi pagos per kiso. Sed ĝuste en tiu dolĉa momento lin trafas kuglo de la malamiko kaj li mortas neplenuminte sian venĝan mision. Kiam lia animo trafas la unuan nubotavolon, ĝin haltigas la riproĉa voĉo de patro Glourie, kiu tute ne ŝercas pri la honor-aferoj. Por puno, lia fantomo devos loĝi en la prapatra kastelo, ĝis li humiligos anon de la familio MacLeggan.

La dua parto de la filmo okazas en nia epoko. Donald Glourie, la lasta ido de la familio, vivas sola en la malnova kastelo inter la ratoj kaj siaj kreditoroj. Iun belan matenon, la usona familio Martin, spicistoj 'pogrande, malkovras la kastelon kaj ĝin aĉetas. Oni 'malkonstruas ĝin, aparte pakas ĉiun ŝtonon kaj la tutan sendas al Florido, kie oni ĝin restarigos laŭ tute moderna maniero. Kompreneble kun la kastelo ekvojas ankaŭ la fantomo de Murdoch. Kaj la juna Donald, liberiĝinte de la kreditoroj kaj sekrete enamiĝinte al la filino de s-ro Martin, ankaŭ troviĝas sur la ŝipo al Ameriko. La fantomo tute similas al li laŭtrajte, sed montriĝas multe pli entreprenema kun la knabino. Ja de 200 jaroj li ne renkontis tian ĉarman estajon. Ĉiuokaze li vekas sensacion sur la ŝipo kaj New-York preparas al li grandiozan akcepton, dum regas la plej amuza konfuzo inter la du geamantoj. La knabino sincere kredas, ke Donald simple sin alivestis laŭ la malnova skota kostumo. Kaj Donald ne scias, ke la fantomo amindumas la knabinon, kvankam li bone konas la historion de Murdoch.

Usono kun siaj ĉielskrapuloj kaj gangsteroj tute ne plaĉas al la fantomo, kiu petas de la patro permeson ne aperi dum sia restado tie. Sed s-ro Martin jam komprenis la bonegan reklamon, kiun faros por lia negoco la apero de la fantomo. Li organizas vesperon, kiun ĉeestas jurnalistoj, eminentuloj, kaj ankaŭ lia konkurenculo, s-ro Biggelow. Ve, la fantomo ne venos! Kaj s-ro Biggelow jam tre laŭte sarkasmas, dirante interalie, ke ankaŭ li, ido de la skota familio McLeggan, povus akiri kastelon kun fantomo, sed aŭtentikan. Tiam fulme aperas Murdoch, kiu senpene humiligas la McLeggan-anon kaj fine gajnos sian lokon en la paradizo.

Tiu filmo estas majstre interpretita, kiel kutime estas la filmoj de René Clair. La rakonto havas pli gravan rolon, ol la aktoroj, kaj ĝi ne nur altiĝas en la ĉielon de la plej satira komedio, ĝi tie ŝvebas dum preskaŭ du horoj. Verko, kiu meritas 19 poentojn el 20.

(V.) THE GREEN PASTURES (La Verdaj Paŝtejoj). Jen granda, tre granda filmo, ne nur ĉar ĝi malkovras por ni aktorojn mirigajn en la anonimeco, ne nur ĉar ĝi estas rimarkinde scenigita de s-ro Connelly el la propra teatraĵo ludita dum 5 jaroj en Usono kun granda sukceso, sed ĉar ĝin portas la blovo de l' Spirito kaj ĝin parfumas aromo de tiel naiva poezio, kian oni retrovas nur ĉe la primitivaj pentristoj aŭ ĉe la mezepokaj »mister-ludoj«.

En la tuta filmo rolas nur negroj, ĉar temas pri vojaĝo al la paradizo de la negroj. Aŭ pli ĝuste oni montras kiel imagas al si la Biblion 'negridoj, kiujn instruas bona nigr-haŭta pastro en vilaĝo de Luisiano.

Tio komenciĝas per vizio paradiza. Anĝeloj en belaj blankaj roboj kaj flugiloj promenas fumante duondolarajn cigarojn, kiuj abundas tie. Aliaj, sidantaj sur nuboj, fiŝkaptas en la abismoj de l' senlimo aŭ kun ĝuo manĝas frititajn fiŝojn. Poste aperas ĉefanĝelo Gabrielo, la administranto de la ĉielo, kiu anoncas la venon de l' Sinjoro per la vortoj: *De Lawd, de Lawd* (misprononco de la anglaj vortoj *The Lord* = La Sinjoro).

*De Lawd* estas bona respektinda barbulo frakvestita, kiu tre afable parolas kun la feliĉaj loĝantoj de la paradizo. Lia ĉefa okupo konsistas en la plenumo de mirakloj, kiujn li faras tute simple kaj ĉiutagece, sen la plej eta parado. Li decidas la kreon de la Tero. Poste tiun de la viro kaj de la virino. Kaj la tuta Malnova Testamento tiel prezentiĝas per mirinde naivaj simboloj.

Li kutime sidas ĉe moderna oficeja skribo-tablo kaj de tempo al tempo iras al la fenestro por vidi, kio okazas sur la Tero. Sed foje ŝajnas 'al li, ke ne ĉio estas en ordo tie sube. Kaj en bela printempa dimanĉo, kun bastono kaj larĝranda ĉapelo, li malsupreniras por vidi siajn kreitaĵojn. La floroj kaj la birdoj konscience faras sian laboron kaj laŭdas la Sinjoron dum li preterpasas. Sed ve pri la homoj! Knabinoj en kotonroboj kaj silkŝtrumpoj ludas banĝon anstataŭ ĉeesti la Diservon. dum iliaj amantoj pretendeme pozas kun timigaj mienoj. Dekkvinjara bubo fervore preĝas por gajni ludon per falsigitaj ĵet-kuboj.

Dio, treege malgaja, fine renkontas honestan vizaĝon en la persono de la vilaĝa pastro Noah, kiu jus predikis antaŭ malplenaj seĝoj. Tiu bravulo plendas pri reŭmatismo en la genuo kaj anoncas baldaŭan pluvon. Post tagmanĝo ĉe Noah, la Sinjoro preparas la Diluvon kaj informas sian gastiganton, ke li domaĝos lin kaj lian familion. Antaŭ ol Noah povas esprimi sian feliĉon, la Sinjoro jam skizas per arĝenta krajono la planon de la arkeo. Feliĉe, ke ĝuste en la vilaĝo troviĝas menaĝerio, kio tre simpligos la besto-savan operacion. Ne tiel rigora estas la bona Dio. Eĉ bareleton da viskio li permesos kunporti por la kvardektaga vojaĝo! Noah kun siaj filoj en pluvmanteloj registras ĉiujn bestoparojn, kaj kiam ĉio pretas, ili simple diras: »O. K. Sinjoro!«

Poste sekvas la historio pri Moseo kaj pri Babilono detruita, ĝis alvenas Jesuo Kristo. La tuto estas tro ĝenerale konata por ke mi insistu. Mi nur diru, ke tiu unika filmo min tiel ravis, ke kiam mi eliris el la kinejo, mi trovis la blankajn vizaĝojn trivialaj kaj senesprimaj.

(V.) G. H. WELLS: THE MAN WHO COULD WORK MIRACLES (La viro, kiu povis fari miraklojn). La riĉa fantazio de Wells tre ŝatas rajdi la problemojn de la socia filozofio kaj homa feliĉo, kiuj donas abundajn okazojn direkti la sagojn de verva satiro kontraŭ nia malsana mondo. Tiun ĉi fojon ĝi transportas nin 'ĝis tiuj altaj regionoj, kie regas la Ĉielaj Potencoj. Ĝuste okazas mitologia kunsido de tri ĉiopovaj Dioj, kiuj debatas pri la indeco de la Tenoj. Unu el la tri decidas por 'eksperimento doni al iu difinita homo la povon plenumi miraklojn.

Tiun timigan privilegion ricevas sensignifa komizo, George Fotheringay, en la momento kiam li enpaŝas kiel ĉiuvespere la vilaĝan gastejon por trinki la kutiman bierglason en amika societo. Ĝuste okazas diskuto pri la mirakloj. Fotheringay donas sian propran opinion kun la jena ekzemplo: miraklo rezultas el la influo de la koncentriĝinta penso sur la materion. Se mi povus fari miraklojn, mi simple ordonus al tiu lampo per mia tuta volforto: Returniĝu supr-al-tere!

Sed je ĉies miro kaj je la plena konsterniĝo de Fotheringay la lampo returniĝas.

Post serio de aliaj provoj li konscias pri sia supernatura forto. Vespere en sia ĉambro li laŭvole movas la meblojn, aperigas horloĝojn, juvelojn, fruktojn, florojn, ktp. La objektojn li povas malaperigi aŭ transformi per simpla esprimo de sia deziro. Sian rompitan bastonon li ŝajnigas floranta rozujo.

Policano, kiu rigardas lin danĝera homo, venas por lin aresti. Sed Fotheringay lin sendas al San Francisco meze de trafikplena strato. Rimarkinte lian eksterordinaran kapablon, lia mastro, majoro Grigsby, proponas, ke li fariĝu kunposedanto de la entrepreno. Sed vane. La idealista pastro Maydig persvadas lin uzi sian povon por plibonigi la mondon. Tio jam pli plaĉas al la naiva Fotheringay. Baldaŭ komenciĝos la Ora Epoko.

La unua viktimo de tiu mondsava transformiĝo estas la mishumora kaj neprogresema kolonelo Winstanley. Unu belan matenon li trovas sian tutan provizon da viskio ŝanĝitan je sap-akvo, kaj sian belegan armil-kolekton transformitan je terkulturaj iloj. Lia agbezona temperamento tuj elpensas drastan rimedon, kaj Fotheringay apenaŭ evitas venĝan kuglon. Tio lin igas multe pripensi. Poste li decidas, ke li kreos novan mondon laŭ la propra fantazio.

Kaj tie aperas plej evidente la talento de Wells. La miraklofaranto rapidas al la kastelo de Winstanley kaj komencas ordoni. La malnovan kastelon li anstataŭigas per impone giganta palaco, en kiun li laŭvice venigas siajn amikojn, konatojn, amatinon, kaj poste jurnalistojn, prezidantojn, militistojn, reĝojn kaj eminentulojn el la

tuta mondo. Kompreneble ĉiu surhavas kostumon konforman al la cirkonstancoj.

Fotheringay tiam prezentas sian koncepton pri la mondo; akre riproĉas la gvidantojn, kaj anoncas, ke de nun li sola estas la Estro. Li haltigas la sunon kaj eĉ la teron...

Tiam intervenas la ĉielaj Potencoj por ĉesigi la malordon, lasante al la heroo la nostalgion pri la mirakloj, kiujn li plu ne povos fari.

RESTARIGO DE LA PLEJ MALNOVA TEATRO EN SVEDUJO. PREZENTADOJ EN SCENEJO EL LA DEKOKA JARCENTO. (Sveda Internacia Gazetservo.) Dank' al malavara donaco la teatro de Gustaf III. en la fama, malnova kastelo Gripsholm, ne tre malproksime de Stokholmo, estos baldaŭ denove malfermita al la publiko kun prezentado de teatraĵoj el la tempo, kiam la teatro estis ankoraŭ nova, la fino de la dekoka kaj la komenco de la deknaŭa jarcentoj.

Estas pranepino de la iama teatra arkitekto, Erik Palmstedt, kiu donacis 5.000 kronojn por ebligi tiun interesan entreprenon.

La teatra konstruaĵo estas bone konservita, sed la scenejo kaj la maŝinaro estas difektitaj de la tempo. Nun oni kiom eble restarigos la maŝinaron laŭ ĝia origina stato, sub gvidado de la sceneja maŝinisto de la Reĝa Opero en Stokholmo.

Kiam la restarigo estos preta, Svedujo povos montri al turistoj du bone konservitajn teatrojn el la fino de la dekoka jarcento, la teatron de la palaco Drottningholm kaj tiun, la plej malnova, de la kastelo Gripsholm.

La teatraĵo elektita por la malfermo de la teatro en Gripsholm estas »Le Jeu de l'Amour et du Hasard« de Pierre Carlet de Chamblain de Marivaux, teatraĵo, kiun oni prezentadis eĉ ĝis la nuna tempo, kaj kiun oni rigardas tre tipa por la epoko, kiun reprezentas la teatro de Gripsholm.

Tiu evento celebros la 400-jaran jubileon de la kastelo Gripsholm, kiu okazos la 19-an—20-an de junio. Okazos ankaŭ aliaj specialaj eventoj kunlige kun tiu jubileo, kaj en Stokholmo oni malfermos specialan informo-oficejon por ĉiuj necesaj informoj.

Dum la someraj monatoj la Kompanio Sveda Aerotransporto aranĝos regulan flugservon el la nova flughaveno de Stokholmo al Gripsholm, kio ebligos al turistoj plej oportune rigardi la landon ĉirkaŭ la lago Mälaren kaj viziti tiun interesan malnovsvedan reĝokastelon, kiu estas tre konata pro siaj kolektoj de pentraĵoj, armiloj, kaj mebloj.

HEINZ WATERBOER: LA PLANTISTO SUR DAAR.
Maltrankviliga libro, streĉoplena de la komenco ĝis la tragika fino. La historio de la juna plantisto sur Daar, la soleca insulo en la Pacifiko, estas rakontebla en mallongaj vortoj, tiel negravaj estas la personaj sentoj kaj homaj okazaĵoj ĉe la granda tragedio de la ardpasia naturo en ĉi tiu ĝangalo-sovaĝejo. Nur malmultaj homoj ĉi tien venas, surbordiĝintoj sur la peco da tero, kiu ŝajnas forgesita de la mondo. Kaj kiel ili mem parolas nur malmulte, kvazaŭ la soleco estus de ili forrabita la ludan abundon de la lingvo, tiel ankaŭ Waterboer desegnis ilin per nur malmultaj linioj. Sed eksterordinara estas ĉi tiu epigrafa maniero, kiu gravuras ĉiun el ili en la memoron de la leganto. La gastejo de la ĉino Fuenhin sur Daar estas mezpunkto de malgranda timiga societo de agentoj, negocistoj, krimuloj, obseduloj. Ĉiu el ili postkuras aliajn valoraĵojn: korpo-kernojn, fremdlandajn birdobalgojn, vanilosilikvojn, venenojn; ĉiu el ili vivanta kadavro. Ilia vera vivo ŝajne ĉesis en la tago, kiam ĉi tiu tropika-sovaĝejo per siaj brakoj ŝiris ilin al si. »Oni ĉion lernas ĉi tie sur la insuloj, kiuj ŝajne tro proksimas al la infero«.

La juna plantisto Tim Carstens kaj Dor, lia dolĉa edzino, kuraĝe ekbatalas kontraŭ la neprikalkuleblaj naturfortoj, kontraŭ la teruroj de la vetero, kontraŭ la paraliza kaj detrua sekeco. Ili scias, ke tio estas batalo pri la vivo, ĉar ili dungis sin al la Choiseul-kompanio, ĉe kiu ili neeviteble devas ŝuldiĝi ĉe ĉiu malbona rikolto. Al ĉiu mizero ankoraŭ la malario, la ĥolero, kiu forrabas la patron de Dor, lin, kiu sole ankoraŭ povis doni iom da apogo kaj hejmeco. Sed mortas ankaŭ ilia malgranda, granda feliĉo, ilia infano. Tamen kvazaŭ, per miraklo, ili trovas helpon: Dum Carstens, de kelkaj tagoj, kuŝas senkonscie en grava febro, Sanders, senhejma strangulo, trovas la duonfrenezan junan edzinon kun la mortinta infano sur la brako. Kiel li nun singarde ĝin forprenas de ŝi, ĝin baptas, ĉarpentas krucon el tabuloj, tio estas tiel delikata, ke oni neniam estus tion supozinta pri ĉi tiu kruda viro. Sed en ĉi tiu horo Sanders sentas eksangi sian malnovan, necikratriĝintan vundon: ankaŭ li iam devis enterigi sian infanon, infanon kaj edzinon en unu nokto, mortigitajn de malica homo, kiu enportis venenan serpenton en la ejon, en kiu ili dormis. De ĉi tiu momento en Sanders ne plu vivas io reala, nur ankoraŭ la pensado pri venĝo. Jaron post jaro li serĉas la krimulon, kiu en plej diversaj maskoj ĉiam ankoraŭ sin kaŝas sur la insulo.

Ĉi tie, ĉe la du junaj, preskaŭ perdiĝintaj homoj, en la soleca Sanders vekiĝas ankoraŭfoje varma vivosento, io kiel karesemo, kaj li savas ilin, pagante la ŝuldon al la kompanio. Baldaŭ post tio li trovas ankaŭ la tiel longe serĉitan murdinton de siaj karuloj en apenaŭ ekkonebla masko. Kiel li faras sian venĝon, en la varmega spiro de la ĝangalo, tio estas sceno de plej forta impreso. Sed per ĉi tiu venĝo estas plenumita la vivo de Sanders. Sur la »Lost Isle«, la soleca insulo, ĉe la rando de la Timorlago, li finos siajn tagojn, en kabano, trablovata de la dolĉeca venteto de opio, en la mortejo de la vivo.

Ankaŭ la sorto de Tim Carstens plenumiĝas. En koleremo li skurĝas malobeeman malajan administranton; de tiu tago li sentas, ke li nesaveble estas perdita, ke la malajo kun la tuta pasieco, pri kiu kapablas la neesplorebla animo de ĉiu tiu misteroplena popolo, venĝos sin pro ĉi tiu vipobato. Helpas neniom, ke Carstens, ĉi tiu viro pelata de la vivo, restas venkinto super la malajo kaj finfine lin mortigas. En la teruro de iu nokto, kiu en tertremo kaj fajro ŝajnas moki la homojn, Carstens en frenezatako mortpafas la amatan edzinon. La sekvantan matenon enlandaj laboristoj lin trovas mortinta, premeganta la lipojn al la kapo de Dor. *F. W. V.*

---

*Kara Leganto!*

»Literatura Mondo« eniras per tiu ĉi numero kvazaŭ novan periodon de sia kultura misio. Ĝis nun ĝi estis ekskluzive literatura revuo alportanta sur siaj kolonoj verkojn de niaj esp. verkistoj kaj tradukistoj.

Iniciate de s-ro Bleier, efektiviĝas en la hodiaŭa numero de L. M. nova, ne malpli interesa ideo, ebliganta ankaŭ al la esperantistaj belartistoj aperi sur la paĝoj de nia revuo. Tiu ĉi faro estas nova pruvo pri la senĉese kreskanta aplikado de Esperanto en plej diversaj tavoloj de la homa socio kaj provo pri la pli granda ekinteresigo de la esperantistoj pri verkoj de l' diverslandaj samideanoj-belartistoj. Malfermiĝas tiel novaj kulturhorizontoj al nia movado, kiu nepre bezonas ankaŭ la produktojn de l' artoj penika, kreta kaj ĉizila, por kompletigi altajn postulojn de la kulturita esperantistomondcivitano.

Ne multaj esperantistaj belartistoj fordonas siajn kapablojn ankaŭ al la servoj de la movado. Sed ni scias, ke Esperanto tamen povas stimuli la kreopovon de la artisto al verkoj, kies enhavo tuŝas nian problemon. Ni ĝojus, se ni povus en L. M. atentigi niajn legantojn pri tiaj verkoj, sed volonte publikigos ankaŭ tiajn verkojn, kiuj ne rilatos aparte nian movadon. Por ni estos grave, ke inter ni estas homoj laborantaj sur la kampo de belo. Tial ne ekzistu en la mondo esperantisto-belartisto, kiu ne volus eniri nian vicon

Ni esperas, ke ni sukcesos arigi multajn esperantistajn belartistojn ĉe nia revuo, je la granda ĝojo de nia estimata legantaro. *d. b.*

## NIAJ REPREZENTANTOJ:

AUSTRIO: Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**AUSTRALIO:** L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.

**BELGUJO:** Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.

BRITUJO: Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn

**BULGARUJO:** Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.

**ĈEĤOSLOVAKUJO:** Esperanto Asocio en ĈSR. **Praha** X X 447, Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 1237.

DANUJO: Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. Poŝtkonto nro: 16295.

ESTONIO: Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.

FRANCUJO: Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sèvres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.

GERMANUJO: Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084

HISPANUJO: Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—Ja

ITALUJO: Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.

JUGOSLAVUJO: Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.

LATVIO: Taivaldo Indra, **Riga,** Kr. Baronas ielā 104 dz 19. Poŝtĉekkonto nro 7.

NEDERLANDO: Nederlanda Esperanto Centro. **Rotterdam** W. Schiedamschewe 209 b. Poŝtĉekkonto nro 272818.

NORVEGUJO: Norvega Ligo Esperantista, Librofako. Sro Gustav Johannessen, **Hamar,** Skappelsgt. 3.

POLUJO: Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.

PORTUGALIO: Saldanha Carreira, **Lisboa,** Av. Duqué de Loulé 503

RUMANUJO: Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Gelu 9.

SVEDUJO: Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.

SVISUJO: Nova Esperanto Grupo, f-ino Hatter Prisca, Katharinengasse, 11 **St. Gallen.**

JAPANUJO: Japana Esperanto Instituto **Tokio,** Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.

USONO: Amerika Esperanto-Instituto **Rockford** (Illionis) 1111 Brooke Rd




Aperis kaj estas dissendata la jubilea libro pri J. Baghy—K. Kalocsay

# ARĜENTA DUOPO

**ELEGANTA, BELA, DUKOLORE PRESITA LIBRO EN FORMATO DE 23.5×15.5 CM.**

**Du volumoj, entute 384 paĝoj.**

ENHAVO DE LA I-A VOLUMO:

La jubileantoj parolas pri si mem — Oni parolas pri la jubileantoj — Ilustraĵoj

ENHAVO DE LA DUA VOLUMO:

Teatraĵoj — Poemoj — Scenoj — Muziknotoj — ĉio, kio sufiĉas por aranĝi programajn vesperojn en grupoj

Unua volumo 224 paĝoj. Dua volumo 160 paĝoj. — Prezo: I-a volumo — 90 USA dolaroj; II-a volumo 1·10 USA dolaroj.

Aldonu 10% sendkostojn. — Aĉetanto de la du volumoj ricevas senpage unu bindilon por ambaŭ volumoj.

Felelős szerkesztő és kiadó: Bleier Vilmos. — Pestvidéki Nyomda Vácon. — A nyomdáért Bénik Gyula felelős.